XXI^a jaro. N° 298 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER

GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## De Parizo al Ĝenevo.

La Ĝeneva Kongreso estos granda festo pri la lastaj sukcesoj de Esperanto. Ni esperas, ke ĉiuj, kiuj povas, venos tien por solene honori la memoron je Zamenhof en la salono mem, kie li parolis en 1906 kaj por igi la kongreson kaj la someruniversitaton impresaj manifestacioj pri la progreso de Esperantismo en la mondo.

La Parizaj konferencoj kaŭzis grandan bruon en la eŭropa gazetaro. Ili antaŭ ĉio servis la propagandon. Ke 200 teknikaj aŭ sciencaj societoj kaj 155 Komercaj Ĉambroj sendis oficialajn delegitojn, ke mondfamaj scienculoj partoprenis, ke francaj ĉefministro, komerca kaj aviada ministroj reprezentiĝis, ke franca registaro akceptis Esperanton kiel klaran lingvon en telegrafio, ke du mil personoj ĉeestis la malfermon en la Pariza Universitato, ke eĉ la Ejfelturo disaŭdigis per radio la paroladojn kaj ke, de nun, Radio-Paris disaŭdigas en Esperanto la oficialajn novaĵojn ĉiuĵaŭde je 8.^15 vespere, ĉio ĉi kompreneble impresis la publikon kaj donas novajn flugilojn al nia tuta afero.

Nia movado marŝas bonege. Eĉ mondgrava ĵurnalo kiel „The Times" en Londono publikigis unu plenan kolonon pri ĝi antaŭ kelkaj semajnoj. Tamen, ni bone konsciu, ke tio signifas nur, ke oni atentas nin, ne ke oni laboras por ni. La tuta progreso de Esperanto staras ankoraŭ nur en niaj manoj. La publiko ekrigardas, sed ni devas agi.

Tion bone konscias la Centra Komitato, kiu sidis tutan tagon en Parizo sur la Ejfelturo por esplori la ĝeneralan staton kaj diversajn bezonojn de la tutmonda Esperantomovado. Poste ĝi sidis ankoraŭ tutan posttagmezon kun siaj du elektantoj: la Komitato de UEA kaj la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.).

La plej urĝa necesaĵo estas la preparo de teknikaj vortaroj kaj sciencaj verkoj en nia lingvo. De nun S-roj Rollet de Lisle kaj Rousseau, kiuj gvidas tiun fakon, ricevos ĉiun eblan subtenon kaj la Biblioteko de la Centra Oficejo povos esperebIe fariĝi sekretaria centro por tiu grava lingva laboro.

Poste urĝas pli konstanta interrilato inter ĉiuj niaj organizoj kaj aktiva koncentrigo de metodaj klopodoj. La Internacia Centra Komitato (C. K.) aŭdis kun granda plezuro la raportojn pri la sukcesa rondvojaĝo de sia propaganda sekretario S-ro Andreo Ĉe, kiu de nun loĝos en Genève. Por korespondi kun la naciaj societoj, zorgi pri organizo de kongresoj kaj gvidi sian praktikan laboron, C. K. elektis ĝeneralan sekretarion S-ron Robert Kreuz.

C. K. volis proponi al sia prezidanto salajron, por ke li forlasu tute sian profesian okupon. Danke mi malakceptis, preferante resti sendependa tiom longe, kiom eble kaj eviti al nia movado plian ŝarĝon, sed mi tre dankas pro la elekto de pluraj helpantoj, kiuj tre faciligos nian laboron kaj sindone kaj senprofite donacas sian vivon al nia kara afero.

Por kovri sian grandiĝintan buĝeton C. K. elektos cent korespondantojn pagontaj jaran kotizon de cent svisaj frankoj por subteni seriozan internacian agadon. Jam 15 bonvoluloj anonciĝis. Pliaj 85 afable enskribiĝu baldaŭ. Ilia subteno estos kore bonvenigata. Kaj nun, ĝis revido en Genève!

*Edmond Privat.*



# EL NATURO KAJ SCIENCO



## Pri la kanaloj sur Marso.

La ruĝeta planedo, kiu aspektas laŭperiode jen kiel triagrada stelo, jen kiel brila Arkturo, estas — post la Luno — la dua ĉiela korpo kiun la astrobservistoj iomete trastudis, kaj kies suprajon oni desegnis sur la karto kaj la globo. Malgraŭ sia pligranda distanco de la Suno, Marso estas malplia ol la Tero, ĝia suprajo estas preskaŭ kvarfoje malpli granda, kaj ĝia maso dekfoje. Ĉar en plej favoraj cirkonstancoj Marso tamen distancas je 57.000 000 km. al la Tero, tial la observistoj armitaj de plej fortaj teleskopoj povas distingi sur ĝia disko nur neklarajn ĉefajn trajtojn. Dank' al sennuba Marsa atmosfero oni facile eltrovis ke ekzistas tie maroj kaj teroj, blankaj regionoj apudpolusaj, insuloj, markoloj, jartempaj periodaj ŝanĝoj. Same kiel ĉe ni, la suda duonglobo Marsa entenas pli da maroj, ol la norda. Kiam venas printempo kaj somero por unu Marsa poluso, tiam la blanka „ĉapeto“ degelas, fandiĝas kaj malaperas. Dum la degelado oni vidas apudajn marojn malheliĝantaj, kvazaŭ pro la superakvego. Post la forpaso de Marsa jarduono, la sama degelado okazas sur la kontraŭa poluso. Precizaj observoj de Marso komenciĝis antaŭ 260 jaroj, kiam estis konstruitaj grandaj teleskopoj kun puraj kaj precizaj vitroj. Oni rimarkis ankaŭ, ke tiu planedo turniĝas, kaj la mezuroj donis: 24 horoj 37 minutoj; por la Marsa tago.

Ĉio iris pri la Marso ordinare, kaj la publiko ne havis apartan intereson pri tiu planedeto, kiam en la 1877, milana astronomo *Skiaparelli*, observante Marson tra sia negranda teleskopo, ekvidis ke ĝia suprajo estas kovrita de centoj da delikataj maldikaj linioj, rektaj kiel fadenoj de araneaĵo; tiuj linioj formis unu tuton kun la maroj kaj lagoj, kunigante ilin kanalmaniere. Ceteraj astronomoj, armitaj de pli potencaj teleskopoj, ne povis distingi tiujn „kanalojn“, kiel oni ilin volonte nomis, kaj pro estimo al la itala kolego ili supozis, ke la pura ĉielo kaj superakra okulo de Skiaparelli permesis al li vidi tion, kio kaŝiĝas de l' observo en pli nordaj landoj.

Post 20—30 jaroj ankaŭ aliaj astronomoj, ekzemple *Lowell, Brenner, Denning*, rimarkis la kanalojn, desegnis ilin, kunmetis la observojn, konstruis kartojn, kiuj parte konfirmis — parte kompletigis la jam klasikajn observojn de Skiaparelli. Oni esprimis opinion, ke la Marsaj kanaloj estas verko de tieaj inteligentaj estaĵoj, kiuj travivis pli longajn tempojn de kultura vivo, kaj profitante ebenecon de la surfaco, ili fosis malprofundajn sed larĝajn kanalojn, necesegajn por la planedo kun seka klimatoj La publiko volonte akceptis tiun supozon kaj multaj kapo varmiĝis, projektis pri intersignado kun la marsanoj, ktp. Plimulto da astronomoj havis nekredemon. Populara aŭtoro *Flammarion* tenis la mezon, li akceptis kelkajn larĝajn markolojn kaj du — tri grandajn kanalojn, sed la ceteraj centoj forestas sur liaj karto kaj globo de Marso. La problemo tamen turniĝis alie, kiam *Antoniadi*, lerta observisto kaj disĉiplo de Flammarion, decidis speciale observi surfacon de Marso tra plej potenca teleskopo en Eŭropo, en Meudona observejo apud Parizo. Diametro de objektiva vitro de tiu optika giganto havas 91 centimetrojn, t. e. pli ol duobla kalibro de plej grandaj pafilegoj, konstruitaj je la fino de la milito. Opozicio de Marso, serenaj trankvilaj noktoj, pura aero, havigis treege favorajn cirkonstancojn, kiuj — kunigitaj kun potenco de l' vidilo — permesis apliki okulariojn multe pli fortajn, ol tiuj de Skiaparelli. La rezultato estis tia kian jam delonge antaŭdiris spertaj astronomoj: nek unu kanalo, nenia delikata reto estis vidata, nur vidiĝis kelkaj larĝaj „kanaloj“ kiel rozarioj, kiel aroj da izolaj makuloj, vicoj da punktoj, eble lagetoj aŭ oazoj. Nur tiam la skeptikaj voĉoj povis triumfe ruinigi tutan iluzian kanalreton de Marso, kiu regis la cerbojn dum unu generacio. Nur tiam oni klare ekvidis neeblon de supozo pri kanaloj... 50, 100, 200 km. larĝaj! ĉar tiaj estas la ciferoj bazitaj sur mikrometra mezurado de l' iluziaj kanaloj. Ŝajnas ke pro streĉo kaj laco, la observanta okulo vidas kune kun realaj objektoj, ankaŭ subjektivajn liniojn, punktojn, kiuj formiĝas interne de okulo, kaj estas poste observataj kiel eksteraj fenomenoj. Oni ja scias, ke pro la frapo la okulo povas vidi subjektivajn steletojn, fajrerojn, flugantajn en la aero. Pro la superfaco okula la vido nebuliĝas je makuletoj, helaj vibraĵoj, retaĵoj. Nenio do mirinda, ke la fervoregaj observistoj, kiuj rapidis profiti la nelongan periodon de Marsa opozicio, tro multe kaj tro streĉe rigardis tra la vitraroj de siaj instrumentoj, kaj kredis vidi sur la Marso tion, kio estis nur en ilia laca okula retino.

Se la delikata reto da kanaloj ne ekzistas reale sur la Marso, ĉio cetera restas, kaj restas la sama jam dum pli ol 100 jaroj, nome — la kontinentoj, insuloj, golfoj, markoloj, polusaj ĉapetoj. Ni ne rajtas supozi ke Marsa suprajo estas senviva, kvankam niaj malfortaj vidiloj ne montras ion kio donus al ni rajton konfirmi la vivon sur tiu planedo. Efektive, plej potencaj teleskopoj ne povas montri ian objekton sur la Marsa disko, se tiu objekto estas malplia ol 60 kilometroj. Do, eĉ granda vaporŝipo aŭ longega armeo ne povus esti rimarkita, malgraŭ plej fortaj okullensoj, aplikitaj al plej longa teleskopo. Laŭ geologia vidpunkto Marso estas pli aĝa ol la Tero. Se tie ekzistas ĝia homaro, ĝi estas pli progresinta ol la nia. Radiotelegrafio kaj radiotelefonio do malfermas perspektivon de ebla komunikado kun la Marso, kaj tion jam meditas izolaj scienculoj de nia tempo. Kontraŭuloj de Marsaj Kanaloj estis malpravaj, kiam kun la kanaloj ili vplis ruinigi ideon de la marsanaro. La tero ankaŭ ne havas la kanalojn, sed ĝi tamen svarmas je la vivo. La tuta afero pri Marsaj kanaloj havis fine tiun bonan sekvon, ke la scienculoj kaj la publiko ree ekinteresiĝis pri la ebloj de la surplaneda vivo, kulturo kaj saĝa kosma estaĵaro.

Originale verkis *O. Navelas.*

---

## Antikvaj moroj en Malto.

La morto uzis sian falĉilon kaj detranĉis vivulon. La ĉirkaŭaĵo resonas pro la malesperaj, laŭtaj kriadoj de la ploristinoj kiuj, alivestitaj en nigraj vualoj kun trenaĵoj, tramarŝas la stratojn ĝemante, plorante aŭ kantante laŭdojn pri la mortinto. Iliajn terurigajn ekkriegojn oni povus aŭdi de malproksime.

Enirinte en domon de l' mortinto, tiuj ploristinoj kvazaŭ invadas la tutan ĝardenon, detranĉante ĉiujn vinberbranĉojn, ilin disĵetante sur la teron, kune kun ĉiuj floroj, kreskaĵoj kaj floraj vazoj tie troviĝantaj; poste ili kovras la meblojn per nigra drapo, rompas kaj dispecigas ĉion rompeblan en plej malgrandajn erojn, la amason da tiaj eroj ili kovras per cindro, fulgo kaj akvo; ili ĉion kunmiksas, kaj per tia miksaĵo ili nigre pentras la ĉambron, kie troviĝas la kadavro.

Oni ne kredu, ke dum tiu laboro regas silento. Tute ne! La inoj ne ĉesas, eĉ dum momento, eligi siajn unutonajn melankoliajn sonojn; ili kontraŭe, de tempo al tempo, daŭrigas siajn ekkriojn, eĉ post la funebra ceremonio, kiu iĝas pli melankolia pro la malgaja tomba kantaĵo, kiun viroj, kaj iafoje eĉ virinoj ludas per fajfiloj.

Dum irado de la funebra procesio la loĝantoj aperas el siaj domoj, por peti la spiriton de la kadavro, ke ĝi transdonu iliajn

respektplenajn salutojn al tiuj konituloj, kies animoj estas jam forflugintaj por ĝuadi la eternan ripozon.

Kiam la kadavro estas mallevata en la tombon, oni metas sub la kapo kusenon plenan je oranĝaj aŭ laŭraj folioj, kaj sur la tombo oni sternas tapiŝon aŭ veluran kovrilon, laŭ la socia rango de l' mortinto.

Eĉ la familianoj de l' mortinto partoprenas tiun ĉagrenelmontron, deŝirante sian kaphararon kaj surmetante nigrajn vestojn kaj longajn tukojn el silka tafto, kiuj kovras la virinojn de la kolo ĝis la piedoj. La edzino restas hejme kvardek tagojn; kaj dum la unuaj tri tagoj la kuirado estas malpermesita. Tamen la najbaruloj zorgas pri tio, sendante ĉion al la familio. La viroj restas hejme unu semajnon; al ili ne estas permesite sin razi dum tiu tempo. En la domo de riĉa mortinto oni detranĉas la vostharojn de la ĉevaloj.

Jen la mezepokaj funebraj moroj en Malto! Ili daŭris ĝis la 1676 kiam, pro la pesto kiu disvastiĝis sur la tuta insulo, estis malpermesite proksimiĝi al kadavroj, aŭ fari funebrajn ceremoniojn. De tiu tempo la servo de la ploristinoj ne estis plu postulata; kaj pro la sama kaŭzo ĉesis ankaŭ la ceteraj moroj.

Sed eĉ antaŭ la 1676 ni trovas seriozajn virojn, kiuj malestimis tiajn morojn. La historiisto Ĉiantar skribas pri du testamentoj, unu de Johano Kasteleti, alia de barono Marko Inguanez, en kiuj ili malpermesas al siaj heredontoj uzi la servon de la ploristinoj, aŭ devigi la virinojn disŝiri harojn, aŭ plenumi en la domo kaj ekstere iun ajn el la ceteraj moroj. Ĉiu malobeo al tiuj ordonoj devigus la heredontojn pagi al la Monaĥejo de Sankta Aŭgustino tricent uncojn da arĝento.

Kun la permeso de la aŭtoro tradukis
D-ro *Gustavo Busuttil*, Malta.

---

# Venko de insekto kontraŭ sciencistoj.

*Wilh. Solzbacher.*

Eble ĉiu ŝatas la dolĉan enhavon de abelĉeloj, la mielon, simbolon de la dolĉeco. Sed ne ĉiuj konas sciencan diskuton, kiu antaŭ du jarcentoj komencis, kvankam ne pri la mielo, tamen pri la ĉeloj mem de l' abelujo, kaj kiu daŭris kun la tuta persisto, kiun ordinare uzas sciencistoj por siaj sciencaj principoj. Tiu diskuto estis plej stranga, ĉar unuflanke staris plej famaj tiutempaj matematikistoj, aliflanke la abeloj.

La sciencan diskutadon kaŭzis fizikisto *Réaumur*, kiu naskiĝis en 1683ª kaj mortis en la 1757ª kiel mondkonata membro de la Franca Akademio kaj de multaj alilandaj societoj. Pleje li estas konata kiel eltrovinto de l' termometro, kvankam li mem tute ne eltrovis ĝin, sed nur donis al ĝi tiun gradaron, kiu nun havas lian nomon. Sed multe pli gravaj estis liaj fizikaj kaj matematikaj esploroj. Je komenco de la 18ª jarcento li publikigis matematikan problemon solvotan: „Oni konstruu sesmuran vazon limigitan per romboj. Kiel grandaj estos la anguloj, se bezonante elspezi minimumon da materialo, oni ricevu maksimuman spacon!“ Multnombraj sciencistoj provis solvi la problemon, kaj germana matematikisto *König* trovis rezulton de sia kalkulado, ke unu angulo de la rombo devas esti 109° 26', la alia 70° 34' (kune 180 gradoj aŭ 2 R∧). La supozo, ke tiu rezulto estas erara, ŝajnis tute neebla pro la kompetenteco, kiun König havis.

Sed dum la viroj de l' scienco volonte cedis al la aŭtoritato de sia kolego, tamen unu arkitekto, kiu de pratempo konstruadis multajn vazojn similajn al tiu de la problemo, daŭrigis doni al la muretoj angulojn 109° 28' kaj 70° 32'. Tiu obstina arkitekto estis la abelo. La konstruo de la abelĉelaroj pensigis la matematikistojn, kiuj baldaŭ rimarkis, ke la fluganta arkitekto tute ne agis laŭ la kalkuloj de *König*. Tiu obstino de l' insekto aganta laŭ la leĝoj de la laŭceleco tiom impresis al la sciencistoj, ke ili ekdubis pri la kompetenteco de König kaj denove komencis kalkuli. Ĉefe la skota sciencisto *Mac Laurin* faris precizan kontrolon de la kalkulo de *König;* samtempe kun li *Réaumur* mem solvis la problemon. Sed ambaŭ ne trovis novan rezulton kaj ili devis vole — nevole konsenti kun *König*, kvankam ili ne komprenis, kial en la konstruo de la abelĉelo, kiu prezentiĝas kvazaŭ modelo de perfekta ekspluato de l' spaco, povas esti malkorektaĵo.

Tamen neantaŭvidite montriĝis la vero. Terrompiĝis ŝipo, kies estro kaj anaro estis savitaj. Kiam la maroficejo esploris la kaŭzojn de la vojeraro, montriĝis, ke la logaritma tabelo, per kiu tiu ŝipestro kalkulis la ŝipovojon, enhavis malkorektaĵon, pro kiu la ŝipo estis veninta for de la ŝipvojo al rifo. Kaj tiu erara logaritma tabelo estis la sama, kiun uzis la majstroj de la matematiko provante solvi la problemon de *Réaumur*. Oni kalkulis denove, kaj jen! — la majstreco de la abelo, ke ĝi ĉe l' konstruado de la ĉelaroj uzas minimuman materialon, nekontraŭdireble evidentiĝis. La diferenco de du minutoj inter la anguloj kalkulitaj de la sciencistoj kaj tiuj konstruitaj de l' abelo malaperis. La anguloj de la abelĉelaroj estis korektaj, kaj tiamaniere la malgranda insekto venkis la plej kompetentajn matematikistojn de la tiama tempo.

---

## Pri maizo.

Maizo havas pli ol 300 kulturataĵn subspecojn, sed oni ne konas ĝian sovaĝan pratipon. Oni ne aŭdis en Eŭropo pri maizo antaŭ ol Ameriko ekestis vizitata en la XVª jarcento. Tial *Humboldt* kaj *Decandolle* opiniis, ke ĝi originas el Ameriko, kie ĝi ekzistis pratempe. Maizo vivas nur unujare, kaj atingas laŭ la specoj alton de 1 ĝis 3 metroj meznombre. Tamen ekzistas la nanoj je 0,6 kaj eguloj je 9 metroj inter la maizospecoj. Suba tabelo montras kvanton da maizo ĉiujare produktata en ĉefaj landoj de la mondo; la ciferoj signifas kvintalojn kaj rilatas al periodo 1922—24.

| | | |
|---|---|---|
| Usono . . . . . | 750000000 | 18 |
| Brazilo . . . . . . | 46500000 | 9 |
| Argentino . . . . . | 46000000 | 12 |
| Rumanio . . . . . | 37000000 | 8 |
| Hindio . . . . . . | 23000000 | 10 |
| Sudslavio . . . . . | 22700000 | 11 |
| Italio . . . . . . | 22000000 | 13 |
| Egipto . . . . . . | 17600000 | 19 |
| Meksiko . . . . . | 17400000 | 10 |
| Puslando . . . . . | 14000000 | 9 |
| Sudafriko . . . . . | 13000000 | 8 |
| Javo . . . . . . | 12800000 | 7 |
| Hungario . . . . . | 11400000 | 12 |
| Hispanio . . . . . | 6700000 | 14 |
| Bulgario . . . . . | 5000000 | 7 |
| Filipinoj . . . . . | 3700000 | 6 |

Ciferoj de la dua kolono montras kvanton da maizo (en kvintaloj) rikoltata de unu hektaro. Dua tabelo donas ciferojn de ĉiujara enportado de maizo, ankaŭ en kvintaloj, meznombre por periodo 1920—23.

| | |
|---|---|
| Granda Britinsularo . . . . | 18000000 |
| Germanio . . . . . . | 10700000 |
| Nederlando . . . . . . | 8600000 |
| Franclando . . . . . . | 5000000 |
| Italio . . . . . . | 4700000 |
| Belgio . . . . . . | 4300000 |

| | |
|---|---|
| Danlando | 4100000 |
| Kanado | 3000000 |
| Svislando | 1300000 |
| Norvegio | 900000 |
| Ĉeĥoslovakio | 800000 |
| Aŭstrio | 800000 |
| Svedio | 600000 |
| Aŭstralio | 400000 |

Tria tabelo montras landojn kiuj elportas la maizon; la ciferoj signifas mezan ĉiujaran kvintalkvanton, por periodo 1920—23.

| | |
|---|---|
| Argentino | 30000000 |
| Usono | 24000000 |
| Rumanio | 5000000 |
| Sudafriko | 4000000 |

La supraj ciferoj tre varias ĉiujare, ĉar maizo estas kapriĉa planto kiun influas ĉiuj ŝanĝoj de temperaturo, aersekeco kaj sunlumo. Nur tre malgranda parto da maizo servas por homa nutrado (precipe en apudmezmaraj orientaj landoj), ĉefe ĝi nutras porkojn, ĉevalojn, mulojn, birdojn; ĝi servas ankaŭ por fabrikado de amelo, glukozo, brando kaj malto. Juna maizo herbosimila uziĝas kiel fojno por brutaro. El junaj ĝermotrunkoj ĝiaj oni eltiras ĥemiaĵon kiu havigas delikatan parfumon. La maljunaj sekaj trunkoj povas servi por hejtado ktp.

* * *

## Arbaraj eksperimentoj en Belgio.

Kun sia densa loĝantaro kaj vasta terspaco okupita de la industria ekspluato — Belgio havas ne sufiĉe grandajn arbarojn, tamen necesajn por la popola ekonomio kaj higieno. Por konservi kaj eĉ pliigi la ekzistajn arbarojn la Belga Ministrejo de Agrikulturo entreprenis tute laŭdindajn provojn, laŭ la ekzemplo de aliaj regnolandoj, kiuj jam delonge penas prizorgi siajn arbotrezorojn. La tuta laboro jam farita povas resumiĝi jene. Oni elprovis diversajn arbosemojn por trovi plej taŭgajn por la enlanda semplantado de arboj. Oni vendis al la publiko semojn kaj junplantojn de plej bezonataj arbospecoj; ankaŭ oni provis alklimatigi fremdajn specojn de arboj, kiaj estas ekzemple mara pino, nigra pino, piceo, lariko, kanada poplo, amerika ruĝa kverko, robinio, nomata ankaŭ pseŭdakacio, kaŝtanarbo, kiuj ĉiuj tute sukcesas sur la belga tero. En 24 provarbaroj oni provas nun pli malofta jn fremdajn specojn: serotina prunarbo, larikpino, pseŭdocugo duglasia ktp. Terpecoj netaŭgaj por agrikulturo kaj industrio estas arboplantataj post ilia preparo por tiu celo. La arbaroj mem estas prizorgataj, purigataj kaj liberigataj de la parazitoj, malutilaj fungoj ktp.

* * *

## Estonta kulturo de kotono en Franca Afriko.

Estas notindaj plej lastaj sukcesoj de kotona kulturado en la francaj Senegalo, Sudanio, Togo, kie la kondiĉoj tute permesas ĝin. Ĝis nun Usono estis ĉefa produktoloko, de kiu dependis kotona industrio en Francland o. Nun oni preparas estontan liberigon de la usona kotonhegomonio. Kotonujo estis jam delonge kulturata de negroj mem, kiuj faris al si la vestaĵojn de ilia primitiva kotona fabrikado. Nun la kolonia estraro penas disvolvigi tiun branĉon tre gravan por la ekonomia vivo. Unue oni opiniis, ke la afrika kotono ne havas necesan kvaliton por taŭgi en la manufaktura fabrikado. Tamen lastaj provoj vidigis, ke ekzemple Dahomeja kotono, prilaborita en Belfort, havigis tre fortan, longan fadenaĵon, plibonan laŭkvalite ol la Usona. Suba tabeleto montras progreson de la kotonkulturo (kvanto en toneloj).

| | Sudanio | Senegalo | Togo |
|---|---|---|---|
| 1919 | 0 | 23 | 581 |
| 1920 | 15 | 24 | 354 |
| 1921 | 21 | 61 | 719 |
| 1922 | 31 | 95 | 679 |
| 1923 | 140 | 304 | 766 |

## La ĉielo en majo kaj junio.

*Merkuro* nevidebla sen teleskopo pro la sunproksimo en norda globduono, sed videbla en tropikoj kaj en suda globduono ĉirkaŭ 16a de majo. *Venuso* nevidebla en majo, komencos en junio brili vespere en Dunaskitoj. *Marso* en la sama stelgrupo ĉiam malgrandiĝas, malaperas en vespera krepusko, en junio ĝi ne estos plu videbla, 25. V. ĝi proksimos lunon al 3°,5 je la 23 h. *Jupitro* bone videbla post noktomezo. 9. VI. ĝi proksimos lunon al 1°,3 je la 8 h. m., observebla dulorne. Maksimuma diametro 16. V. *Saturno* en Pesilo estos bone videbla ambaŭmonate, 4. VI. ĝi proksimos lunon al 3° je la 9 h. m. *Urano* en Fiŝoj estos videbla junie post noktomezo, observebla en teatra dulorno. *Neptuno* videbla nur per lorno en Leono, malaperos je fino de junio en vespera krepusko. *Luno* plena 6. VI. 23 h., luno nova 21. VI. 7 h, ĝi kovros 13. VI. steleton Psi en Akvoverŝanto je la 1 h. 45 m. nokte. *Somera sunhalto* (dum plej longa tago por norda globduono) okazos 21. VI. je la 23 h. 50 m.

## Mozaiko.

**Artemizo eŭropa**, nomata science *Artemisia vulgaris*, estas tre komuna unujara herbaco el familio de Kompozitoj, kun ne tute agrabla aromo, amara, alta de 50 ĝis 120 cm. Ĝi estas parenca al absinto, kreskas en nekulturaj lokoj, apud balaaĵoj, malnovaj domoj, vojoj. Medicinaj ecoj de tiu herbo venas el amara substanco kiu entenas cineolon kaj alian maldolĉan principon. Kuraca kvalito de artemizo estas konata de pratempo kaj la simpla popolo ĝin uzas ĉiulande, kontraŭ intestaj vermoj, histerio, anemio, amenoreo. Estas uzataj la floroj, folioj kaj radikoj, antaŭe sekigitaj. Brutaro manĝas ĝin nur mikse kun aliaj, dolĉaj herboj. En farmacio oni ĝin uzas en formo pulvora, aldonate al aliaj substancoj.

**Junipero ordinara**, latine *Juniperus communis*, estas arbusto el familio de Pinglaj (Koniferaj) konata en nordaj, montaj, ŝtonplenaj landoj. En Mezmara regiono kaj Kaŭkazo ĝi atingas alton je 6—8 metroj, kaj aspektas arbo kun firma trunko, kies ligno utilas por diversaj uzoj. Sed pleje estas konataj ĝiaj fruktetoj, nomataj „beroj", blunigraj kiam ili plene maturiĝis. La beroj havas miksitan guston: dolĉamaran, iom bruligan, kaj aromon. Ili entenas: sukeron, juniperinon (glukozon), eteran oleon, rezinon, acetan acidon, kc. Oni rikoltas berojn en komenco de vintro. Ili servas kiel spico por homaj manĝaĵoj, kiel nutraĵo por korto-birdoj, ankaŭ por fari vinon, brandon, likvoron, kaj fine por medicino. En anglaj landoj oni tre uzas juniperan brandon nomatan „ĝin", „siedam" en Nederlando, „mojuĥa" en Ruslando. Laponoj trinkas „teon" faritan el juniperberoj, kiuj en popolo estas rigardataj kiel ŝvitigaj, urinigaj, kontraŭluesaj. Slavoj konas abortigan econ de sabina junipero, kaj tial nomas ĝin „jalovec" (steriligulo). La franca nomo „genévrier" eble ankaŭ signifas „genovor"- (virinmanĝa).

**Glanoj de kverko** estas same diversaj kiel kverkoj mem. Krom amaraj glanoj ekzistas ankaŭ la dolĉaj, kiujn pratempe manĝis niaj prapatroj, t. n. „balanofagoj". Dum la milito, parto de serba armeo sin savis de malsata morto, en Albanio, per glanoj de fago kaj kverko. En francaj landoj dum malsataj jaroj 1709, 1770, 1790—1814, la kamparanoj sin nutris per la dolĉaj glanoj, kiuj enhavas pli ol 30% da amelo, tial ilin oni farunigas por baki panon. Nuntempe landidoj hispanaj, portugalaj, alĝeriaj, korsaj, albanaj, grekaj, skotaj, norvegaj, k. a. manĝas la glanojn kuiritajn aŭ rostitajn, kiel la kaŝtanojn. La amaraj glanoj servas por grasigi porkojn kaj nutri korto-birdojn, kiuj ilin ricevas en pistita formo. En Ruslando oni faras bonan kafon el amaraj glanoj, forte rostitaj tiucele, poste muelitaj. Boligante la amarajn glanojn dum longa tempo, oni forprenas iom ilian maldolĉecon, kaj tiel ili povas servi ankaŭ por homa nutrado.

**Fizalo** estas kurioza vegetaĵo el familio de Solanacoj, do parenca al tomato, dolĉamaro, terpomo. Ĝi kreskas apud arbaroj, en nedensaj arbaretoj, sur montaj deklivoj herboriĉaj, kaj estas tre konata pro siaj flavruĝaj beroj kaŝitaj en belaj flavruĝaj saketoj pendantaj kiel Veneziaj paper-lanternoj. Popolo opinias ilin venenaj, pro la neordinara aspekto, tamen ili prezentas agrablan kaj saman deserton kun gusto miksita: dolĉa, acideta, iom amareta.

**Utiligo de bananoj.** Kiam oni starigas industrian prilaboradon de bananoj sur loko mem de la kreskado, oni povas el ili tiri jenajn produktojn: banana faruno, banana malto, bananaj esenco, vino, konfitaĵo, kakao, ĉokolado, likvoro, banana amelo, banana sukero, sekaj bananoj, banana marmelado, banana ŝelo (por nutri brutojn). Verda banano entenas 80% da amelo, 3% da sukero. Matura banano male entenas 70% da sukero, 2% da amelo. Do, la banana faruno tiriĝas el la nematuraj (verdaj) bananoj.

**Arbotrezoro en Kaŭkazo.** Grandaj kaj ofte pratempaj virgaj arbaroj kovras en Kaŭkazo spacon de pli ol sep milionoj da hektaroj, kaj enhavas pli ol tricent diversaj specoj de arboj. La ĉefaj inter ili estas: karpeno, fago, kverko, pino, piceo, frakseno, acero, ulmo, blanka poplo, merizujo, pirujo, alno, abio, betulo, robinio, tremolo, junipero. Kaŭkaza abio kaj piceo atingas 43 m de alto kaj 1 m de larĝo (3½ m ĉirkaŭo). Ekzistas ses specoj de pino, kiuj en aĝo 150-200 jaroj havas alton de 32—36 m. Arboida junipero havas firman densan lignon, ruĝetan, neatakatan de l' larvoj, tre bonan por krajonoj. Fago donas materialon taŭgan por mebloj, manteniloj, lignoŝuoj, plankoj. Kverko ekzistas en ok specoj, el kiuj la speco kaŝtanfolia estas plej granda: ĝis 30 m alta kaj 2 m larĝa (6,3 m ĉirkaŭo). Acero estas reprezentita en naŭ specoj, el kiuj la pseŭdoplatano plej taŭgas por luksa meblofarado, por instrumentaj kestoj, mezuriloj, buloj, ludiloj ktp.

**Pliriĉigo de fiŝkulturo per arta sterkado.** Antaŭ la milito oni komencis fari provojn pligrandigi la fiŝproduktadon de stagnoj (profundaj lagetoj per digo kreitaj) uzante sterkon, industriajn elĵetaĵojn, mastruman koton ktp. Tiuj substancoj enhavas azoton, fosforon, kalion. La fiŝoj ne utiligas senpere tiujn substancojn, sed ilin unue profitigas bakterioj, kiuj ilin transformas en albumenon. Poste tiu albumeno nutras miriadojn da etaj mikroboj, infuzorioj, vermoj, insektoj, algoj kaj pligrandaj bestetoj, herboj, kiuj siavice servas kiel manĝaĵoj por la fiŝoj. Tamen oni ne povas atingi ĉiam bonan rezulton, se oni simple ĵetus la sterkon aŭ ion similan en la stagnon. Sen sperta fakulo povas rezulti perdo da peno, aŭ eĉ malutilo por la fiŝoj. Estas jam pruvite, ke la racia sterkado de fiŝostagnoj donas profitan pliigon de nombro kaj de pezo de la fiŝoj; sed ankoraŭ ne ekzistas konsultaj libroj, uzotaj de ĉiuj mastrumantoj. Aliflanke oni jam delonge rimarkis ke fiŝoj abundas en proksimeco de sterkejoj, buĉejoj, sukerfabrikoj, bovinfermaoj kaj similaj lokoj.

**Crypturus noctivagus** estas scienca nomo de kurioza birdo en Ĉilo. Ĝi ne havas voston, nek kreston, kaj donas bluajn ovojn. La landidoj ĝin nomas „jao" kaj ofte edukas ĝin kune kun ordinaraj kokinoj. Oni penas ĝin domestigi ankaŭ en Rio Grande do Sul de Brazilo.

**Fromaĝo Emmenthal en skatoloj.** Tiu relative nova procedo liveri Emmenthal-fromaĝon al publiko estas favore akceptata. La malmola fromaĝo unue estas raspata per speciala ilo, poste varmetigata. La fromaĝa pasto baldaŭ moliĝas, fluidiĝas, kaj oni ĝin verŝas en saketojn de staniola papero, kiuj estas fermataj per maŝino. Post malvarmiĝo ili estas enmetataj en kartonskatoletoj.

**Kaĉkaval** estas fromaĝo tre konata en Besarabio, Bulgario, Rumanio, Jugoslavio kaj eĉ en suda Ruslando. Ĝi prepariĝas el ŝafina lakto kaj apartenas al malmolaj grasaj fromaĝoj; ĝia koloro estas flava kaj formo diska. Meznombre ĝi enhavas 29% da azotaĵoj, 28% da graso, 30% da akvo.

**Sema vivdaŭro.** En Dana regna stacio oni esploris kiom da tempo la grensemoj konservas sian ĝerman povon. La rezultoj estas sube donitaj en ciferoj, kiuj montras procentan kvanton da ankoraŭ ĝermopovaj semoj inter la ĉiuj, kiuj restis konservataj dum pluraj jaroj.

| | *Aveno* | *Lino* | *Karoto* | *Tritiko* | *Hordeo* | *Sekalo* |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1-a jaro | 84 | 72 | 77 | 92 | 100 | 93 |
| 2-a jaro | 71 | 69 | 69 | 95 | 100 | 88 |
| 3-a jaro | 81 | 68 | 65 | 87 | 97 | 65 |
| 4-a jaro | 75 | 50 | 53 | 88 | 90 | 20 |
| 5-a jaro | 59 | 38 | 39 | 74 | 42 | 3 |
| 6-a jaro | 58 | 31 | 21 | 78 | 5 | 0 |
| 7-a jaro | 56 | 13 | 14 | 24 | 0 | — |
| 8-a jaro | 54 | 12 | 6 | 3 | — | — |
| 9-a jaro | 47 | 5 | 0 | 0 | — | — |
| 10-a jaro | 32 | 6 | — | — | — | — |
| 11-a jaro | 2 | 1 | — | — | — | — |
| 12-a jaro | 0 | 0 | — | — | — | — |

**Tempo de kamposemado.** De 1917 ĝis 1922 norvegaj agronomoj eksperimentis sur 26 diversaj kampoj, por trovi plej bonan tempon de semado de grenoj. El tiu eksperimentado sekvis konkludo ke neniel oni povas fiksi absolute la semadotempon. Se fruaj semadoj havigis pli da grajno, la malfruaj donis pli da pajlo. Plej malfruaj semadoj, inter 25 majo kaj 4 junio, tamen malbone prosperis. Meztempaj semadoj plejbone kontraŭstaris fiherbojn. Fruaj semadoj montriĝis pli profitaj sur malpezaj terenoj. Kvalito de la grajnoj estis preskaŭ egala en semaĵoj faritaj komence kaj fine de majo, sed ĝi estis malpli bona en semaĵoj de 4 junio. Danĝero de la fleksofalo kaj de la parazitoj ekzistas precipe por malfruaj semaĵoj, pro la pli alta pajlo kaj pliofta pluvado dum la junperiodo de la grenoj.

**Rolo de gravio ĉe kokino.** S-ro *Kaupp* en N.-Carolina USA esploris digeston de kokinoj kiuj, kiel oni ja scias, ĉiam englutas gravion t. e. granderan sablon por faciligi laboron de sia stomako. La afero iras jene. Englutitaj semoj unue malsekiĝas en la kropo; poste ili transiras la ventrikolon kie agas acidaj sukoj, fine ili atingas la stomakon, kies muretoj kuntiriĝas, miksigas erojn de la nutraĵo kun la gravieroj, ilin rondirigas por transformi ĉion en specon de kaĉo. Kvanto de la gravio englutita varias inter 5 kaj 15 gr. La esploro montris, ke la gravio povas resti en la stomako eĉ unu jaron, se la kokino ĝin ne renovigas dum ĉiutaga glutado.

**Ĥemia sterko** okupas atentindan lokon en la monda produktado. Suba tabeleto montras ĝian konsumon en kilogramoj:

| | fosfato | azoto | kalio |
|---|---|---|---|
| 1913: | 15.695.543.400 | 3.994.291.500 | 1.689.333.000 |
| 1922: | 11.851.361.800 | 4.008.758.500 | 1.925.556.200 |

La malpliiĝo de la fosfata sterkaĵo havas sian kaŭzon en la monda milito kiu ĝian fabrikadon malhelpis.

**Islama mondo.** *„Annuaire du Monde Musulman 1923"* donas sur 350 paĝoj koncizajn informojn pri la mahometanaj landoj. El ĝi ni ĉerpas jenajn sciigojn.

Proksimuma nombro de islamanoj estis en la 1923:

| | |
|---|---|
| Azio . . . . . | 171 936 000 |
| Centra Afriko . . | 37 390 000 |
| Norda Afriko . . | 11 000 000 |
| Arabio . . . . | 3 394 000 |
| Balkano . . . . | 3 200 000 |
| Amerikoj . . . | 140 000 |
| Okcidenta Eŭropo | 40 000 |
| Oceanio . . . . | 7 500 |
| entute | 227 107 500 islamanoj, |

tio estas okono de la homaro.

* * *

## Lagoj de Svislando.

| | | | km. kv. | m. profunda |
|---|---|---|---|---|
| Ĝeneva | lago | (Léman) | 581 | 310 |
| Konstanca | „ | (Bodensee) | 542 | 252 |
| Novkastela | „ | (Lac de Neuchâtel) | 217 | 154 |
| Majora | „ | (Lago Maggiore) | 212 | 372 |
| Kvarkantona | „ | (Vierwaldstättersee) | 114 | 214 |
| Zurika | „ | (Zürichsee) | 88 | 143 |
| Lugana | „ | (Lago di Lugano) | 49 | 288 |
| Thuna | „ | (Thunersee) | 48 | 218 |
| Biena | „ | (Bielersee) | 39 | 75 |
| Zuga | „ | (Zugersee) | 38 | 198 |
| Brienza | „ | (Brienzersee) | 29 | 259 |
| Valena | „ | (Wallensee) | 24 | 151 |
| Morata | „ | (Murtensee) | 23 | 46 |
| Sempaĥa | „ | (Sempachersee) | 14 | 87 |
| Halvila | „ | (Hallwilersee) | 10 | 48 |
| Juc-Breneta | „ | (Joux et Brenets) | 10 | 34 |
| Greifa | „ | (Greifensee) | 9 | 34 |
| Sarna | „ | (Sarnersee) | 8 | 52 |
| Egeria | „ | (Aegerisee) | 7 | 83 |
| Baldega | „ | (Baldeggersee) | 5 | 66 |
| Silsa | „ | (Silsersee) | 4 | 71 |
| Vohla | „ | (Wohlensee) | 4 | 19 |

# LITERATURO KAJ ARTO

## El „La Ĝardenisto“

de Rabindranath Tagore.

### La kvindeknaŭa poemo.

Ho virino, vi estas la kreaĵo ne sole de Dio, sed ankaŭ de l' homoj; tiuj ĉi dotas vin ĉiam je beleco el siaj koroj.

Poetoj teksas por vi teksaĵon kun fadenoj de ora imagaĵo; pentristoj donas al via formo ĉiam novan senmortecon.

La maro donas siajn perlojn, la minoj sian oron, la somerĝardenoj siajn florojn por ornami vin, por kovri vin, por fari vin pli valora.

La sopiro de viro-koroj dissŝutas sian brilon super vian junecon.

Vi estas duone virino kaj duone revaĵo.

* * *

### La trideksesa poemo.

Li flustris: „Mia amata, levu viajn okulojn.“ Mi akre riproĉis lin kaj diris: „Iru!“, sed li ne moviĝis.

Li staris antaŭ mi kaj tenis miajn ambaŭ manojn. Mi diris: „Lasu min!“ sed li ne foriris.

Li alproksimiĝis sian vizaĝon al mia orelo. Mi rigardis al li kaj diris: „Kia honto!“ sed li ne moviĝis.

Liaj lipoj tuŝis mian vangon. Mi tremis kaj diris: „Vi riskas tro multe“ sed li ne havis honton.

Li metis floron en mian hararon. Mi diris: „Estas senutile!“ sed li staris nemovata.

Li prenis la girlandon de mia nuko kaj foriris. Mi ploras kaj demandas mian koron: „Kial li ne revenas?“

* * *

### La naŭa poemo.

Kiam mi iras sola nokte al mia am-rendevuo, birdoj ne kantas, la vento ne moviĝas, la domoj je ambaŭ flankoj de l' strato staras silentaj.

Nur miaj propraj piedagrafoj laŭtiĝas per ĉiu paŝo kaj mi hontas.

Kiam mi sidas sur mia balkono kaj aŭskultas al liaj paŝoj, folioj ne bruetas sur la arboj, kaj la akvo estas silenta en la rivero kiel la glavo sur la genuoj de gardisto dormiĝinta.

Nur mia propra koro batas sovaĝe — mi ne scias, kiel mi kvietigu ĝin.

Kiam mia amato venas kaj sidas ĉe mia flanko, kiam mia korpo tremas kaj miaj palpebroj laciĝas, la nokto mallumiĝas, la vento blovestingas la lampon kaj la nuboj tiras vualojn super la stelojn.

Nur la juvelo sur mia propra brusto brilas kaj donas lumon. Mi ne scias, kiel mi kaŝu ĝin.

* * *

### La kvardekoka poemo.

Liberigu min el la katenoj de via dolĉeco, mia amata! Neniom plu da tiu ĉi vino de kisoj!

Tiu ĉi nebulo de peza incenso sufokas mian koron.

Malfermu la pordojn, faru spacon por la matenlumo.

Mi perdiĝis en vi, kaptiĝis en la volvoj de viaj karesoj.

Liberigu min de viaj sorĉoj kaj redonu al mi la kuraĝon prezenti al vi mian koron liberigitan!

### La sepdekoka poemo.

Estis en Majo. La sufoka tagmezo ŝajnis senfine longa. La malseka tero fendiĝis pro soifo en la varmego.

Tiam mi aŭdis de la river-flanko voĉon vokanta: „Venu mia karulo!“

Mi fermis mian libron kaj malfermis la fenestron por elrigardi.

Mi vidis grandan bubalon kun ŝlimmakulita felo staranta apud la rivero kun kvietaj, paciencaj okuloj: kaj knabon, ĝis la genuoj en la akvo, vokantá ĝin al bano.

Mi ridetis amuzita kaj sentis tuŝon de dolĉo en mia koro.

* * *

### La kvardeka poemo.

Nekreda rideto rapidas sur viaj okuloj, kiam mi venas al vi por adiaŭi.

Mi faris tion tiel ofte, ke vi pensas, ke mi baldaŭ revenos.

Por diri al vi la veron: mi sentas la saman dubon en mia animo.

Ĉar la printempo-tagoj revenas post certa tempo; la plenlumo adiaŭas kaj revenas por nova vizito, la floroj revenas kaj ruĝiĝas sur siaj branĉoj ĉiujare, kaj estas verŝajne ke mi adiaŭas nur por reveni al vi.

Sed tenu la iluzion iom da tempo: ne forsendu ĝin kun neafabla rapidemo.

Kiam mi diras, ke mi forlasas vin por ĉiam, akceptu tion kiel vera kaj lasu nebulon de larmoj por unu momento pliprofundigi la malhelan rondon de viaj okuloj.

Tiam ridetu tiel petole kiel kutime, kiam mi revenas.

Trad. D-ro *Lippmann*.

## Niaj proverboj.

*Pundion ne evitos la kulpinto eĉ en subtera labirinto.*
*Dio amas justulon, mono ŝatas kalkulon.*
*Dronas barko — ĝojas ŝarko.*
*Dronis ŝipeto en maro, ne trovos ĝin tuta ŝiparo.*
*El marĉa koto kreskas blua miozoto.*
*En kuirejo kaporalo — en buljono tro da salo.*
*Studo gama por ludo fama.*
*Gardu la honoron pli ol la oron.*
*Gardisto rigardas dum ŝtelisto hazardas.*
*Gastama mastro ne avaras je piastro.*
*Ĵurnalo tiom mensogas, kiom ĝin la legantoj apogas.*

## Nur revo . . .

Georgo Deŝkin.

*Nur pri tio mi revis sen fino,*
*Ke ni iru la mano ĉe l' man',*
*Ke vi estu ja mia edzino*
*Kaj patrino de mia infan' . . .*

*Sed bedaŭre mi scias: nur revo,*
*Dolĉa restos, nur rev' tio ĉi,*
*Ĉar edzina alforĝis vin devo*
*Al alia . . . ho ve, ne al mi . . .*

# Tagiĝas . . .

Kiel sangsuĉa monstro en lukso parazita,
se prude grakas kun grimaco
al mizerul' pri justa graco,
tiel centdenta buŝo de mondo hipokrita
proklamojn vomas kun minaco
pri benoj de l' armita paco.

Kiu vin fidus, strutostomaka malsatanto,
nutranta vin per homa sango,
se jam grasiĝas via vango?!
Kiun vi ravus, araneventra, per packanto,
promes' foira, falsaj pentoj,
se sentas ni, ke mordas dentoj?!

Sciu, neniun ĉenos la aĉa mistifiko,
se gorĝon premas mano kruda,
se ungojn sentas karno nuda!
Sciu, ke ĉiun vekos el pesta narkotiko
la vort' predika sen bonfaro,
se vidos putron de l' homaro!

Baldaŭ tagiĝos! Homoj vekiĝos el pasio
kaj ĉesos hurle mortodanci,
per leĝoj rancaj fraton lanci.
Baldaŭ tagiĝos! Nin superombros la konscio
retinon tranĉi de l' okuloj,
cindrigi ĝin en sanktaj bruloj.

Vokas jam al batalo la pacaj trumpetsonoj.
Pro ĝojo vibras koroj homaj,
ĉar flirtas flustroj freŝaromaj.
Treme balancas sin la miljaraj bastionoj.
Ratidoj de kloakaj fundoj
stertoras pro mortvokaj vundoj.

Venas la tempo! Jam proksimiĝas la aŭroro!
Karesas fruntojn freŝa vento,
nin flatas kis' de l' firmamento.
Venas la tempo! Falos idoloj de la oro!
Altaron levas homgenio
sur ruboj por la harmonio.

Kredu, esperu homo! La regno de l' mallumo,
perdinte tronon, falos polvon.
La morgaŭ portos benan solvon.
Kredu, esperu homo! Radioj de la suno
fruktigos teron, la fekundan:
rikolton havos ni abundan.

Vi, sibaritoj, aĉaj homvermoj, tremu . . . tremu!
Finita estos komedio
pro venko justa de l' konscio.
Vi, parazitoj, grasaj hirudoj, tremu . . . tremu!
La masko pu'ros en la koto
kaj vanos ruzo de l' komploto.

Venu, homfrato! Sekvu min! Ni ektranĉu vojon
en pramalklero de la mondo
al pacportanta lumoondo!
Venu, homfrato! Sekvu min fide en ĝojon!
Agordu bruston por aklamo,
ĉar venas regno de la amo!

*Julio Baghy.*

# *Pri „Ginevra“*

Triakta dramo de Edmond Privat.
Studo de Camille Aymonier.

Antaŭ ol paroli pri la dramo de S-ro Privat eble interese estus memorigi la karakteron de la epoko, kiam naskiĝis kaj floris la legendo de *Ginevra*. Ĝi apartenas al la pli ĝenerala legendo brita de la romanoj de la Ronda Tablo, *Table Ronde*, kiuj tiel diferenciĝas je la *Chansons de geste* per la amo kiu estas ilia ĉefa objekto, per la kulto al la virino, kies amo estas la principo kaj rekompenco de heroaĵoj mirindaj, kaj perfektigas ĉe la kavaliro la honorviron. Pli bone konante tiujn malnovajn legendojn, oni estos pli preparita bone kompreni kaj gustumi la verkon de S-ro Privat.

La ĉefa persono de la romanoj de la Ronda Tablo estas la reĝo *Arturo*, edzo de Ginevra, reĝo nacia de la Britoj, reĝo amegata de sia popolo, kiu longe luktis kontraŭ la saksa invado, longe venkis kaj fine estas venkita, mortigita. Sed la popolo kredas, ke li ĉiam vivas, ke li iam revenos. Li fondis en la urbo *Caerleon* la ordenon de la Kavaliroj de la Ronda Tablo. Ĉirkaŭ la tablo eksidas la sentimaj kavaliroj, venĝantoj de la vidvino kaj de la orfo, defendantoj de la justeco, herooj mistikaj kaj samtempe galantaj.

*Lancelot* el ĉiuj kavaliroj estas la plej brava. Li estis amiko sincera de la reĝo, tamen aminte la reĝinon li trompis sian amikon kaj tamen ankaŭ, ĉar li montriĝis fidelega al tia amo, li estas admirita de ĉiuj.

Vi prezentas al vi facile la pentraĵon: kastelon, ĝardenon, la reĝinon sidantan apud teraso, dolĉajn kantojn kun citro, sunon baldaŭ subiĝontan, lastan horon de la tago plej emociigantan. La reĝo Arturo envenas kaj anoncas al la reĝino, ke gravaj devoj vokas lin aliloken, ke la kavaliro Lancelot anstataŭos lin por ŝin distri, kaj facile distros, ĉar li posedas la talenton de la parolo plezuriga al koro, al oreloj, de la belsonaj frazoj, de la sprita ŝerco. La reĝo nescias agrable paroli kun virinoj. Ginevra penas por reteni lin, ameme plendas, ke ŝi ne povas partopreni lian zorgon, ke li ne konsiliĝas kun ŝi pri la bezonoj de la popolo, ke ne permesite estas al ŝi feliĉigi la hejmon de mizeraj landanoj. Rimarku tuj per kiaj delikataj trajtoj la aŭtoro modernigis la legendan figuron. Ginevra ne volas esti reĝino nur ĉarmanta, plezuriganta, amata, karesata, kaj nenionfaranta; ŝi volus esti la vera asociintino de la reĝo, partopreni liajn devojn. Ŝia animo estas kompatema, sin klinas simpatiege al la suferoj de la popolo, plendas la mizeron de la kamparanoj, kies rikoltojn detruas senĉesa militado. Ŝia animo estas pacamanta, indignas kontraŭ la kruelaĵoj de la milito. Aŭskultu tiujn noblajn sentojn kaj ankaŭ gustumu la elegantan facilecon kaj energion de la versoj:

Virina penso vidas la suferon
En hejmoj kaj en vivo ĉiutaga.
Ŝi pensas pri l' patrino, kies filo
Per longa amo jar' post jar' flegita,
Nun riskas ĉiam esti mortfrapita,
Pri l' kamparano, kies ora maro
De belaj spikoj ame kulturitaj
Post plugo kaj semado sur la kampo,
Subite sub ĉevaloj galopantaj
Falĉiĝos en ruinon, kie poste
Li devos kun la korvoj bataladi
Por preni tere kelkajn greneretojn,
Dum ruĝe flamos la vesperĉielo.
Ho, kial devas tiel multaj homoj
Senĉese turmentiĝi pro eterna
Pretiĝo por milito ĉiam ebla?
Ho, kial reĝoj ne klopodas fari
Ke paco estu firme certigita?
Kaj kial vi, Arturo, ne postulas
Ke viaj nobeluloj pli respektu
Almenaŭ dum pactempo la grenkampojn
De tiuj, kiuj faras ĉies panon?

La reĝo staras tro malproksime de ŝi.

Feliĉon la plej fortan konstruadas
En longa sinsekvado tra la vivo
Komunaj ploroj kaj ridetoj.

Ŝajnas, ke la reĝino riproĉas al la reĝo tro lasi ŝian koron malfermita al la tentado, ne okupante ŝian spiriton aŭ ne plenumante ŝian koron per zorgoj de bonfaremo; ŝi sentas sin minacata de l' amo kulpa, ŝi ne povas fari tian konfeson, ŝi volus, ke la reĝo povu diveni; kaj se li ne komprenas, ĉu li mem ne preparas senkulpigon al ŝia ampeko, se ŝi pekus?

La reĝo foriris, Lancelot kaj Ginevra staras unu antaŭ la alia solaj; ne solaj, ĉar sur la muro de l' teraso rampas la nevo de la reĝo, Modredo, spionante ĉirkaŭe.

Per kia akre ŝerca spriteco Lancelot mokas, ridindigas, senhonorigas kaj fine detaligas sub la okuloj de la reĝino la rampantan nobelulon, la naŭzigan limakaĉon, kiu komercas pri kulpoj kaj sekretoj de l' ceteraj! Per demandoj rapide sinsekvantaj, ne lasante al la perfidulo tempon por respondi, Lancelot ironie demandas, kion li faras sur tia suprajo, ĉu eble li admiras la pejzaĝon, ĉu li profitas la sunan varmon, ĉu li faras desegnajon, verkas poezion, alte sidas por alte pensi, ktp., ĝis kiam kaptante lin li ĵetas lin ventron al tero kaj premas per meritataj epitetoj. Oni rememoras la spritan, bravan, senĝenan sintenadon kaj mokadon de Cyrano de Bergerac en la komedio de E. Rostand.

La perfidulo siavice foriris, ĵurante kompreneble, ke li venĝos sin.

Fine la amantoj, disiĝitaj de post longa tempo, havas eblon interparoli. Jen dueto ama de poezio plej delikata, sentplena, kaj precipe plej lerte disvolvita, laŭ la psiĥologia vidpunkto. Mi montros, apartigante la diversajn momentojn eĉ kun troa insisto, por pli bone montri la naturan, fleksceblan evoluadon de la dialogo.

Unue, tuj, post longa forestado unu for de la alia, ili bezonas ricevi ambaŭ novajn certigojn, ke ilia amo persistas senŝanceliĝe. Lancelot obeis al ŝia ordono, li sin detenis for de ŝi, eble ŝi lin jam forgesis. Kruela Lancelot, kiu tro bone scias ke:

Nek vento nek ondego, nek forgeso
Sukcesus iam ŝiri tiun amon
El ŝia koro,

ke ŝi ankaŭ suferis kaj pli suferis.

Sed la skrupuloj sieĝas ŝian konsciencon. Ginevra pri tio ankaŭ estas pli moderna. Ni vidos ŝin penantan por ekskuzi sian amon, por pruvi al si, ke ŝi rajtas senkulpigon, ke ŝi rajtas ami.

Ŝi do hontas trompi edzon fidantan, kaj tiel bravan, tiel altkarakteran. Lancelot kvietigas ŝin. Li ankaŭ admiras la reĝon, pro tio precize li povis „suferi kruelegan la ĉastecon de sia amo."

Ginevra luktis, ŝi esperis, ke iom post iom ili kutimiĝos vivi unu sen la alia, ke la reĝo vivos pli proksime al ŝi, ke Lancelot edziĝos (kaj kun malica koketeco ŝi demande esploras la intencon de Lancelot) ĉar tiom da fraŭlinoj preskaŭ mortas pro amo al li!

Lancelot respondas, ke li ĉiam restos fraŭlo, ĉiam li amos ŝin.

Ginevra nun elvokas la pasintaĵon. Ha! se ŝi estus ankoraŭ junulino, libera! kaj denove insiste serĉante motivojn de senkulpigo, ŝi plendas, ke ŝi estas nekomprenata de la reĝo, ke la reĝo vere tro blinda, li mem, ĵetas ŝin en karegan amon kaj kulpan.

Sed ĉu vere kulpa? Iom post iom, forgesante la nunan horon, kun okuloj fiksitaj sur dolĉaj, pasintaj momentoj, ŝi memoras kun emocio la patran kastelon, la belan majan matenon, la sunon ekfloriĝantan la rozojn, kaj la aperon de la juna, triumfanta Lancelot. Ĉu tia amo tiel subita, tiel nature floranta povas esti kulpa?

Kaj Lancelot elvokas la samajn sentojn, la samajn bildojn:

Mi vidis vin aperi, die blanka
Kun ora sun' en viaj blondaj haroj.

La du amantoj sin forlasas al la dolĉeco de tiuj memoroj neforgeseblaj, de amo pli kaj pli fortiĝinta.

Nun vesperiĝas, malplilumiĝas la voĉoj fariĝas pli mallaŭtaj... nun la sonoriloj vokas al preĝo. Ili devas disiĝi. Ginevra timegas la insidojn, la honton de amo malkaŝita... Lancelot revenu post la vespera Diservo por konsiliĝi!

La dua akto estas tute okupata de la perfidulo Modredo, kies malbelega animo kontrastas kun la kavaliraj sentoj de liaj kolegoj. En ĉambro de l' kastelo, ĉe la Ronda tablo kelkaj el ili trinkadas kaj kantas laŭdante la gloron de sia ĉefkolego, la nevenkita, nevenkebla Lancelot, kies brako subtenas la landon, kaj savis tiel ofte tiom da kavaliroj el la morto kaj Modredon mem. Tiu ĉi ridaĉas kaj ĵuras, ke li informos la reĝon pri la trompo de Lancelot. Vane protestas, indignas la ceteraj, kaj asertas, ke

Kuniigo de la Ronda Tablo.
Por ĉiam estu dise frakasita.

La reĝo envenas kaj Modred kulpigas Lancelot.

Se Modredo ne estus la filo de lia fratino, li haltigus tuj la hontan denuncon, li devigus lin tuj batali kun la denuncato; lia tuta koro rifuzas kredi al perfido de plej amata amiko; sed la veneno faras sian efekton kutiman, la dubo iom post iom enpenetras, tiel strange brilas la okuloj, tiel stranga la rideto de la nevo! Li akceptos fine la proponon ekkaptigi Lancelot en la ĉambro de la reĝino, precipe por meti finon al la famo honta, al sia turmento.

Se Modredo pruvas la trompon de Lancelot, terura estos la puno, terura la leĝo, Ginevra estos kondamnita al fajro, ŝi pereos sur la ŝtiparo; ŝi ne ignoras la leĝon; ne forgesinte la humiligon de Modredo, ŝi antaŭsentas iun insidon; jen flugadas vespertoj, kriegas strigoj... Lancelot venis post la diservo laŭ sia promeso. Ŝia koro batadas; ĉar la reĝo forestas, ŝi timas malfeliĉon, ŝi petas, ke li ne pli restu... Kial do ekzistas malbonaj homoj? Ĉu ilia rendevuo ne estas tute purintenca? Subite voĉoj konfuzaj, pli precizaj, pli precizigantaj la hontan kulpigon, minacoj, aŭdiĝas kun bruo de spadoj post la pordo... La amantoj kaptitaj ne plu havas eliron; la honto, la morto ilin atendas; Lancelot eĉ ne povos pagigi sian morton, defendi sian karan amatinon! li estas senpova kaj la minacoj, la frapoj al la pordo fariĝas pli laŭtaj, Modredo senpacience deziras revenĝon! Tre lerte la aŭtoro malvolvis la scenon, gradigis la emocion, tre delikate nuancigis la rapide sinsekvajn sentojn de la personoj. Antaŭ ĉio, Ginevra pensas al ilia amo, al la fino nun alveninta de ilia malfeliĉa amo. Ŝi tremas, ke Lancelot ricevos frapon mortan, pro sia amo al li kompreneble, pro amo al la vivo ankaŭ, pro teruro kontraŭ la ŝtiparo, kie ŝi estos bruligita, se Lancelot ne postvivos por savi ŝin... La skandalo tro daŭris, Lancelot pli bone mortos, ol ĝin plu suferi. Minuto solena, de tre alta inspiro, kiam antaŭ ol iri al morto certa, la kavaliro genufleksas, kisas la manon de la Sinjorino sia!

Reĝino plej kristana kaj plej dolĉa,
Ĉar estis ĉiam via nobla Moŝto
La bona sola mia Sinjorino,
Kaj mi lojala via kavaliro,
Al via volo ĉiam preta servi
De l' tago mem en kiu Reĝ' Arturo
Min faris kavalir' de l' Ronda Tablo,
Se lalos mi ĉi tie, vin humile
Mi petas preĝi por animo mia...

Li rajtas riski la morton, ĉar liaj parencoj savos la reĝinon, kiu loĝos reĝine en lia lando.

Inda je li, levita super si mem per lia heroeco, deziregante sin montri egala al li, ŝi ĵuras, ke ŝi ne vivos post li, ke ŝi

kristane pereos; ŝi volus, ke Dio permesu, ke la malamikoj mortigu ŝin, ŝparu lian vivon... Flamigita per tiaj paroloj, Lancelot frapante por sia sinjorino miloble plifortiĝos... Vi vidos kun emocio ne lasanta spiron, kiamaniere li mortigas ĉiujn en la mallumo de la koridoro...

Silento peza regas nun... Reaperas Lancelot premegita de ĉagrenego. Li mortigis kamaradojn, ili ne plu sidos ĉirkaŭ la Ronda Tablo, rompita estas la frata ligo

Ginevra tuta tremanta, ke pro ŝi tiom da sango elverŝiĝis, ne plu povas akcepti, ke de nun Lancelot servu ŝin. Ŝi atendos la decidon de la reĝo; se la morto estos ordonata, tiam ŝi akceptos de Lancelot lastan servon, la liberigon, kaj ke li ŝin konduku al monaĥinejo. „Por savi min de fajro kaj de kulpo.“ *Kulpo*, jen la lasta vorto de la dramo! Ŝia korpo tremas ĉe la penso de la fajro, sed ŝi elaĉetos la kulpon per la morto monaĥineja, ŝi elaĉetos *kristane*. Vi sufiĉe rimarkis, por ke mi ne insistu, kiom alta, pura, kaj precipe kaj precize *kristana* estas la inspiro de la poeto kaj la sentoj, kiujn li donas al siaj herooj. Nenio estas pli kortuŝanta, ol la lukto de animo kontraŭ si mem, la penado de animo, kiu sin mem superas... Fénelon diris: Oni devas lasi ion divenota al la leganto; mi lasos multon. Vi revos plezurege pri tiu legenda epoko, pri tiu nobleco, braveco; vi forgesos momente la malĝojon, la realaĵojn senkolorajn de la ĉiutaga vivo; vi recitos al vi mem tiujn harmoniajn, dolĉe fluantajn versojn, kaj eble eĉ vi kantos ilin, ekpensante muzikon konforman... Kia bela libreto por muziko!

Miaparte mi ne bezonas teatran prezentadon por ĝui tiun poezian juveleton. Tamen mi scivolas kion la teatro aldonas al la dramo, kiamaniere la drameco kaj la lirikeco kuniĝos por plej arta ĝuado. Tion ni baldaŭ scios, kaj pli ol unu fojon poste spertos la Esperantistoj.

(Represita el „La Revuo“ 1913, septembra n-ro).

# La batoj de l' sorto.

Ne volu, amikoj, ke via vivo estu ĉiam egala, ĉiam facila, vojiranta al la morto kun la unusonado de la hejmitaj akvoj de la defluejoj. Ne volu vian vivon tro oportuna, tro dolĉa. Tia vivmaniero lacigas la korpon kaj moligas la spiriton. Ektuŝegoj de la homa vivo, estas bonega korpa kaj spirita gimnastiko

La egala vivo ne lasas signon aŭ rememoron. Se neniam okazis io al vi, vi ne rememoros vian propran vivadon, kaj poste ŝajnos, ke vi ne estis vivanta. Post vi, restos nur malpleno; kaj en la brusto nur restos granda malvarmo, kaj vi estos kvazaŭ neekzistinta, kiel via ombro.

La kvieta akvo de la defluejo, ne estas bona imaĝo de la homa vivo, ĉe la homara ekzistado, la defluejo iĝas baldaŭ lageto, marĉo. La malrapida akvo fariĝas morta akvo.

Estas preferinda la rivero, kiel imaĝo de via vivo. Serpente malkvieta rivero kun bruaj eksaltegoj kaj kvietaj anguloj sub amikaj arbaretoj. Rivero kiu konas la malglatan monton kaj la fruktodonan ebenaĵon, kiu enirinte la maron povas rakonti al ĝi ĉiujn aferojn travivitajn, ĉiujn aventurojn kiuj okazis al ĝi, ĉiujn pejzaĝojn kiujn ĝi trakuris.

Persisto en la vivo ne signifas egalecon de la vivo. La movo egala, simpla, sen ektuŝegoj, sen kontrastoj, egalvaloras en iuj aspektoj la nemoveblecon. Se via vivo estis supermezure egala, kiel procesio da virgulinoj ĉiuj egalaj, la ektuŝego estos al vi bonfara. Kiam ĝi estos pasinta, vi havos ĉiam ĝian primemoron, kiu lasos en via animo nekompareblan guston: la guston de la vivo. Kiu ne sentas tiun guston, tiu ne vivas; mortante li trapasas la defluejon de la vivo.

El la kataluna trad. *Palmira Castellvi*, Barcelona.

# La Rabeno kaj la Riĉulo.

Foje al Rabeno alvenis Riĉulo-filo, sed li estis granda avarulo. La Rabeno ekprenis lin ĉe la mano, alkondukis lin al la fenestro kaj diris: „Rigardu! kion vi vidas?“ La Riĉulo respondis, ke li vidas homojn. Poste la Rabeno reekprenis lin ĉe la mano, alkondukis lin al la spegulo kaj diris: „Rigardu! kion vi vidas nun?“ „Nun“, respondis la Riĉulo: „Mi vidas nur min mem.“ Tiam la Rabeno diris lin tiel: „Komprenu, en la fenestro estas vitro kaj en la spegulo estas vitro, sed la vitro de la spegulo estas iomete kovrita de arĝento, kaj kiam nur io estas iomete arĝentumita, tiam oni ĉesas vidi homojn kaj komencas vidi nur sin mem...

El la hebrea tradukis
*Jozefo Tajc*, Panevežys.

# La eterna idolo.

*M. Scheyer.*

Nun, ĉar la artisto elektis ŝin kiel sian idolon, la virino diris al li:

„De hodiaŭ ci devas servi al mi, tute sole al mi, ci kaj cia verko. Ciajn donojn ci ne plu disdonos al aliaj, cia orelo surdiĝu antaŭ la krio de l' mondo, cia okulo blindiĝu antaŭ la altaroj de l' beleco. La sekreton, kiun Dio al ci konfidis, ci oferdonos al mi kaj de si mem ci liberiĝos.

Kaj neniajn aliajn idolojn ci havu krom mi.“

Kaj la artisto respondis: „Ĉion ĉi mi volas fari pro mia granda amsopiro.

La beleco, kiu ĉiuloke ekfloras sekrete antaŭ miaj vidantaj okuloj, la kompato kaj la ekkono, kiun Dio pruntis al la aŭskultanta orelo de mia animo, la purpuraj riĉaĵoj de mia doloro, kaj la glora lumo de miaj ĝojoj, la svingantaj revoj kaj la arda ebrieco de mia sango: ĉio ĉi apartenu al ci kaj ĉe ciaj piedoj mi volas tion meti en humileco kaj en sindono.“

En la festena palaco de sia amo starigis la artisto tronon al la virino. La plej karaj perloj de siaj larmoj fluis super la senmova frunto de lia idolo, kaj ĉirkaŭ la ŝultrojn li metis la oran ornaton de l' kredo, superŝutitan per juveloj de l' iluzio. La kapon de l' virino li ornamis per krono de pia meditado, kaj el la misteraj ŝpinaĵoj de sia sopiro kaj kareso, li teksis al ŝi blankan, flirtantan vualon. Kaj kiom da voĉoj kaj fizionomioj, en la benita horo estiĝis al li el la kreema interno, ĉiujn ĉi kaŝis la artisto timeme antaŭ la mondo kaj amasigis adore ĉe l' piedoj de la idolo.

Kaj la virino sin ornamis per tio, kaj fariĝis bela kaj pli bela.

Iufoje, kiam la artisto, la manoj plenaj de revoj kaj dolĉa melodio, volis aperi antaŭ la idolo, la trono estis libera. La virino estis malsupren irinta kaj sekvis aliulon; aliulon, kiu bruta estis kaj senpenta, kiu nenion sciis pri turmento kaj rezigno, kaj kiu kondukis ŝin foren kiel kaptaĵon, tien, kie rido estis kaj bruo kaj ĝuo. Kaj de ĉiuj muroj de la dezerta, fremda palaco, rigide, kvazaŭ timige, alrigardis la artiston nur la signoj de ŝia insulto kaj frenezeco. Tiam li falis la frunto teren, kaj tie antaŭ la renversigita trono de sia idolo, li restis kuŝi, ĝis la nokto de l' morto kompateme kliniĝis al li kaj suprenlevis lin en sian mildan, patrinan pacosinon.

— — — — — — — — — — — — — — — —

„Domaĝe pri li“, diris la amikoj. „Li estus povinta fariĝi io. Li multon promesis kaj nenion plenumis.“

El la germana: *K. Kozina*, Wien.

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

### Teatraĵo. — Lernolibro.

Peni traduki malnovan versan dramon, ne estas ludo; plena sukceso ne ofte rekompencas tian klopodon. Inter la venkintoj prenas lokon S-ro *Legrand* per sia *„Urbestro de Zalamea“*. De lia provo en „Amfitriono“ ĝis la nova traduko estas grava progreso. Ĉiaj versoj fluas simple, regule, kompreneble kaj harmonie.

Calderon, la fama hispana klasikulo, naskiĝis en 1600 kaj vice estis studento, kortano, militisto, fine ekleziulo. Pli ol cent dramoj kaj preskaŭ tiom da religiaj teatraĵoj. jen lia heredaĵo. El la unuaj, kelkaj estas ankoraŭ ludataj, multaj estis tradukitaj kaj estis modeloj por fremdaj verkistoj.

Tiam la eldonistoj libere ŝanĝis aŭ korektis verkojn; tial tute aŭtentikajn originalojn oni ne havas. Tio estus plua senkulpigo por la tradukinto, kiu ne laŭvorte sekvis la hispanan tekston. Honorsento, fideleco al donita parolo, respekto al la virinoj, militistaj moroj, jen oftaj temoj de Calderon, ankaŭ aperantaj en la komedio vigla, ofte amuza kaj sprita, foje nobla kaj heroa. Pri la lerteco de l' traduko kelkaj citoj diros pli ol longaj frazoj.

Jen nobelo fieras:

> Sciiĝu nun, ke naskiĝanta homo
> Substanco estas de l' nutraĵoj, kiujn
> Gepatroj liaj manĝis.
>
> — Ĉu, Sinjoro,
> Gepatroj viaj manĝis? La kutimon
> Vi ne heredis!

respondas la malsata servisto. Kiam tiu sama anoncas al sia mastro la venon de lia adoratino:

> Konstanta estu: kun kuzino sia,
> Ĵus Isabel' ĉe la fenestr' aperas.

li pompe rediris:

> Pli bone diru, ke, ĉe l' oriento,
> Kun diamanta krono ekleviĝas
> La glora suno de l' animo mia!
> — — — — — — — — — —
> Ha, ĝis precize la momento nuna,
> Per la honorparolo de nobelo
> Mi ĵuras, ke ne ektagiĝis. Tio
> Ne estas surprizinda, ĉar vi faras
> El la malluma nokto helan tagon.

La ĉefpersono, Krespo, simpla kamparano, sed bela karaktero, poste urbestro, revenas de promeno:

> Mi restis rigardante la kulturojn
> Vesperon tutan. Tie grenamasoj
> De malproksime ŝajnas oraj montoj,
> Kaj estas vera or' enhav' ilia.
> Sur la forkego balancataj, pajlo
> Kaj gren' per milda blovo sin disigas,
> Ĉar ankaŭ tie devas la malgravaj
> Aferoj cedi lokon al la gravaj.
> Ha, volu Dio, ke metita baldaŭ
> En la grenejon ĉio estu, antaŭ
> Ol ĝin difektu pluv', aŭ vent' elportu!

Sentime, al la gastata militestro, kiu asertas ke plebano ĉion elporti devas de nobelo, li respondas:

> Sur la havaĵoj, ne sur la honoro.
> Al Reg' havaĵojn ŝuldas mi kaj vivon.
> Honor' afero estas de l' animo,
> Kaj en l' animo Dio sola regas.

Inter la bonaj konsiloj, kiujn li donas al la filo tuj forironta militservadi, estas:

> Pri la virinoj, filo, vi neniam
> Eĉ unu vorton de mallaŭdo diru:
> La plej humilan ni estimi devas,
> Ĉu ne virinoj estas la patrinoj?

Kaj tiom da versoj bonaj laŭ senco kaj sono, tute similaj al proverboj:

> — Ĉin koni estas ĝin plenumi.
> — Afer' ĝi estas ja de viv' aŭ morto.
> — Ĉapel' kaj mono varbas la amikojn.

Nu, sufiĉas. La komedion ni ne rakontos, nek ĝiajn kvalitojn. Sed multaj estu instigataj legi vere interesan kaj valoran verkon en kiu la formo ne perfidas la sencon. Ni notu fine, ke ĝin presis bone firmo en Montevideo, kie pri korekteco zorgis esperantista kompostisto.

*

La svedlingva gramatiko de D-ro *Ohlsson* ne estas kursa lernolibro; ĝi estas plena scienca traktaĵo por lertuloj. Io simila al „Commentaires“ de Beaufront aŭ „Grammaire complète“ de Aymonier por francoj. La aŭtoro, fakulo en lingva instruo, juĝas, ke ĝisnunaj gramatikoj estas nenaturaj, ĉar la reguloj iras de l' vorto al la ideo; kontraŭe li deiras de la ideo, t. e. de la senco, kaj ĝia vortigo la frazo, por alveni al ĝia esprimilo, kaj do al la vortoj. La libro krom tiu tre detala kaj originala gramatiko ankaŭ entenas ĉapitrojn pri historio de nia lingvo, pri la aparta vidpunkto de l' aŭtoro, paĝojn de tekstoj, titolojn de legindaĵoj.

*15 majo 1925.* *G. S.*

---

## Novaj libroj.

**La Urbestro de Zalamea.** Dramo en tri aktoj. *Calderon de la Barca.* El la hispana lingvo tradukis *Enrike Legrand.* 1925. Montevideo. Eldono de la aŭtoro.
136 paĝoj, $10^1/_2 \times 18$ cm. Prezo: 2 sv. fr.

**Lärobok i Esperanto.** *Carl Ohlsson.* 1925. Stockholm, P. A. Norstedt & Söners Förlag.
112 paĝoj, $12 \times 18^1/_2$ cm. Prezo: 3 kr.

**Einführung in die Welthilfssprache „Esperanto“.** *Karl Giessmann.* Heckners Verlag, Wolfenbüttel. 1924.
44 paĝoj, $14^1/_2 \times 22^1/_2$ cm. Prezo: 1,20 M.

**Malá Včebnice Esperanta** napsala *Julie Šupichova.* Nakladatel Svatopluk Hručíř v Nymburce. 1924.
72 paĝoj, $10^1/_2 \times 15$ cm. Prezo: 2,40 K. č.

**Illustrierte Rundschau.** Esperanto-Sonderheft. Wien. 1925. Nr. 76.
16 paĝoj, $24 \times 35$ cm. Prezo: 60 Groschen.

---

# Tra la gazetaro.

*„Heroldo de Esperanto“*, N-ro 266, estas parte dediĉita al la arto, literaturo kaj Esperanto-movado en Ruslando. Ni tie legas interalie, ke la konata biblioteko de Davidov en Saratov nun estas prizorgata kaj reordigata; ĝi enhavas 9500 broŝurojn, librojn, gazetvolumojn k. a.

*„Informoj de E. A. de Estonio“*, N-ro 37. S-ro H. Seppik esploras radikojn fin-, finn-, suom-, uzeblajn por nomi landidojn de Finlando, kaj li atentigas pri tio, ke la ĝusta nacinomo *latvo* jam venkis la intereŭropanan *letono*. Li konkludas: *fino* estas malbona, *finno* ankaŭ malbonas, sed ĝi enradikiĝis; *suomo* estas pli bona, uzinda paralele. Ni povas aldoni, ke ekzistas la kvara formo *fen*, multe uzita de latinistoj. Sed ĉar la origina radiko estas *suom-* neniu povas malpermesi ĝian uzon same kiel uzon de *kartvelo* georgiano, *maĝaro* hungaro, *euskaro* basko, *ŝkipetaro* albano.

*„Itala Esperanto-Revuo“*, N-ro 4, daŭrigas Metodan Vortaron de S-ro A. Tellini, kiu faras utilan servon al nia, ne ĉiam fiksita terminaro. La rubriko „Scienco kaj vivo“ estas ĉiam leginda.

*„Konkordo“*, N-ro 3. S-ro N. Hohlov havigas informojn el Varsovio pri la tombo de nia majstro, sur kiu jam staras blanka granita monumento, kies bildon ni ja konas el niaj gazetoj. S-ro M. Ŝpicer, malnova kroata pioniro, kunlaborinto de la Revuo, ree aperas sur la literatura horizonto per tradukita poemo. Ni kore salutas tiun reaperon de la verkanto, kiu longe silentis pro la anima angoro kaŭzita de la familia funebro.

*„Liberpensulo“*, N-ro 1. Instrua artikolo „Kion vualas la Biblio“ ripetas, per aliaj vortoj kaj plidetale, la samon kio estis traktita en nia pasintjara januara numero en artikolo „La Suno“.

*„Literatura Mondo“*, N-ro 5, krucenigmoj kaj lingvodiskutoj penetris ankaŭ tiun fakan gazeton. S-ro Julio Baghy daŭrigas sian romanon el la vivo de siberiaj militkaptitoj. S-ro K. de Kalocsay donas al ni novan baladon, inspiritan de la brila Ora Sonorileto. En la elangla tradukaĵo „Nokto de Troja Milito“ ni rimarkis nomojn *Salvius, Ilus*, kiuj devas aparteni al la grekoj, malgraŭ ilia pure latina formo. Tiu anakronisma eraro apartenas verŝajne al la angla aŭtoro.

*„Literaturo“*, N-ro 25. Tre valora estas artikolo „Longe forgesita tombo“ pri malnovaj aferoj kaj forpasintaj homoj de la sudafrika urbo Capetown, ĝuste de la suburbo Newlands. La specialaj temoj, kiel la supra, precipe taŭgas por ilustri utilan rolon de nia lingvo, kiu permesas al ni legi tion, kion ne povas doni niaj naciaj ĵurnalistoj.

*„Le Monde Esperantiste“*, N-ro 138. S-ro Em. Robert franclingve resumas plej bonan reformprojekton de kalendaro kiu havus kvar egalajn partojn po 13 semajnoj, do 52 semajnojn aŭ 364 tagojn plus unu eksterorda tago de Silvestro. Ĉiu monattrio (trimestro) komencas per dimanĉo. Unua monato de ĉiu trimestro havas 31 tagojn. Pasko estus nevarie je la 1 aprilo. La projekto de S-ro Cotsworth, prezentita en maja numero de nia gazeto, estas kurioza provo bazita sur la 13-monata jaro, kiun la homaro kredeble neniam akceptos.

*„La Movado“*, N-ro 72, raportas al ni pri la franclingva teatraĵo „Le Bigame“ de S-roj Marchès kaj Vautel, kiu estis ludita antaŭ la milito en la „Grand Guignol“. Heroo de la farso, juĝe punita pro la duedzeco (bigamio), serĉas konsolon en . . . la tria edziĝo. Li estas franco, lia tria fianĉino estas anglino, kiu ne parolas france. Helpas lakeo de l' anglino, kiu lernigas al la gefianĉoj Esperanton, dank' al kio la tria konsoliga edziĝo povas okazi, kaj la bigamo fariĝas la trigamo, ĉar la du antaŭaj edziĝoj restis validaj! En la sama numero ni legas memoraĵojn de S-ro E. Archdeacon pri lia pionirado en la aviado.

*„La Revuo Orienta“* raportas pri uzo de Esperanto ĉe medicinistoj de sia lando: Profesoro Seiho Niŝi en Tokia Universitato avertis la studentojn, ke li uzos esperantajn terminojn anstataŭ la germanaj. D-ro Tomosaburo Ogata komencis sian lecionadon en la sama Universitato uzante esperantajn vortojn. Profesoroj Hajaŝi kaj Tamura preparis farmakologian receptaron kiun ili uzos en venonta lernojaro. Aliaj profesoroj decidis prezenti siajn referatojn kaj disertaciojn por doktoreco en Esperanto anstataŭ en la angla aŭ germana.

*„Oomoto“* daŭre aperas en formo de 32-paĝaj kajeretoj bele presitaj, kiuj propagandas la novan formon de religio, nomata „Oomoto“. Kiu volas ricevi sciigojn pri la nova religio, tiu skribu laŭ adreso: Oomoto Propaganda Oficejo, Ajabe, Japan.

*„Esperantista Junularo“*, organo de la tutmonda asocio de junuloj „TEAJ“, donas interalie en la numero 26 malmulte konatan fablon de Tolstoi „Avara riĉulo estas pli mizera ol malriĉulo“, tradukita de S-ro Golubcov en Vladivostok, Siberio.

*„IKA-Stimmen“* en sia kvina numero daŭrigas porgermanan Esperanto-kurson kaj donas sciigojn pri la tutmonda organizo de esperantistaro. Tiu utila propaganda revueto celas la katolikan mondon.

*„Kataluna Esperantisto“* en 11-a numero sciigas pri nun preparata „Kataluna Antologio“, kiu estos 400-paĝa libro kun riĉa tradukaro el la kataluna literaturo. Interesatoj povas helpi aŭ antaŭmendi ĉe S-ro Artur Domènech, Cabanyes 81, Barcelona.

*„Sennacieca Revuo“*, N-ro 20, enhavas — krom la literaturaĵoj — ankaŭ sciencan kvarpaĝan artikolon pri „Ventoŝipo sen veloj“ de G. Reimann. Kvin bildoj trafe ilustras la tekston de tiu instrua artikolo.

*„La Semisto“*, N-ro 48, priskribas la Balearojn, kies unu insulo gastigis la XII-an kongreson de la Kataluna Federacio. La Balearoj entenas multajn insulojn, el kiuj pli gravaj estas: Mallorca, Menorca, Ibiza, Formentera, Cabrera. Entute 5014 kvadrat-kilometrojn kun 390000 loĝantoj.

*„Reklamo“*, komerca gazeto, estas eldonata en Rusĉuk (Bulgario) kun helpo de tiea Komerca Ĉambro. Ĝi enhavas kronikon kaj anoncojn pri esperantista komerco kaj interŝanĝo.

*„La Ora Epoko“*, svisa folio por religiaĵoj, daŭrigas sian sendogman klerigan propagandon. Granda artikolaro „La deveno de la homo“ enhavas interesajn sciigojn el antikva historio kaj arkeologio.

*„La Mondtrafiko“*, eldonata de A. Marich en Budapest, prezentas diversajn novaĵojn pri stenografio, radio, filatelio, mondlingvoj, trafiko ktp.

*„Internacia Medicina Revuo“* donas originalajn studojn kaj resumojn pri studoj en la nacia medicina gazetaro. Adreso de la estrejo: D-ro K. Mezei, VI, Teréz Körut 6, Budapest.

*„Interligilo de P. T. T.“*, organo por fakuloj de poŝto, telegrafo, telefono. Filatelistoj kun profito legos en la aprila numero artikolon „Iom da poŝta historio de Britlando“.

*„Espero Teozofia“*, kiu daŭre pliboniĝis dum lastaj kvar jaroj, nun havigas esencajn teozofiajn legaĵojn en deca ekstera formo. Sur la kovrilo ni legas pri la Teozofia Esperanto-Ligo, kiu entenas jam filiojn en 30 landoj.

*„Academia pro Interlingva“*, gazeto dediĉita al problemoj de la lingvo internacia, gvidata de konata matematikisto G. Peano, profesoro de Universitato de Torino. La gazeto estas redaktata en speco de simpligita latino, kompletigita per la internaciaj modernaj vortoj.

# Internacia Konferenco

## por uzado de Esperanto en la sciencoj puraj kaj aplikitaj.

## Parizo — 14-16 majo 1925.

### Unua kunsido (15 majo).

La 15an de majo matene je la 10a horo en la Granda Amfiteatro de la Pariza Oceanografia Instituto malfermiĝis la unua internacia konferenco pri Esperanto ĉe la sciencoj.

S-ro **Rollet de l'Isle,** prezidanto de la Internacia Scienca Asocio kaj prezidanto de la Organiza Komitato de la Konferenco, en sia malferma parolado salutas la delegitojn de 36 landoj: Albanio, Alĝerio, Austrio, Belgio, Brazilio, Britlando, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Ĉilio, Ĉinlando, Danzig, Finnlando, Francio, Germanio, Grekio, Hispanio, Hungario, Indio, Italio, Japanio, Jugoslavio, Kanado, Litovio, Maroko, Nederlando, Oceanio, Pollando, Portugalio, Rumanio, Siamo, Svedlando, Svislando, Turkio, Tunizo, Urugvajo kaj Usono. Li esprimas la ĝojon pri la fakto, ke la konferenco sukcesis kunvenigi pli ol 230 delegitojn de gravaj sciencaj kaj teknikistaj institucioj kaj societoj, eĉ de pluraj registaroj. Akcentas la gravecon de la konferenco, skizas ĝiajn taskojn kaj proponas elekti la estraron de la konferenco.

Oni aklame elektas por honora prezidanto S-ron Generalon **Sebert,** por prezidanto S-ron Cotton, membro de la Franca Scienca Akademio. Vicprezidantoj: Profesoro Bujwid, Kolonelo Inglada, inĝeniero Isbrücker, S-ro Mesny. Sekretarioj: S-roj Rousseau, Agourtine kaj Coblentz.

Post salutaj vortoj de la prezidanto oni laŭtlegas la raporton pri la agado de ISA, la raporton de TEKA, de la Internacia Asocio de Esperantistaj Juristoj kaj raporton pri Esperanto ĉe la farmacio de S-ro Tison.

S-ro **Mesny** donas klarigojn pri la stato de Esperanto ĉe la radio-rondoj, precipe pri la Jusa kongreso de la radio-amatoroj.

S-ro **Stromboli** (Pisa) akcentas la gravecon de bona praktika organizo de la esperanta sciencistaro kaj teknikistaro, kreo de certa kaj forta bazo precipe financa.

S-ro **Inglada** (Madrid) atentigas pri la graveco de la nova epoko de la Esperanto-movado, en kiu jam venas la praktikistoj por utiligi Esperanton. Per tia laboro Esperanto devas baldaŭ venki.

* * *

### Dua kunsido

(15 majo posttagmeze).

Vicprezidanto profesoro **Bujwid** je la 3a horo malfermas la kunsidon kaj alvokas saluti la ĉeestantan Generalon Sebert. La konferencanoj starante ovacias.

S-ro **Rollet de l'Isle** prezentas la „Deziresprimojn kaj Decidojn" ellaboritajn de la Organiza Komitato kaj proponas diskuton pri la diversaj punktoj.

La konferenco paŝas al diskuto pri la punkto 1 a, temanta pri la helpo petota de la oficialaj estraroj kaj pri la rimedoj uzotaj por atingi tiujn helpojn.

D-ro **Stromboli** ĝoje konstatas, ke estraroj kaj registaroj interesiĝas pri Esperanto, eĉ per aliĝo al la konferenco. Li proponas, ke antaŭ ĉio oni klarigu la situacion de ISA kaj urĝigas diskuton pri ĝia organizo, ĉar oni povos peti registaran helpon nur por certa, solida organizaĵo.

La konferenco, konsentante, metas la diskuton pri ISA sur la tagordon de la venonta kunsido.

Post klarigoj de S-roj Inglada kaj Rollet de l'Isle oni voĉdonas la punkton, kies esenco estas: peti la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, peti ĉe la estraroj favoraĵojn por kandidatoj sciantaj Esperanton, internacian uzadon de Esperanto ĉe siaj oficejoj, ekzemple meteologiaj, hidrografiaj, aerveturaj, telegrafaj, policaj; proponon kaj subtenon de Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj; financan kaj moralan apogon.

La decidon 1 b pri helpo petota de asocioj kaj kongresoj (deziresprimoj favoraj, kursoj en siaj lernejoj, artikoloj en siaj bultenoj, komisionoj por ellabori specialajn terminarojn, alpreno de Esperanto kiel kongresa lingvo) oni voĉdonas post la atentigo de S-ro Rollet de l'Isle, ke por atingi ian rezulton, oni devas unue membriĝi ĉe tiuj societoj kaj aldonante laŭ propono de D-ro Briquet, ke oni faru ekspoziciojn. Tiu decido interalie rekomendas prezenti ĉiam tutprete redaktitajn deziresprimojn al la kongresoj, kaj intertrakti kun la organizaj komitatoj pri la uzado de Esperanto en la kongresoj.

La decido 1 c temas pri la agado ĉe internaciaj organismoj (uzo de Esperanto en korespondo kaj publikigaĵoj, proponi al ili tradukistojn k. a.).

Ĉe tiu punkto S-roj **Poncet** kaj **Mesny** konsilas singardemon por ne transpaŝi la limojn de l' seriozeco.

La decido 1 d fiksas la principojn de la agado ĉe la eldonistoj de sciencaj verkoj kaj gazetoj. La diskutantoj pledas precipe por Esperanto-lingvaj resumoj en fakaj revuoj, kiel praktika, facila kaj senriska komenco.

D-ro **Corret** laŭdas la revuon „The Experimental Wireless" kaj dankas S-ron Epton pro la sukcesa laboro.

Oni voĉdonas la decidon 1 e pri agado ĉe sciencistoj, teknikistoj, industriaj firmoj kaj societoj, por ke ili uzu Esperanton en sia korespondo internacia.

Profesoro **Benŝaĥar** proponas krei kolektojn de jam eldonitaj prospektoj kaj aliaj dokumentoj kaj disponigi ilin al la varbemaj personoj.

Post tiuj detalaj difinoj de la agado la konferenco decidas komisii la Internacian Sciencan Asocion por daŭrigi la agadon kaj periode sciigi la rezultojn, kaj la konferenco invitas siajn membrojn por helpi ISA-n per aliĝo.

S-ro **Rousseau** atentigas pri la graveco de la decidoj, kiuj okazas en la nomo de la reprezentataj gravaj institucioj. Tio donas al la decidoj grandan moralan forton kaj efikpovon.

* * *

### Tria kunsido

(16 majo antaŭtagmeze).

Sur la tagordo staras la organizo de Internacia Scienca Asocio.

D-ro **Stromboli** parolas pri bona organizo, inda al scienculoj, pri la bezono de inda revuo kaj salajrata sekretario. Prezentas skemon de financa aranĝo.

D-ro **Privat** petas uzi tiun ĉi tre favoran momenton por solidigi la esperantistan sciencistan movadon. En Parizo li vidas la plej taŭgan lokon por la internacia scienca centro, pro jam havataj kompetentuloj pri ĉiu fako. Pro la graveco de la firma bazo financa, li proponas fiksi kotizon sufiĉe altan.

Post detala diskuto partoprenita de S-roj Stromboli, Kamaryt, Privat, Behrendt, Bujwid, Isbrücker, Brossier, Atanasov, Inglada, Poncet, Rousseau kaj Vanverts oni voĉdonas preskaŭ unuanime deziresprimon, ke I. S. A. kreu du kategoriojn de membroj: unujaraj kun kotizo de 50 fr. fr. kaj dumvivaj kun 800 fr. fr. kaj akceptu aliĝojn de korporacioj kun kotizo de minimume 100 fr. fr. jare kaj 1500 fr. fr. por 20 jaroj.

Dum paŭzo oni tuj aranĝas ĝeneralan kunvenon de I. S. A., kiu akceptas la deziresprimon de la konferenco kaj kolektas grandan nombron de aliĝoj, inter ili 2 dumvivaj membroj.

Post rea malfermo de la konferenca kunsido S-ro Behrendt prezentas la proponon de la Germana Ligo de Teknikaj Sciencaj Unuiĝoj: eldoni internacian teknikan revuon en Esperanto post la ricevo de mil adresoj de teknikistoj sciantaj Esperanton.

La konferenco post diskuto voĉdonas rezolucion proponitan de S-ro Behrendt, danke akcepti la proponon kaj peti la kompetentajn organizaĵojn por havigi la deziratajn adresojn.

D-ro **Corret** prezentas la ĉeestantan D-ron Belin, hon. prez. de la Intern. Radio-Asocio, kiu post varma ovacio de la konferencanoj promesas, ke la venontan intern. radio-kongreson li prezidos en la lingvo Esperanto.

S-ro **Maĉernis** (Litovio) postulas sciencan literaturon en Esperanto por la malgrandaj popoloj.

* * *

## Kvara kunsido

(16 majo posttagmeze).

S-ro **Isbrücker** salutas la ĉeestantajn Generalon Sebert kaj Prof. Charles Richet, membroj de la Franca Instituto.

D-ro Privat per kortuŝaj vortoj salutas la plej malnovan esperantiston, Generalon Sebert, en la nomo de C. K. kaj tuta esperantistaro kaj transdonas al li arĝentan sukerujon kun surskribo: „Al Gen. Sebert la Esperantistaro dankeme“. Li memorigas pri la grava laborado de Gen. Sebert en la movado, kiu unua iniciatis la organizadon, klopodis seriozigi la movadon, organizis kongresojn, subtenis per mono, patre gvidadis kaj konsilis, kaj estas por ĉiuj granda ekzemplo de vivo dediĉita al fidela servo de granda ideo homama.

Post longedaŭra entuziasma ovacio de la konferencanoj kaj ĉeestantaj membroj de C. K. kaj K. R., Gen. **Sebert** kortuŝite esprimas dankon kaj la ĝojon ĝisvivi la grandajn progresojn de Esperanto, precipe tiun ĉi konferencon, kaj li dankas al la tutmonda esperantistaro pro la fidela kaj senlaca laborado.

Post refoja ovaciado Prof. **Richet** parolas en franca lingvo: „Estas la unua fojo, ke mi hontas paroli france. Vi, eksterlandaj delegitoj, ne scias, kiom faris Gen. Sebert en Francujo por Esperanto kiu estis por li dum 25 jaroj la preskaŭ nura penso de lia vivo. Mi petas vin, kara Generalo, permesu, ke mi ĉirkaŭbraku vin en fila maniero“.

La tagordo de la kunsido enhavas proponon pri la teknikaj Vortaroj. Antaŭ ol komenci la diskuton, oni suspendas la konferencan kunsidon por okazigi kunsidon de I. S. A., kiu diskutas pri siaj statutoj.

Dum la plua kunsido de la konferenco oni aŭdas interesajn detalojn de S-roj Rousseau, Rollet de l' Isle, Behrendt, Tiard, Stromboli, Orengo, Corret kaj Inglada pri la laboroj ĉe la Teknikaj Vortaroj; pri la malfacilaĵoj, pri la danĝeroj de l' troa optimismo, neceso de intima interrilato kaj kunlaboro inter la parencaj fakoj ktp. Fine oni voĉdonas la decidon, ke la konferenco aprobas la nun uzatajn metodojn por ellaborado de la Teknikaj Vortaroj, invitas la esperantistojn vigle kunlabori ĉe tiu sekcio, invitas klopodi, ke oni ellaboru internaciajn terminarojn, kiuj servos por la ellaboro de la esperantaj terminaroj samfakaj.

Laŭ propono de S-ro Isbrücker la konferenco decidas aprobi la ideon de esper. somera universitato dum la XVIII-a en Ĝenevo, deziras al ĝi bonan sukceson kaj deziras similajn aranĝojn en tiaj okazoj.

S-ro **Flageul** parolas pri la utileco de la stenografio por la esperantistoj kaj laŭ lia propono oni voĉdonas instigon, ke esperantistoj lernu stenografion kaj stenografoj lernu Esperanton.

La konferenco estas fermata per ĉiuflankaj konstatoj de la plena sukceso de la konferenco kaj dankesprimoj al la organizantoj kaj laborantoj multmeritaj.

*

La kompletaj tekstoj de la decidoj, rezolucioj kaj deziresprimoj, kaj la voĉdonitaj statutoj de I. S. A. kaj pluaj detaloj aperos en la eldonota Bulteno de I. S. A.

* * *

## Aliĝoj.

### I. Oficialaj institucioj.

Registaro de Hispanio.
Mara Ministerio de Italia Reĝolando.
Instruada Ministerio de Ĉina Respubliko.
Ŝtata Sub-Sekretariejo de Teknika Instruado de Franca Respubliko.
Ŝtata Sub-Sekretariejo de Aera Navigacio de Franca Respubliko.
Meteorologia Nacia Oficejo de Franclando.
Meteorologia Centra Instituto de Bulgario.
Internacia Instituto de Bibliografio, en Bruxelles.
Instituto de Optiko teoria kaj aplika, en Paris.
Instituto de Fiziko de l' Tergiobo, en Paris.
Agrikultura Kemio-Fizika Stacio de Belgio, en Gembloux.

### II. Sciencaj asocioj.

Franca Asocio por la progresigo de la Sciencoj.
Usona Asocio por la progresigo de la sciencoj.
Scienca Akademio, en Washington.
Scienca Akademio Reĝa, en Madrid.
Scienca Akademio Maryland-a, en Baltimore.
Mastino Akademio „della Scala“, en Verona.
Seroterapia Instituto, en Milano.
Politeknika Asocio Urugvaja, en Montevideo.
Societo Astronomia, en Bordeaux.
Societo Fizika, en London,
Societo Geografia, en Rio de Janeiro.
Societo Geografia, en Toulouse.
Societo Linnea, en Bordeaux.
Societo Linnea, en Lyon.
Societo Matematika de Franclando.
Societo Matematika de Usono.
Societo Mediko-Kirurgia, en Bordeaux.
Societo Mineralogia de Franclando.
Societo Zoologia, en London.
Filozofia Fakultato, en Rio de Janeiro.
Filozofia Unio, en Praha.

### III. Teknikaj asocioj.

Aero-Klubo de Franclando.
Agronomia Kolonia Laboratorio, en Paris,
Asocio Elektroteknika Italia.
Asocio de inĝenieroj de ŝtataj konstruoj, en Franclando.
Asocio de inĝenieroj el Specialaj Lernejoj de Gand.
Asocio de inĝenieroj, en Gloucester.
Asocio de Unitara Stenografio.
Brita Medicina Asocio, en London.
Brita Sekcio de la Societo de la Civilaj Inĝenieroj en Franclando.
Ĉina Elektra Instituto, en Shanghai.
Federacio Internacia de Artoj, Beletroj kaj Sciencoj, en Paris.
Federacio Farmaciista, en Hago.
Federacio Farmaciista de Belgio.
Germana Unuiĝo de Natursciencaj Teknikaj Societoj, en Berlin.
Instituto de Konstruaj Inĝenieroj, en London.
Instituto de Industria Asocio, en London.
Instituto Malsupera de Inĝenieroj, en London.
Instituto „Koninkljik“ de Inĝenieroj, en Hago.
Instituto Stenografia de Franclando.
Instituto „North East Cost“ de Inĝenieroj kaj Ŝipfaristoj, en London.
Klubo de Inĝenieroj, en Rio de Janeiro.
Komitato intersocieta de Amatoroj T. S. F., en Warszawa.
Ligo Marista kaj Kolonia de Franclando.
Nederlanda Unuiĝo „Wrouwen med Academishe Opleidung“.
Radio-Klubo de Svislando.
Societo de Inĝenieroj, en London.
Societo de Inĝenieroj Civilaj de Franclando.
Societo de Inĝenieroj de Konstruoj Publikaj, en Paris.
Societo de la Nacia Industrio, en Paris.
Societo Industria de Norda Franclando.
Societo Franca de Elektristoj.
Societo Medicina, en Paris.
Societo Usona de Mekanikaj Inĝenieroj, en New York.
Societo de Radio-Elsendoj „Radio-Genève“.
Societo de Studo kaj Instruo de Agrikultura Zoologio, en Bordeaux.
Societo Medicina de Parizaj Hospitaloj.
Societo de Teknikaj Inĝenieroj, en London.
Societo de Ledindustriaj Kemiistoj, Franca Sekcio.
Societo Farmacia, en Antwerpen.
Teknika Fakultato de l' Universitato, en Kaunas.
Unio de Medicinaj Sindikatoj de Franclando.
Unio Franca de T. S. F.
Societo kemia, en Praha.

### IV. Asocioj klerigaj kaj aliaj.

Federacio de Ĉinaj Edukistaj Societoj.
Federacio de la Nacioj de la Mondo, U. S. A.
Instituto „Jean-Jacques Rousseau", en Genève. (Lernejo de Pedagogiaj Sciencoj).
Internacia Asocio de la Helpa Lingvo, U. S. A.
La Nova Edukado, en Paris.
La Nova Edukado, en London.
La Novaj idealoj de Edukado, en London.
Literatura Asocio Transilvania, en Cluj, Rumanio.
Provinca Edukista Asocio de Kwei-Lin, Ĉina Respubliko.
Unio de Internaciaj Asocioj, en Bruxelles.
Konsorcio Aŭtonoma de Genova havenurbo, Italio.
Lernejo Supera de S. Ignaco, en Antwerpen.
Reĝa Politeknikejo, en Milano.
Senato de la Universitato Reĝa, en Utrecht.
Societo de Naturistoj, en Luxembourg.
Societo Kemia de Belgio.
Societo de Industria Kemio, en Milano.
Svisa Provinstituto, en Wadenswil.
The Automobile Enginer, en London.
Universitato de Utrecht.

### V. Eldonejoj kaj Periodaĵoj.

Ferdinand Hirt & Sohn, en Leipzig.
Journal de Radiologie et d' Electrologie, en Paris.
L' Electricien (Internacia revuo), en Paris.
L' Horloger, en Paris.
Review Ferro-Concrete, en London.
Revue de l' industrie minérale, en Paris.
Revue de métrologie pratique, en Paris.
Revue de Radio-Electricité, en Paris.
Revue générale d' Electricité, en Paris.
Revue „Le cuir technique", en Paris.

### VI. Institucioj kiuj aprobas la programon de la konferenco (por memoro)

Akademio Medicina, en Paris.
Akademio Reĝa de Sciencoj kaj Artoj, en Barcelona.
Akademio Scienca, en New York.
Bulletin de l' Automobile, en Paris.
Departemento Geologia, en Mexico.
Direkcio Ĝenerala de Svisaj Poŝtoj, en Bern.
Experimental Wireless, en London.
Ĝardeno-Muzeo Botanika, en Firenze.
Hidrografia Internacia Oficejo, en Monaco.
Instituto de Carnegie, en Washington.
Instituto Internacia de Agrikulturo.
Instituto Geografia de Instruada Ministerio, en Madrid.
Instituto de Superaj Komercaj Studoj, en Bari.
Instituto de Franklin, en Pensylvania Ŝtato.

(Fino de la listo de aliĝoj estas sur paĝo 22.)

---

# Vesperfestoj

## *dum la Internaciaj Konferencoj pri Esperanto ĉe Scienco kaj Komerco.*

La Parizaj samideanoj surprizis la partoprenantojn de la konferencoj ne nur per lerta kaj zorga organizo, sed ankaŭ per festaj aranĝoj, kiuj meritas esti aparte notitaj en la historio de la mondlingva movado.

Ĵaŭde, la 14an de majo, la grandan amfiteatron de la Sorbonne plenigis publiko de dumil personoj por ĉeesti vesperfeston. Ĝi fariĝis impona manifestacio por Esperanto kiel lingvo kultura, praktika, paciga kaj arta. La malnovaj samideanoj povis kortuŝe rememori pri la brilaj tempoj, kiam eminentaj scienculoj kaj gravuloj de la socia vivo, precipe francaj, entuziasme aliĝis al la esperantista movado, trovintaj en ĝi potencan edukilon moralan kaj genian helpilon praktikan.

Post la mutaj jaroj de la homara suferado la francaj scienculoj, fidele al siaj tradicioj, refoje trovis okazon por solene manifesti ĉe la genia kreaĵo de Zamenhof.

La famekonata scienculo Prof. **Charles Richet,** membro de la Franca Instituto, mem prezidis la feston kaj ĝin malfermis per vortoj de alte idealista koncepto.

La unua oratoro, S-ro **Daniel Berthelot**, membro de la Franca Instituto, tre konvinke paroladis pri la bezono de Esperanto por la sciencistoj.

D-ro **Pierre Corret** detale ekzamenis la malhelpaĵojn sur la radio-kampo pro la diverslingveco kaj varme pledis por la sole taŭga solvo: alpreno de Esperanto kiel universala radio-lingvo.

S-ro **André Baudet** per sia admirinde sprita kaj elokventa maniero klarigis la gravecon de Esperanto por la internacia komerco kaj per klaraj lumbildoj prezentis al la publiko la genian strukturon kaj gramatikon de Esperanto.

La vicon de la oratoroj fermis D-ro **Edmond Privat** per parolado en Esperanto. Dank' al lia impresanta elokventeco la publiko povis konvinkiĝi pri la klareco kaj belsoneco de nia lingvo.

Post tiu dokumenta parto sekvis arta parto de muziko kaj kantoj en franca lingvo kaj Esperanto, kun la talentoplena partopreno de F-ino Marcelle Demougeot el la Nacia Teatro Opera kaj S-ro Charles Murano. La plej talenta Pariza kanzonisto, S-ro George Chepfer inter multa plaĉo prezentis la brilon de la Pariza sprito.

La vespero estos por ĉiu neforgesebla travivaĵo kaj ĝia eĥo konstateble favore influis la publikan opinion de la franca metropolo por Esperanto. *A. Ĉ.*

* * *

## *Festa Bankedo ĉe la Pariza Foiro.*

La 16an de majo vespere la konferencanoj kunvenis en la restoracio de la Pariza Foiro por festi ĉe blanka tablo la sukceson de la tritaga laboro. Ili ne antaŭvidis, ke tiu bankedo fariĝos historia momento de la Esp.-movado.

En la vastega salono inter la centoj de delegitoj el 36 landoj alten levis la spiriton kaj humoron spritaj toastoj de S-roj Baudet, Kempf, prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, D-ro Privat, Prof. Bujwid el Krakovo, Komand. Inglada el Madrido, Prof. Cart, Won Kenn, S-ro Petiau, Kav. Vaona, S-ro Balkanyi k. a.

Inter streĉita atento S-ro Charles Henry, reprezentanto de la franca ĉefministro S-ro Painlevé, esprimis la simpation de la ĉefministro al Esperanto kiel pacrimedo, kaj post tio okazis granda, neatendita surprizo: S-ro Leonard, reprezentanto de la franca ministro por komerco kaj industrio, en franca kaj esper. lingvoj komunikis al la delegitoj de la konferenco la ĵusan decidon de la franca poŝtministro: *deklari Esperanton kiel klaran telegraflingvon por la enlanda uzo kaj proponi ĝin kiel tian por la internacia uzo, ĉe la okazonta internacia poŝta kongreso.*

Dum la entuziasma aklamado de la kunestantoj D-ro Privat solene ornamis la novajn amikojn de Esperanto: S-rojn Baudet, Kempf, Pascalis, Leonard kaj Henry, per la esperantista dekoracio: la verda stelo.

Krom la subteno kaj favoro de la registaro kun plena kontenteco ni konstatis la subtenon de la Pariza gazetaro per detalaj raportoj, en kio multan meriton havas senlacaj organizintoj S-roj Delanoue kaj Agourtine. *A. Ĉ.*

* * *

## *Koncerto de la Pariza grupo.*

Vendredon vespere en salono de „Petit Journal" la Pariza esperantista grupo, prezidata de S-ro Warnier, ĝentile bonvenigis ĉiujn eksterlandajn delegitojn (entute 400 p.) al muzika-literatura festo tre sukcesa.

Kantis S-ino Brothier, F-ino Gallois-Brucker, S-ro Grosset kaj la ĉarma Marga Rineta, de la „Verda Kato", kiu disĵetis rozojn al la aŭdantaro. Ludis pianon S-ro Moulin kaj violonon S-ro Wagner. Prezentis filmojn S-ro Tedesco kaj aktis la komedion „Angla Lingvo sen Profesoro" de Tristan Bernard, la kutimaj amatoroj de la „Verda Kato", F-inoj Marga Rineta, Cecilia Sampson, S-roj Dubois Echard, Le Cornec, Gabory, Major, Papesch, tre aplaŭditaj.

En la fino D-ro Privat kore dankis en la nomo de ĉiuj invititoj.

# Internacia Konferenco

## por la uzo de Esperanto en Komerco kaj Industrio.

## Paris — 14-17 majo 1925.

### Solena malfermo (14 majo)

en la Palaco de la Komerca Ĉambro de Paris
27 avenue Friedland.

*

Je la 3a horo S-ro **Kempf**, prezidanto de la komerca ĉambro de Paris, en franca lingvo solene malfermas la konferencon.

Unue li salutas la reprezentantojn de la komerca ministrejo S-ron Léonard, sciigante, ke la ministro mem pro subita forvojaĝo bedaŭrinde ne povos ĉeesti. Li aludas per elokventaj vortoj al la granda signifo de Esperanto por komerco kaj industrio kaj atentigas pri la grandaj sukcesoj de la esperanta movado. Li speciale memorigas la deziron de la komerca ĉambro de Paris koncerne Esperanton kiel „lingvo klara“. Same kiel la tekniko forigas distancojn fizikajn, tiel lingvo internacia forigas distancojn spiritajn.

S-ro **Léonard**, reprezentanto de la ministrejo por komerco kaj industrio kaj de poŝto, telegrafo kaj telefono, transdonas la korajn bondezirojn de la ministro S-ro Chaumet, kiu petis, ke post la konferenco oni bonvole afable sciigi lin pri la deziresprimoj kaj rezultatoj de la konferenco.

S-ro **Baudet**, industriulo kaj trezorestro de la komerca ĉambro de Paris, post tio en tre klara Esperanto varme salutas ĉiujn ĉeestantojn kaj atentigas pri la rolo de la ĉambro de komerco de Paris, okaze de la komerca konferenco antaŭ du jaroj en Venezia.

D-ro **Nuyts**, prezidanto de la franca societo Esperanto et Commerce, en franca lingvo entuziasme akcentas la intereson de la komerca ĉambro de Paris pri Esperanto. Li direktas la atenton al la granda rolo de la metropolo Paris kiel animo de ĉiu progreso; li esprimas profundan dankemon al la prezidanto S-ro Kempf kaj al la komitato de la foiro de Paris. Aparte amikajn vortojn li adresas al S-ro Baudet, kiu ebligis tiun grandiozan aranĝon kaj ŝparis nek pri tempo, nek pri klopodo por efektivigi la konferencon, kaj finas sian paroladon per resumo en Esperanto.

S-ro **Hromada**, reprezentanto de la komerca ĉambro de Hradec Králové (Königgrätz), de la foiro de Praha kaj de la societo de bankoficistoj de Ĉeĥoslovaka Respubliko dankas en Esperanto en la nomo de tiuj organizaĵoj pro la invito kaj esprimas sian dankan admiron, ke ĝuste la komerca ĉambro de Paris donis la iniciaton, ke estu forigataj la malfacilaĵoj lingvaj, pro kiuj suferas precipe malgrandaj nacioj de Centra Eŭropo.

S-ro **Edmonds**, reprezentanto de angla komitato por internacia komerca lingvo, alportas la koran saluton de la anglaj interesatoj por Esperanto en la komerco. Li rimarkigas, ke en unu-lingva lando kiel Britlando oni ne tiel sentas la neceson de internacia helplingvo; sed tamen oni pli kaj pli vigle sekvas ĝian disvolviĝon.

S-ro **Triaca** de la itala komerca ĉambro de Paris, kiu samtempe reprezentas dekkvin italajn ĉambrojn, en franca lingvo esprimas sian ĝojon pri la nova ebleco sukcese subtenadi Esperanton por komercaj celoj. Kiam, antaŭ du jaroj, la komerca ĉambro itala por Svislando sugestis la konsideron de Esperanto kiel internacia helplingva de komerco, certa aro da italaj ĉambroj senhezite aliĝis al la preparo de tiu kampo.

S-ro **Kenn**, reprezentanto de la komercaj ĉambroj de Pekin, Tientsin (Ĉinlando), Makassar (Oceanio) kaj de Siam, akcentas la specialan signifon kiun havas Esperanto por la komerco de Ekstrema Oriento. Nun, angla lingvo estas tre uzata en Oriento; sed ellerni ĝin estas tre malfacile por tiuj landoj. Jam pligrandiĝas la nombro de korespondaĵoj en Esperanto alvenantaj el Eŭropo kaj aliaj kontinentoj. Estas dezirinde, ke tiu uzado de Esperanto plue montriĝu kiel tre avantaĝa por la ekstremorientaj landoj.

S-ro **Kreuz**, reprezentanto de la foiro de Frankfurt, salutas la konferencon kaj dankante substrekas la emon de la foiro de Frankfurt ĉiam partopreni ĉiujn internaciajn aranĝojn kiuj celas la progresigon de Esperanto en komerco kaj industrio; cetere de multaj jaroj ĝi uzas Esperanton publike. Li esprimas sian specialan ĝojon pri la vere internacia karaktero de la konferenco, en kiu partoprenas egalrajte ĉiuj nacioj. Se aliaj gravaj komercinstitucioj, laŭ simila graveco kiel la komerca ĉambro de Paris, sekvos la ekzemplon de la iniciatintoj de l' konferenco, ni baldaŭ alvenos al vere internacia vivo, vere internacia komerco kaj vera tutmonda paco, pri kio sopiras la homaro. — Li samtempe transdonas la bondezirojn de la interfoira komisiono al kiu partoprenas la foiroj de Leipzig, Reichenberg, Praha, Breslau, Padova, Malmö, Ljubljana, Barcelona, Valencia kaj Helsinki. Li estas ankaŭ komisiita por bondeziri la konferencon en la nomo de la komercaj ĉambroj germanaj reprezentitaj tie ĉi.

S-ro **Ĉe** en la nomo de la rumana ministrejo de komerco kaj industrio deziras plenan sukceson al la laboroj farotaj. Ĉefe la malgrandaj ŝtatoj, kies lingvon oni ne uzas ĝenerale internacie, havas specialan profiton el la uzo de Esperanto.

S-ro **Pascalis**, iama prezidanto kaj nun honora prezidanto de la komerca ĉambro de Paris, franclingve bondeziras la konferencon, al kiu li sekvas kun plej granda intereso. Li mem, siatempe, estis feliĉa instigi la unuaniman iniciaton de la interesa eksperimento por enkonduki Esperanton en la komercajn lernejojn. Malgraŭ sia aĝo li penis ellerni Esperanton kaj, kiel ĝojigan rezultaton, alparolas la ĉeestantojn en tre lerta kaj sprita maniero en Esperanto kun bonega elparolo.

S-ro **Kempf** esprimas sian bedaŭron, ke li ne ankoraŭ povas imiti tiun mirindan ekzemplon de S-ro Pascalis, sed estas fiera, ke li povas prezidi tiun konferencon.

Laŭ propono de D-ro **Nuyts** oni unuanime elektas S-ron Pascalis kiel honoran prezidanton de la komerca konferenco.

D-ro **Privat** en la nomo de la itala komerca ĉambro por Svislando proponas S-ron Baudet kiel prezidanton de la konferenco, kore dankante lin kaj aplaŭdante la bonegan preparadon de la konferenco.

Vigla aplaŭdo sekvas al tiuj proponoj; ambaŭ sinjoroj volonte akceptas tiujn postenojn kaj S-ro Baudet speciale promesas, ke li agos laŭ sia tuta povo, kvankam li sin ne konsideras kiel idealan gvidanton de la debatoj.

Poste oni elektas kiel vicprezidantojn de la konferenco S-rojn D-ron Nuyts, D-ron Privat kaj Edmonds; kiel sekretariojn S-rojn Dény, Hromada kaj Kreuz.

La kunsido estas interrompata, la ĉeestantoj partoprenas al afabla invito de l' ĉambro al taso da teo en apuda salono.

La solena kunsido poste konfirmas la programon de la konferenco kun kelkaj modifoj.

Fino de la kunsido je la 5a horo.

## Unua Laborkunsido

la 15an de majo 1925, en Foiro de Paris.

S-ro **Baudet** malfermas la unuan laborkunsidon je la 10³⁰, dankas denove al ĉiuj, kiuj bonvolis sekvi la inviton al kunlaborado kaj donas la parolon al S-ro Hrómada.

S-ro **Hromada** raportas tre koncize pri la ĝenerala stato de Esperanto en Ĉeĥoslovakio; oficiala instruado de Esperanto okazas en gimnazioj aŭ en real-lernejoj de Přibram (gimnazio 43 lernantoj), Jilemnice (gimnazio 35 lernantoj), Trutnov, 36 lernantoj, Bratislava (23 lernantoj en reallernejo — en 1924, 33 lernantoj). En burĝaj lernejoj Třebíč (90 lernantoj), Bystřice (20 lernantoj), Bratislava (16 lernantoj), Kutná Hora (21 lernantoj, en 1924 61 lernantoj), en la minista altlernejo en Přibram 17 lernantoj.

S-ro Hromada raportas poste ke ministra Dekreto de la jaro 1921 permesas oficialan instruadon de Esperanto en komercaj akademioj kaj ke tiu ĉi lingvo estas instruita en la jaroj 1922 ĝis 1923 en la komercaj Akademioj de Bratislava kun 14 lernantoj, Hradec-Králové kun 16 lernantoj. En 1924 ĝis 1925 funkcias oficiala instruado en komerca akademio en Hradec Králové kun 17 lernantoj. Iuj privataj komerclernejoj enkondukas de tempo al tempo kursojn de Esperanto, nunjare tiu de S-ro Bednář en Brno.

**Komerca Adresaro.** Por respondi al programpunkto: kiel uzi esperantajn organizojn en la servo de internacia komerco? S-ro Hromada raportas pri starigo de adresaroj de komercaj firmoj, kiuj kapablas korespondi en Esperanto. Li informas ke, en lia lando, estas preskaŭ 500 firmoj komercaj kaj industriaj kiuj, de nun, povas korespondi en Esperanto, ĉu pro tio ke estas esperantistoj inter la oficistaro, ĉu per tio ke la ĉefoj aŭ posedantoj estas esperantistoj.

Li esprimas la deziron ke, ankaŭ en la ceteraj landoj, oni provu uzi la forton kuŝantan en la Esperanto-organizo kaj starigu tian adresaron, ĉar nur tiam la entreprenita ĉeĥoslovaka adresaro akiros plenan valoron.

Dume, ĝis nun teoriaj aproboj de diversaj organizoj restis sur-paperaj ĝuste pro manko da oficistoj konantaj Esperanton, la esperantistoj lasas neuzita la scion kaj forton de la sufiĉe granda armeo da oficistaro diverslanda kaj diversfaka. La aranĝo de la adresaro en Ĉeĥoslovakio ĝuste montras vojon por uzi tiun forton.

Li esprimas la deziron, ke tiu ĉi konferenco pritraktu la detalon de la tuta aranĝo.

S-ro **Kreuz**, reprezentanto de la Foiro de Frankfurt, donas raporton pri la ampleksa uzo de Esperanto por reklamo en la Foiro. Jam de ses jaroj la foiro uzas Esperanton kun granda sukceso: ĝia uzo ne nur limigas sin je reklamado kaj korespondado, sed ankaŭ artikoloj en Esperanto aperas en la foiraj gazetoj. Bonega propagandilo estas la katalogo de la foiro kun granda vara registro en 4 lingvoj kaj en Esperanto. Dum la tuta tempo de l' reklamo, la foiro forsendis pli ol 200.000 presaĵojn kelkpaĝajn en Esperanto. La vara registro en pli ol unu miliono da ekzempleroj disvastiĝis. Interese estas ke Esperanto montras la kvaran rangon inter la 10 lingvoj uzataj de la foiro. Esperanto-artikoloj eliras preskaŭ regule en kelk-dek-miloj da ekzempleroj de l' foira organo.

Li mencias ankoraŭ la reklamon de la aliaj foiroj kies reprezentantoj ankoraŭ mem raportos laŭeble detale. Speciale konata estas la granda uzo de Esperanto per la Foiro de Leipzig.

S-ro **Ellersiek** speciale informas pri la konata firmo Mosse en Berlin, kiu, depost 1924, treege interesiĝas pri Esperanto. La eksperimentaj kursoj en Berlin instigis la firmon Mosse doni premion al la plej bone sukcesintaj lernantoj. Du el la premiitoj ĉeestas la Konferencon. De kelka tempo jam la „Berliner Tageblatt“, eldonata de la firmo Mosse, enhavas regulajn artikolojn aŭ kursojn de Esperanto. Lastatempe la firmo aldonis al branĉa registro de sia fame konata adreslibro kelkvoluma de Germanujo kvar indeksojn en Esperanto. De kelka tempo la semajna eksporteldono de la sama gazeto enhavas Esperanto-rubrikon (komerca informado). Ĝi intencas, se montriĝos sufiĉa perspektivo al ekzistado, eldoni semajnan eldonon tute en Esperanto. Ĝi antaŭvideble ne havos profiton de tio, sed ĝi esperas ĝin havi iom poste.

S-ro Ellersiek atentigas pri la praktika laboro de la komercista esperantista grupo en Dresden, kiu laboras tre praktike per eksporto kaj importo de artikloj.

S-ro **Gabriels** donas raporton pri la stato de la uzado de Esperanto en komerco kaj industrio en Nederlando.

En Nederlando la movado estas ankoraŭ iom malhelpata pro pli granda inklino al naciaj lingvoj. Pro tio la komercistoj sciantaj Esperanton estas ne multenombraj. La starigo de porkomerca laboro de Esperanto en Nederlando datumas de fino de 1920 kiam, post fondo de la Common Commercial Language Committee en London, oni klopodis starigi similan komitaton en Nederlando.

S-ro Gabriels siatempe ĝin starigis (nederlanda esperanta komercoficejo) post interkonsento kun la estraro de nederlanda esperantista federacio (L. E. E. N.) La oficejo staras sur ekskluzive komerca bazo kaj montris konsiderindan sukceson. De kelka tempo ĝi starigis juristan kaj foiran fakojn kiuj funkcias bonege.

Koncerne Esperanto-kursojn, la Amsterdama Esperanto-Societo demandis al la tiea komerca ĉambro pri organizo de tiaj kursoj, sed ĝis nun ne ankoraŭ ricevis respondon.

La Rotterdama Esperanto-propaganda komitato faris similan peton al la komerca ĉambro en Rotterdam. Tiu ĉambro fondis komisionon por studi la problemon. La laboro ne jam finis. Klopodoj ĉe aliaj ĉambroj daŭras ankoraŭ.

Dank' al klopodoj de S-ro Isbrücker la grava gazeto „De Spiegel voor Handel en Wandel“ enhavas apartan Esperanto-rubrikon kun granda sukceso.

S-ro Gabriels klopodadas por pligrandigi la intereson de komercistoj al Esperanton kaj ĝoje konstatas ekinteresiĝon de gravaj entreprenoj. Li esperas ankoraŭ, ke aliaj samideanoj estonte helpos lian laboron kiu fariĝos iom post iom tre ampleksa.

Dank' al liaj klopodoj la foiro de Utrecht, kiu antaŭe malsimpatiis al nia movado, fine akceptis Esperanton kiel korespondan lingvon. Estas esperinde, ke el tiu korespondado iom post iom kreiĝu aparta fako kun vasta reklamo en Esperanto.

Resume povas esti dirata, ke la perspektivo de Esperanto en komerco nederlanda estas sufiĉe granda.

S-ro **Piño** el Valencia, ĝisnuna reprezentanto de la foiro de Valencia, sciigas, ke la foira komitato jam de longa tempo uzas Esperanton en sia reklamo. Sekve de la nunŝtata karaktero de la du foiroj Valencia kaj Barcelona, kiuj okazas alterne, li estas nur ne-oficiala delegito. La urbestraro de Valencia jam de la ekapero de Esperanto interesiĝas pri ĝi, same la komerca ĉambro de Valencia, kiu aliĝas al la konferenco. Estas menciinde, ke la februara numero de la organo de l' komerca ĉambro enhavis detalan raporton pri Esperanto en komerco.

S-ro **Gili-Norta**, delegito de la Kataluna Esperantista Federacio, informas, ke katalunoj ĝenerale ne havas grandan influon al komerco de sia lando. Pro tio la sukcesoj en Katalunujo ne estas grandaj. En la direkcio de la foiro de Barcelona troviĝas malnova esperantisto, S-ro Pujula y Vallés, kiu laŭpove akcelas Esperanton. La foiro de Barcelona jam de longe uzas Esperanton por sia reklamo kaj estis reprezentita en Praha kaj en Venezia. Pro similaj kaŭzoj kiel por Valencia la foiro ne nomis oficialan delegiton por la nuna konferenco. La komerca ĉambro de Barcelona estas sufiĉe esperantema, sed bedaŭrinde ne estas reprezentata.

Li rekomendas ĉiukaze, ke la diversaj korporacioj estu informataj pri la rezultato de la konferenco. Laŭ li la plej utila decido estas tiu por komerca adreslibro de esperantaj komercistoj, laŭ propono de S-ro Hromada.

D-ro **Vogt**, reprezentanto de la komercaj ĉambroj de Stuttgart, Augsburg kaj Villingen, konstatas, ke la intereso pri Esperanto en komerco ĉiutage kreskas en Germanujo. Li altiras la atenton al tiaj grandaj entreprenoj kiel Frankfurter Societäts-Druckerei en Frankfurt, entrepreno de la influhava komerca gazeto „Frankfurter Zeitung", kiu aperigis jam du verkojn de la konata politikisto Nitti en Esperanto. Li mencias la konatan eldonejon de fremdlingvaj ekzercogazetoj de Gebrüder Paustiam en Hamburg, kiu havas depost unu jaro esperantan eldonon apud siaj nacilingvaj eldonaĵoj. Ankaŭ la granda eldonejo Kosmos en Stuttgart interesiĝas pri Esperanto.

Laŭ li, la ideo de komerca adreslibro estas bonega helpilo por eluzo de la esperanta praktiko.

S-ro **Grenkamp** kiel pola reprezentanto sciigas, ke la komerca societo de Jaslo same kiel la komerca ĉambro de Kraków de longe simpatiis al nia movado. De la Krakova Kongreso jam la komerca ĉambro havas Esperanto-oficiston kaj ĉiujare aranĝas Esperanto-kurson.

S-ro **M. Dény** donas detalojn el la raporto de „Esperanto et Commerce", laŭ kiu la fama franca komerca adresaro Didot-Bottin, la plej grava en Franclando, daŭrigas sian favoron al Esperanto. Steloj estas presataj antaŭ la nomoj de firmoj kiuj akceptas korespondadon per Esperanto: pli ol 200 en Paris, 150 en provincoj. En la unuaj paĝoj de la volumo rilatanta al fremdaj landoj, post listo de profesioj kaj teknikaj vortoj en kelkaj lingvoj, estas aldonata simila listo en Esperanto. La faka teknika gazeto „Le Cuir" („La Ledo", ĉefredaktoro S-ro Gourlay) enhavas multajn poresperantajn artikolojn kaj ankaŭ la tradukon de rubrikaj titoloj en Esperanto. Klasigaj poroficejaj mebloj R. S. (René Seguin) uzas Esperanton por reklamaj broŝuroj.

Kiel lasta raportanto pri tiu temo parolas S-ro **Maĉernis** de Litova Esperanto-Asocio. En Litovio Esperanto renkontas sufiĉan intereson en komercaj rondoj kaj inter la instruistaro. Laŭ ministeria cirkulero ĝi estas fakultativa lernobjekto en lernejoj kaj en ĉiuj gimnazioj, ankaŭ en la universitato okazas kelkaj prelegoj. La registaro mem akcelas ĉion kaj la financministerio eĉ finance subtenas la aperadon de „Litova Stelo" per honorario al la redaktoroj. Komercaj entreprenoj, kiel Tillmanns, Tylka, fabriko de ĉokoladoj en Kaunas, jam de longe uzas Esperanton. La unua havas tri oficistojn esperantistajn. Pere de Esperanto-libristoj la ŝtato provizigis la universitatan libraron per aĉeto de eksterlandaj libroj. Granda komerca seminario aĉetis artiklojn per helpo de Esperanto en eksterlando. Ĉefaj lingvoj krom litova estas pola, rusa kaj germana. La ministerio antaŭ nelonge sciigis la ambasadorejon, ke estas dezirinde korespondi krom per litova kaj aliaj lingvoj precipe en Esperanto. Per tio oni parte ankaŭ sukcesis forigi la influon de eksterlandaj kapitalistoj.

*

La posta diskuto koncernas la utiligon de la konataj **Ĉefeĉ-ŝlosiloj.** S-ro **Baudet**, kies speciala atento direktiĝis al tiuj ŝlosiloj jam de kelka tempo, detale eldiras siajn argumentojn.

D-ro **Privat** vive aliĝis al tiu argumentado. S-ro Baudet estas tute prava. La ideo de la uzo de Ĉefeĉ-ŝlosiloj estas originala de Zamenhof mem. Dum la morgaŭa kunsido oni disdonos ducent ekzemplerojn de la ŝlosilo en franca lingvo.

Sekvas vigla diskuto pri la uzebleco de tiuj ŝlosiloj, el kiu rezultiĝas, ke ekzistas bezono reaperigi eventuale elĉerpitajn eldonojn. Vidiĝas ĝenerale, ke kelkaj preparoj jam estas faritaj. Por ilia reeldono en kontakto kun Centra Komitato por certigi la unuformecon devigas sin la sekvantaj personoj:

Lingvoj: Albana: ne ekzistas.
Germana: S-ro Ellersiek, Berlin; lia firmo jam faris la necesajn preparojn.
Flandra: troviĝas en preparoj, respondecas S-ro Schoofs en Antverpen, kiun oni petas samtempe interkonsiliĝi kun nederlandanoj.
Nederlanda: ekzistas ankoraŭ malgranda provizo; S-ro Gabriels prenas sur sin la taskon interrilati kun la flandroj pri la eldono flandra-nederlanda.
Bulgara: ne ekzistas.
Ĉina: ne ekzistas.
Hungara: elĉerpita; S-ro Balkanyi petos la Hungaran Instituton reeldoni.
Hispana: elĉerpita: S-ro Piño respondecas pri la reaperigo.
Greka: ne ekzistas.
Itala: ekzistas; reprezentanto ne ĉeestas.
Franca: preskaŭ elĉerpiĝis; Centra Librejo reeldonos kun „Esperanto et Commerce", kiu verŝajne aldonos komercan vortareton.
Finna: ekzistas.
Portugala: ekzistas.
Pola: antaŭ tri monatoj S-ro Grenkamp aperigis ŝlosilon ĉe „Esperantista Voĉo" en Jaslo.
Rumana: ekzistas, sed elĉerpiĝis; reprezentanto ne ĉeestas.
Serba: ne ekzistas.
Sveda: ekzistas; reprezentanto mankas.
Ĉeĥa: elĉerpiĝis; S-ro Hromada prezentos la proponon al la ĉeĥa Asocio.
Kataluna: ekzistas; antaŭ du jaroj oni faris novan eldonon kaj oni posedas kliŝoj por nova reeldono. Kataluna Esperantista Federacio respondecas pri la reeldono.
Litova: ne ekzistas; S-ro Maĉernis promesas eldoni ĝin.
Turka: ne ekzistas; reprezentanto mankas.

S-ro **Cart** klarigas ankoraŭfoje la metodon kiun oni antaŭe uzis kaj kiu ŝajnas esti akceptinda. Presa Societo, 33 rue Lacépède, Paris V, eble havas kelkajn kliŝojn, tiel la kostoj reproduktiĝos.

S-ro **Kreuz** akcentas la necesan diferencigon inter ĝenerala kaj komerca propagando. Laŭ li, estas tre rekomendinde eldoni Ĉefeĉ-ŝlosilojn kun komerca fakterminaro. Eventuale oni povas aldoni al la ĝisnuna eldono komercan terminaron. Ŝajnas al li ke estas speciale grava zorgi pri eldonoj en orientaj lingvoj por propaganda celo. Same koncerne la komercan aranĝon pri simila eldonaĵo de „Esperanto et Commerce".

S-ro **Dény** morgaŭ prezentos modelon aluditan.

S-ro **Balkanyi** rekomendas egalan eldonon de Ĉefeĉ-ŝlosiloj.

D-ro **Privat** petas pri tio nepre interrilati kun Centra Komitato en Genève.

En ĉiu lingvo ekzistas tiel nomata Ĉefeĉ-ŝlosilo; la konferenco rekomendas, ke ili estu kompletigataj per komercaj esprimoj por la uzo de Esperanto en komerco kaj industrio. Tiu terminaro povas esti eventuale aldonata al la ĝenerala eldono.

S-ro **Cart** informas, ke li jam kompiligis liston de komercaj esprimoj.

D-ro **Privat** petas S-ron Cart publikigi ĝin por la uzo. Tiun proponon S-ro Cart tuj akceptas.

S-ro **Delanoue** sciigas pri la invito de la revuo „Les Echos" kiu akceptos la konferencon posttagmeze je la 5.30 h.

Poste li sciigas rezolucion je la nomo de la teknika komerca lernejo „Pigier" en Perpignan, kiu jam de longe kaj unu el la unuaj komercaj lernejoj enkondukis la instruadon pri Esperanto en sian instruplanon. La lernintaro rapide interesiĝis pro la facila ellernebleco de tiu helplingvo kaj, dank' al ĝi, profitis

diversajn avantaĝojn rilate al la internacia komerca scikapableco. La helplingvo Esperanto nepre devas alplenigi la komercan instruadon.

La komerca teknika lernejo „Pigier“ en Perpignan deziresprimas:

1e ke en la tuta mondo la helplingvo Esperanto estu devige instruata ĉe ĉiuj komercaj lernejoj;

2e kaj ke en ĉiuj landoj la komercaj ĉambroj favore helpu al instruado de tiu ĉi lingvo.

* * *

## Dua Laborkunsido

la 15an de majo 1925, en la Foiro de Paris.

S-ro **Baudet** je la 3$^{20}$ h. malfermas la kunsidon kaj laŭtlegas raporton pri la ĝisnunaj laboroj de la komerca ĉambro de Paris rilate al Esperanto.

*Gesinjoroj,*

Jam de la unua komerca konferenco por la uzado de Esperanto, kiu okazis en Venezia je aprilo 1923, du jaroj forfluis.

Tuj post mia reveno el Italujo, kie mi havis la honoron reprezenti la komercan ĉambron de Paris, kiel ankaŭ hodiaŭ por tiu ĉi nova konferenco, mi senprokraste redaktis kaj proponis al tiu ĉi kompanio raporton pri la ellaboraĵoj de la kongreso.

Okaze de tiu raporto, mi sciigis miajn kolegojn pri la ĉarma solenricevo, kiun faris al ni niaj italaj amikoj, kaj ankaŭ pri la komunikaĵo, kiun oni estis petinta de mi kaj kiun mi faris pri la situacio de Esperanto en Franclando laŭ la komerca vidpunkto.

La komerca ĉambro decidis publikigi mian raporton, kun la reprodukto, kiel aldono, de tiu komunikaĵo *esperante redaktita*. Se mi atentigas vin pri tiu ĉi okazo, tio estas tial, ke unuafoje la komerca ĉambro de Paris publikigis esperantan tekston en sia oficiala bulteno.

De tiam, laŭ peto de nemalmultaj komercistoj kaj industriistoj, mi faris en Paris paroladon, kies konkludo kaj rezultato estis la tuja fondo de asocio, kies nomo „Esperanto kaj Komerco“ montras la tutan programon.

Tiu ĉi nova asocio, prezidata de D-ro Nuyts, industriisto agema kaj fidanta la sukceson de Esperanto, kiun li ĵus eklernis depost nelonga tempo, nepre deziris pruvi sian vivpovon, organizante en Paris tiun ĉi internacian konferencon por la uzado de Esperanto en komerco kaj industrio, kiu hodiaŭ kunigas nin.

Insiste instigite de prezidanto D-ro Nuyts por patroni kaj subvencii tiun aperigon, la komerca ĉambro de Paris akceptis, montrinte ankoraŭ alifoje sian simpation por la helpa lingvo, kapabla plifaciligi la komercajn interrilatojn.

Tiun simpation la kompanio, kies membro mi havas la honoron esti, pruvis alifflanke, daŭriginte la esperantajn kursojn en siaj komercaj lernejoj.

Mi devas sciigi, ke, se tiuj kursoj estas laŭvolaj ĉe la jenaj lernejoj:

Ecole des Hautes Etudes Commerciales
Ecole Supérieure Pratique de Commerce et d' Industrie
Ecole Commerciale de la Rive Droite
Ecole Commerciale de la Rive Gauche,

ili estas, kontraŭe, devigaj ĉe la Ecole de Haut Enseignement Commercial pour les Jeunes Filles, direktita de Fraŭlino Sanua, kaj ligita al la komerca ĉambro de Paris jam de unu jaro.

La komitato de la Pariza foiro, per malavara subvencio kaj per la disponigo al ni de siaj lokoj kaj oficoj, multe helpis ankaŭ por la sukceso de tiu ĉi konferenco.

Estas fine grupo, kiun ni devas danki pro ĝia iniciatemo kaj ĝia agemo: tio estas „Asocio Descartes“ prezidata de S-ro Grandjean.

Tiu ĉi asocio havas la nomon de granda franca filozofo, kiu vivis je la deksepa jarcento kaj skribis la faman paroladon pri la metodo.

Sed — kion ne ĉiuj scias — Descartes estis duonantaŭvidinta Esperanton. Jen kion li skribis je la jaro 1629 al Patro Marsenne: „Kreonte lingvon, en kiu estus nur unu maniero por konjugi, deklini, kaj konstrui la vortojn, en kiu neniu vorto estus malregula (kio estas lingvodifektaĵoj), kaj eĉ en kiu la diversiĝo kaj konstruo de la vortoj aŭ de la verboj fariĝus per prefiksoj aŭ sufiksoj, kiuj estos ĉiuj entenitaj en la vortaro, ne estos mirige ke eĉ la vulgaraj spiritoj lernos, post malpli ol ses horoj, skribi en tiu ĉi lingvo, per la helpo de la vortaro.“

Bonvolu senkulpigi min pri la citaĵo de tiu ĉi teksto; sed estas nepre trafa, ke nova asocio, kiu ricevis la nomon de Descartes pro sia intereso por ĉio, kio estas logika kaj metoda, stariĝas ankaŭ apud la fama filozofo. aliĝante al artefarita lingvo, kiun lia logika kaj metoda intelekto estis antaŭvidinta kaj difininta.

La asocio Descartes estas, kiu realigis en Paris la deziresprimon de la konferenco de Venezia pri la praktikado de Esperanto en la komerco.

Jam de la lasta monato decembro, ĝi anoncis la Majan Konferencon, kaj decidis krei ĉiusemajnajn kursojn, po dudek lernantoj, por la ekspoziciontoj en la fako de la modernaj oficaĵoj ĉe la foiro de Paris, kaj por ebligi iliajn kunlaborantojn prezenti esperante iliajn komercaĵojn al la eksterlandaj aĉetantoj partoprenontaj en la konferenco.

Ĝi registris proksimume 100 lernantojn.

Post dek ordinaraj lecionoj okazis kvin perfektiglecionoj speciale pri la komercaj terminoj.

1e komerca organizo
2e la varoj (manipuloj, pakado, transporto)
3e la interŝanĝoj kaj la oficlaboro
4e kontregistrado, banko, borso
5e la moderna oficejo.

Tiu instruado, efektivigita sub la lerta gvido de P-ro Cart, kaj de S-ro Bobin, efikis plej bone.

Ni nepre deziras sciigi, ke inter la lernantoj, estis S-ro Pascalis, eksprezidanto de la komerca ĉambro de Paris, kaj honorprezidanto de tiu ĉi konferenco, kiu, pro siaj multnombraj okupoj, estis neniam povinta lerni Esperanton, kvankam li aprobis kaj rekomendegis ĝin speciale ĉe la komerca ĉambro je decembro 1920.

Kompreneble la tro malmultaj lecionoj ne ebligas ankoraŭ la lernantojn koni tre multajn vortojn: sed ĉiuj estas kapablaj traduki kaj skribi korekte leteron kun la helpo de la vortaro, kaj ili povas eĉ komprenigi sin parole, kion vi povos kontroli sabaton travidonte la Ekspozicion de la Moderna Oficejo.

La eminenta prezidanto de l' Asocio Descartes havis alian favoran iniciaton: li decidis fari dimanĉon internacian konkurson pri esperanta maŝinskribado por valorigi samtempe kun la lertaj kunlaborantoj, kiuj povas skribi rapide kaj korekte, aukaŭ la maŝinojn kiuj, ĉefe dank' al la arango de la supersignoj, taŭgas plej bone por la uzado de l' universala lingvo.

Mi finas tiun tro longan raporton.

Mi tamen deziras profiti la ĉeestadon ĉi tie de la multnombraj delegitoj de tutmondaj komercaj ĉambroj por danki ilin pri ilia grandvalora kunlaborado, kaj por proponi la deziresprimon, ke la temo pri la helpa lingvo Esperanto estu tuj pridiskutata de ĉiuj ekonomiaj grupoj, kiuj ĝis nun ne okupis sin pri ĝi.

Mi plezure disponigos al ili la tutan dokumentaron kaj la sperton akiritan jam de kvar jaroj pri tiu ĉi temo, de la komerca ĉambro de Paris.

La kunsido aplaŭdas la modelan raporton de S-ro Baudet kaj oni esprimas la deziron, ke ankoraŭ multaj komercaj ĉambroj sekvu tiun imitindan ekzemplon.

Poste S-ro **Grandjean**, prezidanto de la Asocio „Descartes“, kiu organizas la ekspozicion de „Halls du Bureau Moderne“, laŭtlegas raporton el kiu rezultas la jeno:

„Kursoj pri Esperanto organizitaj de la Asocio Descartes: Profesoroj S-roj Cart, Robert, de Lajarte, Bobin; F-ino Royer, ses kursoj kun la lernolibro „Esperanto en dix leçons“; entute 20 gelernantoj; inter ili atentinda nombro da firmestroj. Pli ol 80 gelernantoj ĉeestis la kurson ĝis la lasta leciono.

Inter tiuj lernintoj, citinda estas S-ro Pascalis, eksprezidanto de la komerca ĉambro de Paris.

Plian kurson oni starigis po 5 lecionoj pri la komerca uzado de Esperanto; ĝin ĉeestis 30 lernantoj.

La 1a serio de tiuj kursoj komenciĝis dum decembro 1924; la 2a serio dum februaro 1925. Entute 4 monatoj.

La lernintaro komprenas, legas kaj skribas Esperanton; sed, pro manko de praktika ekzerco, ne povas paroli.

Oni volas rekomenci tiun memvolan studadon kaj pligravigi ĝin en la komercaj rondoj laŭ faka vidpunkto.“

S-ro Baudet kore gratulas pro tiu bonega laboro al S-ro Grandjean.

S-ro **Behrendt** informas pri la eksperimenta kurso en Berlin kun partopreno de 15 fervoraj lernantoj; la rezultato, post tri monatoj, estas bonega. La firmo Mosse subtenis du el la kursanoj per premio de vojaĝo al Paris kaj delegis oficiale kaj je siaj kostoj S-ron Behrendt.

S-ro **Edmonds** raportas pri la kursoj en Anglujo, kie estas aparta komitato sin okupanta pri la afero. Ne estis facile sufiĉe klarigi al la angloj la signifon de tiaj kursoj kiuj tamen sukcesis bonege. S-ro Edmonds bedaŭrinde ne povis respondi al ĉiuj informpetoj pro personaj malfacilaĵoj dum la vintro, sed li ĝoje konstatas la bonan rezultaton de la eksperimento en dek landoj, kies reprezentantojn li vokas unu post alia.

Post li, laŭ instigo de S-ro Behrendt, parolas unu el la Berlin'aj premiitoj de Mosse kiu montras evidente la bonegan sukceson de la afero. S-ro **Scheuermann** senprepare parolas flue kaj surprizas per bonega regado de la lingvo.

S-ro **Baudet** gratulas pro tia sukceso kaj esprimas la sinceran deziron, ke tiu ekzemplo ripetiĝu multfoje.

Post li S-ro **Wadham** raportas pli detale pri la anglaj kursoj. Oni donis premiojn ĝis 15 anglaj funtoj; la rezulto estis eksterordinare bona. Li laŭtlegas kelkajn originalajn leterojn kiuj konfirmas la raporton. Kiel lernolibro oni uzis:

First steps in Esperanto!

S-ro **Edmonds** petas, ke oni sendu atestleteron de lernantoj post reveno al sia urbo.

D-ro **Privat** estas preta akcepti du paĝojn en la gazeto „Esperanto“ por ilia diskonigo. Li petas, ke oni sendu ilin al S-ro Kreuz; samtempe li proponas dulingvan publikigon de ili.

S-ro **Scholze** el Reichenberg raportas pri la sama bonega rezultato de la tiea kurso. Li legas kelkajn leterojn, el kiu la plej malbona enhavas nur du erarojn.

S-ro **Schools** diskonigas la malfacilaĵojn kiujn li havis por konatigi la aranĝon de la kursoj. La komerca ĉambro nur hezite interesiĝis. 70 aliĝoj okazis. La lernantoj interkorespondadas kun diversaj landoj. 19 partoprenantoj plenumas nun ekzamenadon laŭ decido de K. R.; 2 premiitoj ĉeestas la konferencon.

La prezidanto akceptas la proponon aŭdigi unu premiiton.

Laŭ tio F-ino **Spira** tre flue kaj senerare parolas antaŭ la ĉeestantoj kaj tiel donas vivantan ekzemplon pri la efektiva sukceso de la kursoj.

S-ro **Balkanyi** konigas la fakton, ke sub la aŭspicioj de hungarlanda privatoficistaro oni faris la eksperimenton: 12 personoj finis sukcese. La unuiĝo decidis estonte fari similajn kursojn.

S-ro Balkanyi reprezentas 5 hungarajn komercajn ĉambrojn.

S-ro **Hefti** sciigas, ke en La Chaux de Fonds 7 personoj finis sukcesplenan kurson sub la protekto de altaj kaj diversaj komercaj institucioj. Li sciigas, ke 18 firmoj en la Chaux de Fonds montris vivan intereson pri la tuto.

D-ro **Privat** kore dankas al ĉiuj kiuj tiel fervore kaj persiste plenumis la aranĝan taskon de la kursoj kaj esprimas sian profundan esperon, ke tiuj sukcesoj pli multiĝu laŭ senlima amplekso. Li gratulas S-ron Edmonds pri la sukceso de lia iniciato.

S-ron **Baudet** aliĝas al tiu dankesprimo kaj sciigas la ĵusan delegon de reprezentanto de la hungara ministrejo.

S-ro **Piño** informas, ke la hispana registaro ĵus akceptis Esperanton kiel lingvon klaran kaj per tio montris sian varman intereson pri la afero. Li transdonas samtempe telegrafan bondeziron de la Iberia Federacio Esperantista.

S-ro **Baudet** petas la kunsidon unuanime akcepti rezolucion favoran al stenografio de S-ro Flageul, al kiu invito tuj sekvas la kunsido. Jen la teksto: La Internacia Konferenco por la uzo de Esperanto en komerco kaj industrio okazanta en Paris de la 14a ĝis la 17a de majo 1925 akceptis la sekvantan deziresprimon:

„Por helpi la normalan disvastiĝon de Esperanto, estas dezirinde, ke ĉiuj esperantistaj organizoj instigu siajn membrojn al lernado de esperanta stenografio; aliparte, por pligrandigi la profesian valoron de la stenografistaro, estas dezirinde, ke ĉiuj stenografiaj societoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanto.“

Post tio la kunsido estas fermata je la 4.30 h.

*

### Vizito al la revuo „Les Echos“.

Je la 5a granda parto de la konferencanoj rekuniĝas en la kunsidejo de „Les Echos“. S-ro **Schreiber**, direktoro de „Les Echos“, afable salutas la ĉeestantojn, esprimante sian bedaŭron, ke li ne ankoraŭ parolas en Esperanto.

S-ro **Baudet** en elokventa parolado vidigas la specialan signifon de la revuo „Les Echos“ kaj la apartan meriton de S-ro Schreiber, kiu de kelka tempo aperigis notojn pri Esperanto en sia revuo. S-ro Baudet proponis al li tutan paĝon en Esperanto. S-ro Schreiber inklinas al tiu propono, se la realigo iel montros utilon.

En la nomo de la redakcio D-ro **Fruictier**, malnova pioniro de la poresperanta movado kaj konata en la instrua literaturo, en mirinda stilo alparolas la ĉeestantojn. Post li parolas S-roj **Edmonds, Scholze kaj Kenn,** kaj fine ankoraŭ en la nomo de „Berliner Tageblatt“ S-ro **Behrendt.**

Post tiu ceremonio de amika akcepto S-ro Schreiber invitas al glaso da ĉampanvino kaj al kelkaj frandaĵoj.

* * *

## Tria Laborkunsido

Sabaton, la 16an de majo, en la Foiro de Paris.

Malfermo de la kunsido je la 10[20] h.

La prezidanto, S-ro **Baudet** informas, ke la ministro de komerco kaj industrio, S-ro Chaumet, delegis pro neebleco mempartopreni la kunsidon, S-ron Léonard, sian kabinetĉefon.

S-ro Léonard lin reprezentos ankaŭ dum la vespera bankedo.

Post la legado de danktelegramo alveninta de la itala komerca ĉambro por Svislando, S-ro **Cart** parolas pri la komercaj vortaroj. Li prezentas multobligitan projekton kaj petas ke oni sendu al li rimarkojn pri ĝi. Pro simpla orientado, li petas tujajn rimarkojn pri prefero aŭ malprefero de kelkaj dubaj

esprimoj. Rezultas ke oni preferas „artiklo“ jam uzita delonge anstataŭ „artikolo“ (komerca). Same estas pri poŝtŝipo (kurier) anstataŭ pakboto energie rifuzita; pri freto anstataŭ frajto; ankaŭ debeto por ŝuldo, estas preferita al debito, kiu jam havas apartan signifon.

S-ro Cart notas tiujn rimarkojn kiuj absolute ne estas voĉdono: li petas ke oni sendu al li sian opinion por ke la Lingva Komitato ekzamenu ĉu rekomendo de la vortoj estu farata.

S-ro **Kreuz** respondas al tio, ke rekomendo de vortoj tute ne sufiĉas por certigi la nuran uzadon de aprobitaj vortoj, sed ke oni devus *oficialigi* tiujn vortojn kaj konatigi la rifuzitajn formojn. Nur el tia procedo povos kristaliĝi unueca formo de nia lingvo kaj de faklingvo speciale. Kvankam plimulto uzas nur unu formon kaj senkonvencie uzas ĝin, la Lingva Komitato neniel zorgas pri tiu necesa ordigado.

La ĉeestantoj plene aliĝas al tiu opinio por eviti ĥaoson en la lingvo.

S-ro **Cart** akceptas aĝi laŭ la rekomendo.

S-ro **Edmonds** parte legas interesan manuskripton de S-ro Rollet de l' Isle pri lia ĵus verkita 40-paĝa nova lernolibro enhavante novan metodon por la instruado de Esperanto per legado kaj rezonado.

La metodo konsistas el tio, ke oni lernas traduki esperantan tekston, *uzante vortaron*, kaj reciproke traduki nacilingvan tekston, *uzante vortaron nacilingva-esperantan.*

Oni proponas kaj decidas transdoni la manuskripton al la Ĝenerala Sekretario de C. K. por eventuala pritrakto en la Komitato.

S-ro **Hromada** petas ankoraŭ informon de delegitoj pri aliaj provoj de vortaro.

S-ro **Ellersiek** sciigas ke li intencas eldoni liston de branĉonomoj kiujn li tradukis por Mosse kiel aparta libro. Li krome sciigas ke Mosse eldonos kiel eble plej baldaŭ komercan gazeton en Esperanto, ĉu semajne, ĉu monate, laŭ la eventuala nombro de abonontoj. Minimuma bezono estas 5.000. La saman eldonciferon Mosse disponas por propagando. Li proponas rezolucion laŭ kiu K. R. kaj UEA estu petataj kolekti por Mosse la necesan minimuman adresciferon. Al demando pri proksimuma prezo, S-ro Ellersiek respondas, ke ĝi estos 0.25 Mk.

Opinion de S-ro **Wadham**, ke „Ekonomia Kuriero“ povus esti mortigita per tiu nova gazeto S-ro **Kreuz** neas, dirante, ke ĝi ne plu aperos.

Oni decidas transdoni la proponon al K. R. por esplorado kune kun UEA.

Post tio, oni akceptas proponitan rezolucion pri gramofondiskoj de S-ro **Bonnard**, Bizerte (Tunizio), kiu tekstas laŭjene.

S-ro **Bonnard** el Bizerte, rekomendas, ke estu uzataj gramofondiskoj kun modelaj tekstoj en Esperanto, kiuj lernigus al la komencantoj la korektan elparolon de Esperanto.

La Internacia Kongreso rekomendas al la komencantoj la uzadon de la skribmaŝino kaj de la gramofono.

La skribmaŝino familiarigos precipe la literojn proprajn al Esperanto; ĝi akcelos kaj faciligos la unuajn lecionojn, kaj la kunmeton de materialo por konversacio kaj komerca korespondado.

La gramofono ripetos frazon en Esperanto tiom, kiom estas necesa, por ke la orelo kutimiĝu kaj ke la parolo reproduktu tiun frazon.

Modelaj gramofonaj diskoj donos la bonan elparolon kaj povos esti turnataj pli aŭ malpli rapide. Oni povos kutimiĝi al konversacio pli aŭ malpli rapida.

Aliaj diskoj faciligos la komprenadon de Esperanto elparolata de komencanto, eĉ japano, arabo . . . ktp.

S-ro **Kreuz** aldonas ke C. K. jam faris la neceson por fabrikigi diskojn.

D-ro **Nuyts** sciigas la aperon de doktora tezo de S-ro Poncet pri vakcinado kaj, gratulante S-ron Poncet pro la aldonita resumo, rekomendas ĝian uzon por varbado en sciencaj rondoj. La tezo mem estis kompilita dank' al internacia helpantaro esperantista.

Montriĝas ke rilate la kreon de komerca adresaro ne tre multe estas farita. Oni akceptas la rekomendon de S-ro Hromada al Naciaj Societoj fari sian eblon por baldaŭ aperigi kie eble plej detalan adresaron laŭ la jena formo:

La konferenco, aŭdinte raporton ke, en kelkaj landoj, notinda nombro da firmoj havantaj esperantiston inter sia oficistaro, deklaris sin pretaj respondadi eksterlandajn leterojn en Esperanto kaj enkonduki tiel internacian komercan korespondadon, petas al Naciaj Societoj Esperantistaj fari ĉiun klopodon por starigo de adresaro de komercaj firmoj ankoraŭ dum la nuna jaro.

S-ro **Spielmann** je la nomo de Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf - Oficistoj (I. L. E. P. T. O.) prezentas la jenan deziresprimon, kiun la konferenco decidas transdoni al C. K. por laŭnecese fari.

La Internacia Ligo de Esperantista Poŝta kaj Telegrafa Oficistaro kaj la Internacio de l' P. T. T. Personaro, konsiderante ke la telegrafo estas unu el la plej gravaj helpiloj de l' Komerco, proponas ke la Internacia Konferenco por la uzo de Esperanto en Komerco petu la venontan Kongreson de la Internacia Telegrafa Unio, kiu kunvenos en Paris, dum venonta septembro, decidu:

1e akcepti Esperanto kiel klaran telegramlingvon por la internacia telegrafio,

2e akcepti Esperanton kiel klaran lingvon telegraman en la prokrastitaj telegramoj, en la rilatoj kiuj akceptas tiun specialan servon. Tiaj telegramoj estu signitaj per la literoj: L. C. E. (langage clair esperanto).

Kiel lastan punkton oni akceptas rezolucion de **„Esperanto et Commerce“**, kiu rekomendas la fondon de komercaj asocioj esperantaj en ĉiuj landoj, kie ili ne ankoraŭ ekzistas. Tiuj ĉi asocioj devos interŝanĝi informojn kaj iel esti en konstanta interrilataro.

Same estas akceptata rekomendo de S-ro **Balkanyi**: „Laŭ spertoj de kelkaj vojaĝoficejoj kaj fremduloficejoj, oni povis faciligi la vojaĝon por grupoj de esperantistoj, pro kio la konferenco rekomendas, dum vojaĝoj, aranĝi ĉion per tiaj oficejoj, kaj la oficejoj aranĝu pli ofte vojaĝojn per Esperanto.“

Oni sciigas al demando pri la tuta nombro de aliĝintoj al la konferenco, ke la listo estos kompletigata kaj publikigata.

## Listo de Korporacioj aliĝintaj al la Komerca Konferenco de Paris.

(Laŭ sekvo de la aliĝa tago.)

1. Komerca Ĉambro en Paris.
2. „ „ de Belga Luksemburgo en Arlon, Belg.
3. „ „ en Bizerte, Tunizio.
4. „ „ en Liège, Belg.
5. „ „ en Nimes, Francl.
6. „ „ en Sienna, Ital.
7. „ „ en Hradec-Kralové, Ĉeĥosl.
8. „ „ Greka, en Paris.
9. „ „ Franca-Albana, en Paris.
10. „ „ Franca-Finlanda, en Paris.
11. „ „ Franca-Bulgara, en Paris.
12. „ „ Franca-Greka, en Paris.
13. „ „ Franca-Azia, en Paris.
14. Nacia Komitato de Ekonomia Ekspansio en Centra kaj Orienta Eŭropo, en Paris.
15. Franca-Malta Asocio, en Paris.
16. Franca-Persa Komitato, en Paris.
17. Komerca Ĉambro Franca en Japanujo, en Paris.
18. Komerca Ĉambro, en Portland, Oregon, U. Ŝ. A.
19. „ „ en Versailles.
20. „ „ en St. Brieug, Francl.
21. „ „ en Carrare, Ital.
22. „ „ en Lucce, Ital.
23. „ „ Franca de Svedujo, en Paris.
24. „ „ Saumur, Francl.
25. „ „ Potenca, Ital.
26. Konsulata Ĉambro de Artoj kaj Manufakturo, en Morez, Franc.
27. Komerca Ĉambro en Arad, Ruman.
28. „ „ en Praha, Ĉeĥosl.
29. „ „ en Venezia, Ital.
30. „ „ en Fiume, Ital.
31. „ „ en Budapest, Hungar.

32. Komerca ĉambro, en St. Louis, U. Ŝ. A.
33. „ „ en Pittsburgh, U. Ŝ. A.
34. „ „ en Auch, Francl.
35. „ „ en Albany, U. Ŝ. A.
36. „ „ en Quebec, Kanado.
37. „ „ en Konstantinoplo.
38. „ „ en Vizeu, Portugal.
39. „ „ Franca, en London.
40. „ „ Sta. Cruz, U. Ŝ. A.
41. „ „ Franca, Bruxelles, Belgujo.
42. „ „ Arezzo, Ital.
43. „ „ Beauvais, Francl.
44. „ „ Gorizia, Ital.
45. Sindikata Ĉambro de l' fabrikantoj de agrikultura ilaro de Francujo.
46. Komerca Ĉambro Franca en Bulgarujo.
47. „ „ Villingen, Virtemberg, Germ.
48. „ „ Freiburg i. B., Germ.
49. „ „ Itala por Svislando, Genève.
50. „ „ Franca, Madrid, Hisp.
51. „ „ Moron de la Frontera, Hisp.
52. „ „ Pilsen (Plzn), Ĉeĥosl.
53. „ „ Novara, Ital.
54. „ „ Sevilla, Hisp.
55. „ „ Cosenza, Ital.
56. „ „ Mantua, Ital.
57. „ „ Reus, Hisp.
58. „ „ Solingen, Germ.
59. „ „ Calcutta, Hindujo
60. „ „ Ateno, Greklando.
61. „ „ Cremona, Ital.
62. „ „ Kraków, Pol.
63. Komercaj Ĉambroj de Virtembergo, reprezentita per la Komerca Ĉambro de Stuttgart.
64. Komerca Ĉambro, Cavalla, Greklando.
65. Trafika Unuiĝo, Düsseldorf, Germ.
66. Komerca Ĉambro, Barcelona, Hisp.
67. „ „ Lecce, Ital.
68. „ „ Itala, Paris.
69. „ „ Lodi, Ital,
70. „ „ Espinho, Portug.
71. „ „ Elboeuf, Francl.
72. Franca Federacio de Metalurgio, Paris.
73. Sindikata ĉambro de Komerco kaj de la fabrikado de metalartikletoj, Paris.
74. Komerca Ĉambro, Padova, Ital.
75. Urba administracio, Zagreb, Sudslavio.
76. Sindikato por Eksterlanda Komerco.
77. Regna Sindikato de la Germana Industrio, Berlin.
78. Komerca Ĉambro, Brest, Francl.
79. „ „ Ostende, Belg.
80. „ „ Tarare, Francl.
81. „ „ Salzburg, Aŭstrio.
82. Germana Unio de Teknikaj-Sciencaj Unuiĝoj, Berlin.
83. Sindikata ĉambro de l' Fabrikantoj de kranoj kaj de kupro-tornistoj, Paris.
84. „ „ de manufakturaj flaneloj, Paris.
85. Konsulta ĉambro, Rethel, Franc.
86. Komerca Ĉambro, Osijek, Sudsl.
87. Centra Oficejo de la Komercaj kaj Industriaj ĉambroj ĉeĥoslovakaj, Praha.
88. Komerca Ĉambro Franca, Valparaiso, Ĉilio.
89. „ „ Belga, Paris.
90. Komerca kaj Industria Ĉambro, Roma.
91. Komerca Ĉambro Portugala, Paris.
92. Unio de fervojaj kaj aŭtomobilaj transportoj, Paris.
93. Komerca Ĉambro, Petersburg (Virg.), U. Ŝ. A.
94. Ĉambro de Komerco kaj Ŝipveturado, Barcelona, Hisp.
95. Konfederacio de Komercaj kaj Industriaj Grupoj de Franclando, Paris.
96. Internacia Komerca Ĉambro, Franca Nacia Komit., Paris.
97. Komerca Ĉambro Franca-Ĉeĥoslovaka, Paris.
98. Komerca Ĉambro, Abbéville, Francl.
99. Pariza Sindikato de flakon-vitraĵoj, Paris.
100. Komerca Ĉambro, Cluj, Rumanujo,
101. „ „ Timisoara, Rum.
102. Komerca Konsilantaro, Cluj, Rum.
103. Komerca ĉambro, Bolbec, Francl.
104. Konsulta ĉambro de Artoj kaj Manufakturoj, Ferté-Macé, Francl.
105. Komerca ĉambro, Pekin, Ĥinujo.
106. „ „ Tien-tsin, Ĥinujo.
107. „ „ Ĥina en Siamo.
108. „ „ Makassar, Oceanio.
109. „ „ Milano.
110. „ „ Itala, Tunis, Tunizio.
111. „ „ Casablanca, Maroko.
112. Ĝenerala Konfederacio de meblofabrikantoj de Franclando, Paris.
113. Sindikata ĉambro de Komerca Organizo, Paris.
114. Komerca kaj Metia ĉambro de l' distrikto de Verviers, Belg.
115. Societo de l' vojaĝistoj de la distrikto de Verviers, Belg.
116. Sindikata ĉambro de la Industrio kaj de l' Komerco de pasamentoj por sinjorinoj, Paris.
117. Komerca ĉambro, Bougie, Alĝerio.
118. Komerca kaj Industria Asocio, Bari, Ital.
119. Komerca ĉambro, Reichenberg, Ĉeĥosl.
120. Komerca kaj Industria ĉambro, Györ, Hung.
121. „ „ „ „ Miskolcz, Hung.
122. Respublika Komitato de Komerco, Industrio kaj Agrikulturo, Centra Sidejo Paris.
123. Komerca kaj Industria ĉambro, Milano.
124. Komerca ĉembro, Hradec-Kralové,
125. Asocio de Bank- kaj ŝparkasoficistoj en Ĉeĥoslovakio, Praha.
126. Komerca ĉambro, Danzig (Libera urbo).
127. „ „ Pisa, Ital.
128. Sindikata ĉambro de ĝenerala liverado por ŝuoj, Paris.
129. Societo por la Ekspansio de mondrilatoj de Gent, Gent (Gand), Belg.
130. Komerca ĉambro, Antwerpen.
131. „ „ Moulins, Franc.
132. „ „ Bari, Ital.
133. Respublika Komitato de Komerco, Industrio kaj Agrikulturo, Lyon.
134. Societo de Civil-Inĝenieroj de Francujo, Paris.
135. Komerca kaj Industria ĉambro, Wiesbaden, Germ.
136. Kongreso de Komercaj kaj Industriaj ĉambroj Germanaj, Berlin.
137. Federacio de ĉeĥoslovakaj industriuloj, Praha.
138. Legacio de Latvio, Paris.
139. Asocio de Ŝipveturaj Interesoj de Gent, Gent (Gand), Belg.
140. Sindikata ĉambro de kaŭĉuka kaj parencaj industrioj, Paris.
141. Trafika Unuiĝo de Grenoble kaj de Dauphiné, Grenoble.
142. Konfederacio de Komercaj Korporacioj Hispanaj, Córdoba.
143. Komerca ĉambro, Toulouse.
144. Komerca kaj industria Ministerio de Rumanujo, Bucaresti.
145. Ekonomia Instituto de Rumanujo, Bucaresti.
146. Komerca ĉambro, Bucaresti.
147. Granda Komerca Konsilantaro, Arad, Rum.
148. Komerca ĉambro, Brescia, Ital.
149. „ „ Hastings, Gr. Brit.
150. Nacia Komitato de l' Konsilantaro de la Ekstera Komerco de Franclando, Paris.
151. Scienca kaj Turista Asocio de la lernantoj de l' Prepara Koloni-Lernejo, Lyon.
152. Ĝenerala Unio de Teknikaj Lernantoj, Paris.
153. Komerca ĉambro, Pecs, Hung.
154. „ „ Sopron, Hung.
155. Komerca Instituto St. Ignace, Antwerpen, Belg.
156. Asocio de ĉeĥoslovakaj inĝenieroj, Praha.
157. Asocio de la hungaraj komercistoj, Budapest.
158. Fremduloficejo, Budapest.
159. Komerca kaj Industria ĉambro, Verviers, Belg.
160. Komerca ĉambro, La Spezia, Ital.
161. „ „ Orléans.
162. „ „ Valencia, Hisp.
163. „ „ Stuttgart, Germ.
164. „ „ Gand (Gent), Belg.
165. Federacio de Detalkomercistoj, Paris.
166. Internacia Asocio de la oficistaro de P. T. T., Wien, Aŭstrio.
167. Internacia Unio de la oficistaro de P. T. T., Paris.
168. Ĉambro de Komerco, Industrio kaj Ŝipveturado, Palma de Mallorca.
169. Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Rio de Janeiro.
170. Komerca Ligo, Rio de Janeiro.
171. Asocio de Komercoficistoj, Rio de Janeiro.
172. Svisa Societo de Komercistoj, Sekcio Zürich, Zürich.
173. Foiro de Paris.
174. „ „ Malmö.
175. „ „ Barcelona.
176. „ „ Frankfurt a. M.
177. „ „ Wien.
178. „ „ Ljubljana, Sudslavio.
179. „ „ Praha.
180. „ „ Danzig.
181. „ „ Leipzig (samtempe repr. de Interfoira Komisiono).
182. „ „ Reichenberg.
183. „ „ Königsberg.
184. „ „ Budapest.
185. „ „ Valencia.
185a. „ „ Padova.

## Registaroj sendintaj oficialan delegiton.

186. Franca: S-ro M. Leonard, Ĉef-adjunkto de la Ministra Kabineto de Komerco, Industrio kaj de P. T. T.
S-ro Chas. Henry, Subĉefo de l' Civilkabineto de l' Ministra Prezidanto kaj de la Milita Ministro.
187. Ĥina: S-ro Wonn Kenn, delegito de l' Ministerio de Publika Instruado de Ĥinujo.
188. Hispana: S-ro Torrès y Quevedo, hispana delegito ĉe la Ligo de Nacioj.
S-ro Vicente Inglada Ors, profesoro ĉe la Supera Militlernejo de Madrid.
189. Germana: S-ro Prof. D-ro Dietterle, Ministerio de la Internaj Aferoj, Berlin.
189a. Hungara: S-ro Gesztesi, Eksa Ministeria Sekretario.
190. Japana: S-ro Usami, membro de l' sekretariejo japana ĉe la L. d. N.
191. Latva: S-ro Dobkevitch, Konsilanto ĉe la Latva Legacio, Paris.
192. Persa: S-ro D-ro E. Privat, Teknika Konsilanto de la Persa Delegacio ĉe la L. d. N.
193. Rumana: S-ro grandindustriulo Fischer kaj profesoro A. Ĉe, delegitoj de la Komerca kaj Industria Ministerio Rumana.
194. Ĉeĥoslovaka: S-ro Ŝpaĉek, Komerca ataŝeo ĉe la ĉeĥoslovaka legacio, Paris.

## Komercaj entreprenoj, privatfirmoj kaj diversaj.

195. Giguet Frères & Cie., segejoj, Lyon, Franc.
196. Ĝenerala Agentejo de Asekuroj, Chantilly, Oise.
197. „Produktoj Palmi", Lyon-Villeurbanne, Franc.
198. Klasigiloj kaj slipkestoj „RS", Paris.
199. Establoj Bournois, akceoraĵoj por Ford-aŭtomobiloj, Paris.
200. Firmo Reynier, Mebloj, antikvaĵoj, Lyon.
201. Ĵurnaloj „Le Cuir" kaj „Le Cuir Illustré", Paris.
202. Grandhotelo de Oostduinkerque, Belg.
203. Presejo V Polgar, Paris.
204. Internacia Librejo „Select", Bucaresti.
205. Lernejo „Pigier", Paris.
206. Firmo Moussier, Ligno pogrande, Vienne, Franc.
207. Pumpiloj „Mouvex", Paris.
208. Serrano Olmo, Komisioj, Cordoba, Hisp.
209. Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln.
210. Gebr. Jung, presejo kaj eldonejo, Horrem b. Köln.
211. Ĵurnalo „La Komercisto de Verviers kaj de l' distrikto de Verviers", Belg.
212. Merkur Kötöipar, Györ, Hungar.
213. Dény Fils & Cie., Fabrikantoj de seruraĵoj kaj ornam-metalartikletoj, Paris.
214. Dr. Vogtsche Bank, bankejo, Stuttgart.
215. Glaciejoj Duchochois, Boulogne s. m,
216. Societo de ŝtaloj Sandvik, Paris.
217. Ellersiek & Borel, Esperanto-eldonejo, Berlin.
218. Otto Scheurmann, Charlottenburg-Berlin.
219. H. Stanizewski, Berlin.
220. Bulteno de la Aŭtomobilo kaj Sindikato de la Sporta kaj Turista Gazetaro, Paris.
221. Poultier & Cie., Entreprenoj de afiŝado, Paris.
222. Ĵurnalo „Le Bois" (La Ligno), Paris.
223. L. Rigault, vinkomercisto, Beaune (Cote d'or), Franc.
224. E. J. Goudsmit, horloĝoj pogrande, Rotterdam, Nederl.
225. Establoj Renault & Co., Tanejo, Château Renault (I. & L.), Franc.
226. F. Montperoux, lan- kaj kotonfadenoj, Vienne (Isère), Franc.
227. Bobin Frères, Vitrejoj, Paris.
228. Lernejo „Pigier", Perpignan, Franc.
229. Revuo „Vie à la Campagne" (Vivo en la kamparo), Paris.
230. Establoj Nanquette, Paris.
231. Burkard & Co., Fabriko de laĉoj por puntoj, Paris.
232. Federaciaj fervojoj, Bern.
233. G. Warnier, Grandindustriulo, Paris.

234. Revuo „La Progreso“, Ĉ. E. A., Praha.
235. Komerca Grupo de la Komerca Societo de Zürich.
236. Vivamol Ltd., London.
237. Supera Komerca Lernejo de Clermont-Ferrand.
238. Revuo „The International Language“, London.
239. Centra Lernejo de Artoj kaj manufakturoj, Paris.
240. P. Marly, vinkomercisto, Bordeaux.
241. Ĵurnalo „La Tribune“, Paris.
242. Nederlanda Esperanta Komercoficejo, Rotterdam.
243. Firmo Balliman, Fenestro-vitroj, Paris.
244. Ĵurnalo „Espero Katolika“, Paris.
245. A. Lefevbre, librotenado, Paris.
246. St. Raphael Qinqina, Paris.
247. Brazila Instituto de Librotenado, Rio de Janeiro.
248. Rotterdamsche Konfektiefabrik, Rotterdam.
249. Turisma Oficejo de Versailles kaj ĉirkaŭaĵo, Versailles.
250. Dubois & Perron, Fabrikantoj de kuireja artiklaro, Villeneuve la Garenne, Franc.
251. La Journee Industrielle, Paris.
252. P. & G. Dubois et Co., kuireja artiklaro, St. Amand-les-Eaux, Franc.
253. Bankejo Gebr. Arnhold, Dresde .
254. Esperanto Commercial Service Bureau, Cleveland (Ohio), U. Ŝ. A.
255 Ĝenerala Direkcio de poŝtoj, Bern.
256. Kurtaĝisto A. Van Assche, Antwerpen.
257. Lernejo Berlitz, Paris.
258. Apoteko Rousseau, Levallois-Perret (Seine).
259. La Gazeto de Farmacioj, Paris.
260. E. Fontaine, metalartikletoj, Paris.
261. Ĵurnalo „La Movado“, Paris.
262. Revue des Pays du Nord, Paris.
263. Revuo „France Europe Orient“, Paris.
264. Baudet Donon & Dalberto, najloj kaj helpmaterialo por ŝuoj, Paris.
265. Franca Societo de pakmaterialo el armita ligno, Paris.
266. Moderna Societo de masonado, Paris.
267. Indekso de Led-industrioj kaj ĵurnalo „La Teknika Ledo“, Paris.
268. Les Affaires d'Avenir, Paris.
269. Arnon & Roux, materialo por konfekciistoj, Paris.
270. P. Belin, eldonisto, Paris.
271. G. Gourgade, Parkedfabrikanto, Melun, Franc.
272. Hotelo Avenida, Paris.
273. Couesnon & Co., Fabrikantoj de Muzikinstrumentoj, Paris.
274. G. Daniel, skulptisto kaj dekoraciisto, Paris.
275. G. Dubuisson, elektraj artikloj, Le Havre.
276. Bernard Pages, Metalurgiaj produktoj, Toulouse,
277. Establoj Berton & Sicard, Metalartikloj, Avignon, Franc.
278. Establoj Garnier, Seruraĵoj kaj Artferaĵoj, Paris.
279. L. Rambaud, Fabrikantoj de farboj kaj glazuroj, Aubervilliers, Franc.
280. H. Farman, konstrukcioj de aeroplanoj, Billancourt.
281. Faure, Vinkomercisto, Bordeaux.
282. Garages Modernes (Modernaj aŭtomobilremizoj), Paris.
283. A. Goumain, Mastro-ebonisto, Paris.
284. Stenografimaŝinoj „Grandjean“, Paris.
285. Societo Mouchel & Partners, London.
286. J. Hubert, Korkŝtopiloj de Liège, Nerac, Franc.
287. Jeanrenaud & Co., Librotenada sistemo C. S. M., Paris.
288. Vojaĝ-agentejo „Exprinter“, Paris.
289. Laboratorioj Drouet & Plet, Ruell S. & O., Franc.
290. Kukejo kaj Frandejo Luneau, Paris.
291. V. Marechal, Mebloj, Paris.
292. Firmo Montargad, Oleoj kaj kafoj, Marseilles.
293. Fabriko de Veturiloj, Moreau-Asselin, Tours.
294. H. Nonin, Ĝardenkulturisto, Chatillon s. Bagneux (Seine), Franc.
295. Societo Dentclair, Paris.
296. G. Pascalis, Fabrikanto de kemiaj produktoj, Paris.
297. L. Picard, Fabrikanto de Metal-sigeliloj, Paris.
298. La Ruche de Paris, Vendado je kredito, Paris.
299. Sebastien Frères, Ligno-Negocistoj, Paris.
300. Komerca Societo de Ledoj kaj Haŭtoj, Paris.
301. Presejo Solsona, Paris.
302. A. Soury, Komisiisto kaj Eksportanto, Paris.
303. L. Taulin, Fenestro-vitroj pogrande, Paris.
304. A. Taveau, Mekanikaj konstrukcioj, Paris.
305. Petrol-Societo „Jupiter“, Paris.
306. „Espero“, Societo de Reprezentado kaj Komerco, Bucuresti.
307. Komercista Asocio de Jaslo, Pol.
308. Anonima Societo Mathis, Strasbourg.
309. Komerca Asocio de Rio de Janeiro.
310. Couteaux, Prezidanto de la Esperantista Federacio de Paris.
311. Th. Cart, Prezidanto de Esperanto-Akademio, Paris.
312. Robert, Profesoro ĉe la Komerca Lernejo de la maldekstra Bordo de l' Seine, Paris.
313. Brazila Instituto de Librotenado kaj Komerca Akademio, Rio de Janeiro.
314. Hudson Hawley, „La Asociita Gazetaro de Ameriko“, Paris.
315. Forster Frères, Fabriko de motorcikloj, Hinwil, Svis.
316. Societo de Katolika Instruado S. C. U. D. O. S., Firenze, Ital.
317. Turisma Societo, Vojaĝoficejo de la hungaraj ŝtatfervojoj, Budapest.
318. Arkitekto Génermont, Moulins, Franc.
319. B. Goldstein, negocisto, Senta, Sudslavio.
320. E. Rosenfeld, Modartikloj, Senta, Sudslavio.
321. Ĵurnalo „Kataluna Esperantisto“, Barcelona.
322. Ĵurnalo „Frankfurter Zeitung“, Frankfurt a. M.
323. Eldonejo Rudolf Mosse, Berlin.
324. Rhenania Dental Co., Wiesbaden.
325. Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Eldonejo, Leipzig.
326. „Western Electric“, s'Gravenhage, Nederl
327. Apotekistino Offerhaus, s'Gravenhage, Nederl.
328. Firmo Tilka, fabrikoj de alumetoj, ĉokolado ktp., Kaunas, Litovio.
329. L. Cuzon, Agento, Paris.
330. Societo de Farmacio, Antwerpen.
331. Societo „Hygienol“, Paris.
332. Le Progrès Marocain, Casablanca, Maroko.
333. Dupuy-Chautard, Militistaj kaj civil-liveradoj, Paris.
334. „La Mutuelle“, Popola Universitato de Verviers kaj ĉirkaŭaĵo.
335. Svisa Informoficejo por la liverado kaj debito de varoj, Zürich.
336. Revuo „Les Echos“, Paris.
337. „Berliner Tageblatt“, Ĵurnalo, Berlin.
338. Centra Dana Esperanta Ligo, København, Dan.
339. Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo kaj Loka Esperanto-Grupo.
340. D-ro Sante Consentino, Bari, Ital.
341. M. Grosset, Virty s. Seine.
342. M. Michaelis de Rienzi, Paris.
343. M. Knopf, Teatro Stelo, Puteaux, Franc.
344. H. Fischer, Grandindustriulo, Bucuresti.
345. M. Lauras, elektro-inĝeniero, Paris.
346. Huline, Vienne, Isère.
347. Fr. Döring, Ligno-negocisto, Freiburg i. Brsg., Germ.
348. Demarcy, Esperanto-Grupo, Beauvais, Franc.
349. Eyquem, Prezido de S. F. P. E., Paris.
350. Centra Esperanto-Oficejo, Paris.
351. Chas. Edmonds, London.
352. E. Grosjean-Maupin, Paris.
353. Deculty, Regiona Federacio de Massif Central, Clermont-Ferrand, Franc.
354. Esperanto-Grupo „Konkordo“, Clermont-Ferrand, Franc.
355. Pierre Muffang, Nourg la Reine, Franc.
356. F-ino Bonnet, Paris.
358. Laval, Esperanto-Grupo, Alais, Franc.
359. A. Junker, Köln, parfumaĵoj (samtempe Konsilantaro de Germana Esperanto-Asocio kaj de Revelo).
360. Systermans, Paris.
361. Holanda Esperanto-Oficejo, Eennes, Nederl.
362. Gustave Brat, Antwerpen.
363. de Swerts, Antwerpen.
364. Kataluna Esperanta Federacio (K. E. F.), Barcelona
365. J. Pisa, Roma.
366. „Amikaro Esperantista“, Lyon (Rhone).
367. Lahens, Paris.
368. Eugène Page, Noisy le Sec. (Seine).
369. Litova Esperanto-Asocio, Kaunas, Litovio.
370. Esperantista Organizo de la Ofic-Havantoj de Urbo Wien, Aŭstrio.
371. Méras Saint Ouen (Seine).
372. S-ino Farges, Lyon.
373. F-ino Spira, Komerca Kurso Esperanta, Antwerpen.
374. Inĝeniero Pfanner, Levallois-Perret (Seine).
375. de Lajarte, Fontenay s. Bois, Franc.
376. D-ro Pamart, Paris.
377. Abato Duvaux, Paris.
378. Nels, Paris.
379. G. Engelmann, Grupo Esperantista de Rosny s. Bois.
380. Camescasse, Paris.
381. Paul Nyssens, Bruxelles.
382. Pierre Flageul, Internacia Asocio de Esperantaj Stenografistoj, Issy les Moulineaux.
383. L. Agourtine, Paris.
384. D-ro Arama, Paris.
385. Raymond Dru, inĝeniero-kemiisto, Paris.
386. Charles Marseille, inĝeniero E. C. P., Paris.
387. F-ino Sanua, Direktorino de la Lernejo por Alta Komercinstruado al junulinoj, Paris.
388. Charles Vallois, eks-industriulo, Paris.
389. Maximilien Vallois, inĝeniero-kemiisto, Paris.
390. A. Vaona, advokato, Verona, Ital.
391. Andreole Bucuresti.
392. Inĝeniero Baire, Boulogne s Mer.
393. Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj, Bern.
394. G. Facchi, La Spezia.
395. Gvidlibretoj Thiolier, Paris.
396. Librejo Raffaello Guesti, Livorno, tal.
397. Frankfurter Societätsdruckerei, Abtlg. Buchverlag, Frankfurt a. M.
398. Tedecco, Librotenado, Verona, Ital.
399. Radio-Club de Verona.
400. Radio-Club de Padova.
401. Instituto Malpighi, Bologna, Ital.
402. Sekcio Verona kaj de l' Lago de Garda de la Itala Asocio por la Fremdultrafiko, Verona, Ital.

## Statistika resumo:

Aliĝis al la komerca konferenco:

11 ministerioj
123 komercaj ĉambroj
43 komercaj kaj turismaj korporacioj
14 foiroj (krome ĉiuj foiroj de Eŭropo per aparta komisiono)
193 firmoj kaj komercentreprenoj
20 diversaj interesatoj

**entute: 404 entreprenoj el 34 landoj de 5 kontinentoj.**

# Scienca Konferenco.

## Lasthore aliĝintaj institucioj:

Ministerio Komerca kaj Industria de Rumanio.
Brita Asocio por progresigo de Scienco.
Ĉeĥoslovaka Filozofia Societo.
Ĉeĥoslovaka Kemia Societo.
Filomatia Societo de Bordeaux.
Societo de Komerca Geografio en Bordeaux.
Aero-klubo Reĝa de Hispanio.
Medicina Societo de Norda Franclando.
Bibliofila Asocio Rumana
Universitato de Fuh-Tan, en Shangai
Akademio de Sciencoj, Artoj kaj Beletristiko, en Cordoba.
Hispana Amerika Societo Matematika, en Madrid.
Scienca Ateneo, en Valencia.
Aeronaŭta Milita Servo, en Madrid
„Iberica“, gazeto en Hispanio.
Jura Fakultato de Universitato, en Rio de Janeiro.
Societo de Medicino kaj kirurgio, en Rio de Janeiro.
Brazila Instituto de Historio kaj Geografio, en Rio de Janeiro.
Komerca Akademio, en Rio de Janeiro.
Brazila Societo de Fiŝkulturo kaj Oceanografio, en Rio de Janeiro.
Agrikultura Societo, en Rio de Janeiro.
Brazila Asocio de Tipografio, en Rio de Janeiro.
Filozofia Fakultato, en Rio de Janeiro.
Brazila Instituto de Librotenado, en Rio de Janeiro.
Radio-Societo de Rio de Janeiro.
„Prytanen Militar“, en Rio de Janeiro.
Instituto de Militaj Docentoj, en Rio de Janeiro.
Brazila Akademio de Odontologio, en Rio de Janeiro.
Medicina klubo ĉe Imperia Universitato, en Tokio.
Hungara Radio-Revuo, en Budapest.
Hungara Asocio de la Eksteraj Aferoj, en Budapest.
Asocio de telegrafistoj senfadenaj kaj kablaj, en London.
Litova Instruista Asocio, en Kaŭnas.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Kunveno de la Paris-regiona Federacio.

Pli ol 150 samideanoj de la Pariza Regiono kunvenis la 26an de Aprilo en *Versailles*, en la liceo Hoche, sub la prezido de S-ro Couteaux, doktoro en juro. La unuan kunsidon prezidis profesoro Guabet, kaj la bankedon S-ro Cotton, profesoro de Sorbono, ano de Franca Akademio. Multaj aliaj eminentuloj ĉeestis: S-roj Ernest Archdeacon, Daniel Eyquem, Bonnaud, Grosjean-Maupin, Warnier, Aymonier, Rollet de l' Isle, Nollet, Nesmy, Bastien, Legrand, Corret, Usami, Marcoux, Guinguenet, k. m. a. La raporto, legita de S-ro Couteaux, notis ke la Federacio nun entenas 28 grupojn, anstataŭ la 16 de la 1924.

---

## Nacia Kongreso de la Francaj Esperantistoj.

(Clermond-Ferrand, 30.—31. V., 1.—2. VI.)

*Unua tago:* ekskurso al la banurbo *Royat* sub la gvido de S-ro Pillault, arkeologo.

*Dua tago:* je la 8-a okazis katolika diservo en preĝejo St. Pierre-des-Minimes, kun esperanta prediko de abato Ramboux. Ĉe la eliro estis disdonitaj la propagandiloj. Je la 10-a la malfermo de la Kongreso, en la amfiteatro de la Komerca Ĉambro, per la parolado de S-ro Mathiat, direktoro de la XVII-a Regiono Ekonomia; ĉeestas ankaŭ la reprezentantoj de la Prefekto kaj de la Iniciata Sindikato. Prezidanto S-ro Rin, malnova samideano, aplaŭdegata sciigas ke li en la venonta lernojaro enkondukos Esperanton en la supera komerca lernejo. Poste salutas la urbestro. Labora kunsido: S-ro Delanoue, ĉefdel. de UEA, pri la praktika rolo de nia asocio, kies helpon uzis D-ro Poncet (Lyon) por sia medicina tezo ĉe la Universitato. La ĉefa sekretario de S. F. P. E., S-ro Couteaux, kaj la dua sekretario S-ro Petit, legas raportojn pri la jara agado. La kunsidantaro diskutas kaj akceptas projekton de regularo de K. R. S-ro Couteaux insiste invitas la francajn samideanojn ĉeesti la Ĝenevan Kongreson. La raportoj de S-roj Cart, Warnier, Delanoue, kaj de F-ino Bonnet, estas aprobataj. Oni sendas danktelegramon al la franca gazetaro pro ĝiaj simpatio kaj servoj, kaj saluttelegramon al generalo Sebert. Vespere, la bankedo sub la prezido de S-ro Eyquem, kiun partoprenis ĉiuj eminentuloj de la kongreso. Fine, la kongresanoj ĉeestis en la Urba Teatro la grandan „Felibran" feston.

*Tria tago:* je la 10-a la kunveno de UEA prezidita de S-ro Génermont. Je la 11-a la kunveno de la jus fondita „Federation du Massif Central", kiu elektis S-ron Thomas kiel prezidanton. Posttagmeze la ekskurso al la monto Puy-de-Dôme. Vespere la koncerto kun esp. teatraĵo „La Morto de la Delegito".

*Kvara tago:* aŭtomobila ekskurso al lagoj kaj banlokoj de Arvernio.

---

## III-a Iberia Esperantista Kongreso.

(Cordoba 10—12 Majo).

Malferma solenkunsido okazis 10. V. en la salono de Kordoba Urbestrejo, sub la prezido de la ŝtataj aŭtoritatoj. Je la 3-a posttagmeze malfermiĝis Ekspozicio de esperantaĵoj en la galerio de la „Circulo de Amistad". Ĝin patronis kaj priparolis la prezidanto de la Akademio Kordoba. Vespere oni kunsidis por elekti la kongresestraron: S-rojn Azorin, Martinez, Berger, Serrano. Lunde, je la 10-a, unua labora kunsido pri la nomo de la kastillingva unuiĝo. Je la sesa oni akceptis la organizon sub la nomo: „Hispana Esperanto-Asocio". Tria kaj fina laborkunsido 12. V. antaŭtagmezo, kun deziresprimoj pri la oficialigo de Esperanto. Merkrede: ekskurso Seviljon. Al la kongreso aliĝis 107, partoprenis 46 samideanoj.

---

## XIV-a Brita Kongreso.

(Leamington Spa, Pentekosto).

*La Brita Kongreso*, prezidita de P-ro Findlay (Universitato de Manchester) estis sukceso ĉiurilate: bela vetero, interesa urbo, bona organizo kaj amika sento inter la ĉeestintoj (proksimume 230). Plia kaŭzo de l' sukceso estis la ĉeesto de nia amata oratoro D-ro Privat, kiu plurfoje parolis, ankaŭ pri la internacia organizo de la movado.

La ĝenerala kunveno, kiel tiuj de la delegitoj de UEA kaj de la konsilantaro de B. E. A., estis tute amikaj kaj verŝajne fruktodonaj pro la laboro farita. La impreso ricevita de ĉiuj, post diskutoj pri organizo ĉe la diversaj kunvenoj, estis, ke de nun la esperantista movado estas starigita sur firma bazo, kaj ke en la estonto la Naciaj Societoj kun BEA kunlaboros amike en ĉiuj kampoj. Pri tiu rezulto estas tre dankindaj S-ro D-ro Privat, S-ro Merchant, la nelacigebla prezidanto de BEA kaj de Ko. Ro., gaja kaj bonhumora, kaj S-ro Ch. Edmonds, vigla kaj laborema honora Sekretario de BEA kaj Ko. Ro.

Okazis ankaŭ kunveno de la Radio-Asocio, ĉe kiu parolis S-ro Turner, redaktoro de la gazeto „Wireless Experimenter", kaj dum kiu estis diskutita la propagando inter radio-societoj. Dum la ĝenerala kunveno aŭdiĝis sendaĵo de Lord Robert Cecil rilate al la neceseco de Esperanto, kaj paroladoj en angla lingvo de P-ro Findlay kaj de D-ro Privat, kaj en Esperanto de D-ro Privat, ĉiuj disaŭdigitaj el Birmingham, kaj resenditaj el aliaj radiostacioj Chelmsford kaj Cardiff.

---

## Unua Nederlanda Kongreso.

(Hilversum 30 Majo — 1 Junio).

La Gojlanda Esp.-Sociato invitis la Neŭtralan, Katolikan kaj Laboristan Federaciojn al sia bela urbo por la I-a Nederl. Kongreso. Ĉiuj tri federacioj kunlaboris harmonie dum la futa kongreso. Ĝi estis malfermita oficiale de l' urbestro de *Hilversum.* Post komuna tagmanĝo la kongresanojn atendis agrabla festvespero, sekvita de balo. La sekvontan tagon okazis la kunveno de liberpensuloj. Ekskursoj bone sukcesis en la pentrindaj ĉirkaŭaĵoj. S-ro Schendeler kaj pastro De Jonge belege parolis.

Lundon matene ĉiuj federacioj havis sian apartan ĝeneralan kunvenon. Dum la lasta kunsido oni priparolis organizajn demandojn kaj daŭran kunlaboron de la federacioj. Unuanime oni decidis organizi la duan kongreson en *Nymegen.*

---

## XII. Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio.

21—24 majo 1925.

La kongreso okazis dum belega vetero en urbo Palma de l' ĉarma insulo Mallorca. Ne nur la salonoj kaj kunvenejoj, sed la naturo per si mem jam donis specialan solenecon al ĉio.

La 21. 5. vaporŝipo alportis el Barcelona la plej multon de la ĉeestantoj, inter kiuj kelkaj eksterlandaj gastoj. Mallorcaj samideanoj atendis la samideanojn ĉe la ŝipo. Poste okazis kontatiĝo ĝenerala en la kunvenejo de Palma Klubo, modele aranĝ-

ita kiel konstanta ekspoziciejo. Okazis solena diservo katolika kun esperanta prediko. Poste okazis vizitoj al la aŭtoritatoj, kie oni prezentis ĉefe la eksterlandanojn. Kiel reprezentanto oficiala samtempe ankaŭ por UEA ĉeestis S-ro Robert Kreuz, Genève, ĝenerala sekretario de Internacia Centra Komitato. Li faris laŭ peto kelkajn alparolojn al la aŭtoritatoj en Esperanto. Poste oni solene malfermis la kongreson. Posttagmeze estis laborkunsido kaj ekzamenoj.

La 22. 5. estis la ĉefa tago kun la Floraj Ludoj. Ĝi estis unika kaj karakteriza festo solena. La verdikto premiis 43 samideanojn, kiuj aŭ persone aŭ per reprezentanto akceptis de la reĝino de l' Ludoj siajn dokumenton kaj premion. Kiel reĝinon la gajninto de l' natura floro, S-ro Domènèch elektis ĉarman fraŭlinon Catalina Montaner de Palma. Post la granda ceremonio la standardoj de l' diversaj grupoj ricevis memor-rubandojn el la mano de l' reĝino. La Teatro Principal estis plena je samideanoj kaj multaj neesperantistoj, al kiuj multe impresis la tuta aranĝo

Kulminacia punkto de la tuta kongreso estis bankedo, ofertita de S-ro Narciso Bofill, senlaca kaj oferema pioniro sur tiu ĉi insulo. Ĉeestis la bankedon 250 personoj inkluzive gastoj kaj reprezentantoj de la aŭtoritatoj, i. a. de la urbestro. Okazis oficialaj salut-alparoloj ĉe la grandioza bankedo. En la nomo de KEF parolis la prezidanto S-ro Delfi Dalmau, por la grupo de Palma S-ro Bofill, cetere entuziasme laŭdita de ĉiuj ĉeestantoj. S-ro Kreuz faris la toastón al la reĝino de l' Floraj Ludoj Poste parolis ankoraŭ S-ino Osmond - London, S-ro Berger-Córdoba k. a. La feston regis nesuperebla, varma amikeco kaj granda entuziasmo.

Matene estis okazinta la lasta laborkunsido, je kies fino okazis propaganda parolado mallonga por UEA. Oni ankaŭ decidis sendi simpati-telegramon al la ĉefgvidanto de nia movado S-ro D-ro Privat.

Posttagmeze je la kvina horo estis belega koncerto en teatro. Vespere oni povis ĝui la karakterizajn katalunlingvajn kantojn de „Orfeó Mallorqui".

La 23. 5. kaj 24. 5. estis dediĉitaj al vizito de vidindaĵoj kaj ekskursoj tra la tuta insulo per fervojo kaj aŭtomobiloj.

La 24. 5. nokte la ne-insulanoj reveturis komune kaj vive adiaŭitaj per ŝipo al Barcelona.

Resume oni povis konstati, kiom bone fundita estas KEF kaj kiom ĝi progresas, dank' al modela disciplino kaj intereso individua de siaj membroj.

---

## XIV-a Belga Kongreso.

(Verviers, 31. V. — 2. VI.)

Sabate, je la 20a horo, solenakcepto de la kongresanoj en la ĉambro komerca. Parolado de S-ro Ĉe pri la movado en Rumanio. Dimanĉe je la 10a la 120 kongresanoj iris kun la standardoj al la urbodomo, kie ili estis oficiale akceptitaj de la burgmestro kaj la urbestraro. La akcepto — post la paroladoj en Esperanto kaj en la franca — la honorvino estis proponita al la kongresanaro. La ĝenerala kunsido okazis en la ĉambrego de la Popola Universitato sub la prezido de S-ro Cogen Tie oni aŭdis la raportojn de S-ro Pétiau kaj Mathieu, kaj la salutojn — buŝajn kaj telegramajn — de la eksterlandaj samideanoj. Poste oni bankedis, sendis saluttelegramon al la Reĝa Moŝto, faris viziton al la muzeo Renier. La tago finiĝis per koncerto en la salono de l' Emulation.

---

## XIV-a Germana Esperanto-Kongreso.

La XIVa Germana Esperanto-Kongreso en Magdeburg dum Pentekosto 1925 signifas novan multvaloran venkon. Estas grava fakto, ke ĉiuj paroladoj de la solena malfermo estis disradiataj per la du elsendaj stacioj de Leipzig kaj Dresden en la tutan mondon. Okazis la unuan fojon, ke ĉiuj paroladoj de iu kongreso en tia maniero estis disaŭdigataj. Ni ŝuldas dankon por tio al S-ro D-ro E. Jäger, la prezidanto „de l' Komitato por akcelado de internacia lingvo por radio", kaj al nia senlaca samideano Karl Minor, Hamburg, kiuj ĉion perfekte aranĝis. Ankaŭ la tutmonda aŭskultantaro ne forgesos profunde danki la ŝtatgermanan poŝtministerion por tiu ĉi subtenado de nia afero.

Pri la kongreso mem. La L. K. K. laboris bonege kaj rikoltis ĉiam kaj ĉie nur meritplenan laŭdon. Dum la interkonatiĝa vespero sabate la ĉeestantaro estis salutata de l' prezidanto S-ro Fuhrmann kaj per prologo de F-ino Fraedrich. Kantoj, deklamoj kaj riĉenhava programo zorgis pri vere amuziga kunveno.

La solena malfermkunsido dimanĉe staris sub la signo de radio. La impreso ne estas priskribebla. Regis vere edifa atmosfero. F-ino Küster, la senlaca sekretariino kaj iniciatintino de l' kongreso, salutis la proksimume 500 ĉeestantojn per belega prologo de Zanoni. La prezidanto de G. E. A., D-ro A. Steche, Leipzig, per impresplena parolado konvinkis ĉiujn en scienca maniero pri la graveco de nia lingvo kaj menciis lerte la hodiaŭan progreson de Esperanto. Por la supera prezidio de la registara distrikto Magdeburg salutparolis la regna vicprezidanto D-ro Hausmann. La vicprezidanto de l' ŝtata polico D-ro Menzel konstatis, parte germane, parte esperante, la gravecon de Esperanto por la policaj kaj kriminalaj servoj. La reprezentanto de l' Magdeburg'a magistrato, urba lernejkonsilisto Löscher, sub grandega aplaŭdo komunikis, ke la magistrato enkondukis oficiale la instruadon de Esperanto en la urbaj lernejoj. *37 geinstruistoj instruas nuntempe en 60 klasoj 1100 gelernantojn. Grava, tre grava sukceso* estas do la komenco de oficialigo kaj enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Mi deziras, ke multaj urboj de l' mondo imitu Magdeburg'on. En la nomo de UEA parolis Direktoro Jakob el Ĝenevo kaj por la Germana Esperanto-Instituto ties direktoro profesoro D-ro Dietterle, sciigante, ke dum la pasinta jaro en Germanujo okazis 587 kursoj kun pli ol 10000 partoprenantoj. Impresige salutis la telegrafa direktoro en la ŝtata poŝtministerio S-ro A. Behrendt el Berlin la kongreson. Ankaŭ delegitoj de la germanaj Esperanto-organizacioj alparolis la kunvenon.

Posttagmeze okazis diversaj fakkunsidoj; lunde du laborkunsidoj. Post dekjara sukcesplena gvidado eksiĝis el la estraro de G. E. A. la prezidanto D-ro Steche. Kun bedaŭro sciiĝis la aŭskultantoj lian decidon kaj montris per longdaŭra aplaŭdado al ĉi tiu vere eminenta pioniro de nia movado, kiom da altestimo kaj profunda danko ili sentas por liaj meritoj kaj sindonemo favore al G. E. A. Li promesis pluan subtenon kiel nova membro de la konsilantaro. Prezidanto oni elektis D-ron E. Kliemke, Berlin, kaj vicprezidantoj bankdirektoron S-ron Voigt, Stuttgart, kaj fabrikposedanton S-ron Gube, Berlin. La kongreskomitato eldonis belegan, riĉenhavan centpaĝan festlibron: „Das Esperanto ein Kulturfaktor", V-a volumo. En 20 artikoloj estas pritraktata la kultura tasko de Esperanto. La libron redaktis D-ro Trögel, Auerbach. La XVa Germana Esperanto-Kongreso okazos dum Paskofesto 1926 en München.

Dimanĉon vespere okazis en „Wilhelma" Esperanto-koncerto. Mi vizitis jam multajn kongresojn, sed tian vere neforgeseblan impreson de alta arto mi malofte travivis. S-ino Liebeck, diobenita artistino je pianoforto, kaj S-ro D-ro Liebeck, grandioza koncertkantisto el Berlin, donacis al emocie surprizata aŭskultantaro perlojn de profunda kaj altvalora muziko. Post duonjaro de lernado nia sindona kunbatalanto D-ro Liebeck jam mem esperantigis parton de l' koncerta programo. Bruegan aplaŭdegon ambaŭ ne nur meritis, sed ankaŭ ricevis. La ĉefdelegito de UEA, S-ro Max Blankenheim el Berlin, deklamis ankoraŭ bele versojn de nia poeto Julio Baghy.

El la fakkunsidoj mi nomas nur tiun de Germana Radio-Asocio kaj I. E. R. A. sub la gvidado de S-ro Behrendt. Plue

oni fondis la Germanan Esperanto-Pacifistan Ligon kaj elektis kiel estraron D-ron Schapitz kaj F-inon Simon el Magdeburg, P-ron Schmiedeberg el Delitzsch kaj F-inon Jakobs el Flensburg.

En la jarkunveno de UEA oni diskutis gravajn demandojn, pri kiuj pli detale raportos la ĉefdelegito por Germanujo, S-ro Rockmann el Magdeburg. Kun granda ĝojo oni konstatis, ke en Germanujo estas la plejmulto da UEA-membroj.

Postkongresa ekskurso kondukis en la Harz-montaron kaj poste en la belan urbeton Quedlinburg, kie okazis vespere modela propaganda kunveno, aranĝita de S-ro Hübner, kun paroladoj de profesoro Christaller. S-roj Ellersiek, Karsch kaj Glück.

Resume mi ripetas, ke la ĉi-tiu-jara germana kongreso montris, kiel bonege progresas nia movado en Germanujo kaj kiel bone eĉ malmultaj fertaj kaj sindonaj komitatanoj povas aranĝi modelan nacian Esperanto-kongreson. Koregan dankon por la belaj tagoj en Magdeburg al la tieaj fidelaj gesamideanoj.

*J. Glück*, Berlin.

## VII-a Hungara Esperantista Kongreso en Budapest.

La ĉeestantaro ne estis granda (4 eksterlandanoj, 60 provincanoj, 90 Budapeŝtanoj), tamen la kongreso atingis sukceson, ĉar ĉeestis ĝin la reprezentanto de Ministro de Instruado kaj Religio.

La 30an de majo kunvenis 70 gesamideanoj al la interkonatiĝa vespero, dum kiu kelkaj aŭskultis la prezentadon de „Literatura Mondo" per radio.

La 31an de majo antaŭtagmeze je la 9a malfermis la kongreson samideano Szász en la nomo de L. K. K. Elektita estraro: hon. prez.: D-ro Rácz, D-ro Vörös, D-ro Pázmány, Szász; prez.: Nagy-Molnár, D-ro Balla, Steiner, D-ro Halmágyi, Hugai; sekr.: D-ro Takács, Gregorius; kasisto: Tolni; not: Mátéffy, Lovasi, Lehmann, Varsányi, F-inoj Székely, Fiedler. Samideano Nagy Molnár rememoris pri samideano Giesswein. Post la kantado de hungara kaj esperanta himnoj salutis la kongreson en la nomo de eksterlandaj esperantistoj D-ro Jokl (Aŭstrio), F-ino D-ro Franklin (Anglio), Günthel (Germanio), Barta (Ĉeĥoslovakio). Telegrame salutis la pola kongreso. Poste salutparolis la grupreprezentantoj, nome: F-ino Fiedler (Pés), Steiner (Györ), Schwartz (Gyöngyös), F-ino Lichtmann (Miskolcz), D-ro Halmágyi (Szombathely), Török (Békés), Géresi (profesoroj), D-ro Bánó (blinduloj), Balkányi (UEA). Poste universitata profesoro Pázmány Zoltán faris tre efikan paroladon hungarlingve pri la signifo de Esperanto el la nacia kaj scienca vidpunktoj. Samideano Steiner alvokis la atenton al la graveco de junulara movado, kaj S-ino Alföldy parolis pri la rolo de virinoj en nia movado. Fine la kongreso akceptis kelkajn rezoluciojn, sendotajn al la diversaj ministroj, rilate la enkondukon de Esperanto ĉe la lernejo, poŝto kaj fervojo.

Posttagmeze okazis la UEA-kunsido kaj poste la ĝeneralkunsido de HES. Ĉefsekr. D-ro Takács raportis pri la sukceso de pasinta jaro. La societo havis en 1921 el 21 lokoj 98 anojn, en 1922 el 38 lokoj 329, en 1923 el 34 lokoj 415, kaj en 1924 el 59 lokoj 537 membrojn. Dum 1924 oni gvidis 30 kursojn en 15 lokoj por 496 personoj kaj faris 7 paroladojn en 5 urboj. Laŭ la permeso de kultministro oni gvidis kursojn en 9 lernejoj de 4 urboj por 283 studantoj. Fine oni elektis la prezidanton: univ. prof. Pázmány Zoltán.

Vespere okazis la bankedo kaj la kabaredo, kiun partoprenis la famaj gesamideanoj: S-ino Kéthelyi Wakots Margit, F-ino Riedl, Baghy, Kalocsay, Sárossy, Balkanyi.

La 1an de junio je la 9a oni daŭrigis la ĝeneralkunsidon de HES kaj poste la kongreson, kie la invito de samideano Hugai estis aklame akceptite, ke la sekvonta kongreso okazu en Gyöngyös.

*Tajo.*

## Propaganda vojaĝo de S-ro Andreo Ĉe.

(Sekretario de la Internacia Centra Komitato.)

Ni povas nun sciigi pri la lastaj vojaĝoj de S-ro *A. Ĉe*, kiu nun provizore interrompis sian rondvojaĝadon tra la Esperantujo, por repreni ĝin post la Universala Kongreso. La lastaj germanaj urboj, kiujn li vizitis, estis: *Frankfurt a. M., Wiesbaden, Mainz, Worms* kaj *Bad Kreuznach.* La programo de la paroladoj kaj la aranĝo de la akcepto estis ja proksimume egalaj en la diversaj urboj; por doni ekzemplon, ni citu parton de la raporto ricevita el *Mainz:*

„S-ro Ĉe alvenis la 4an posttagmeze. Samvespere li donis brilan pruvon de sia lerta instrua metodo en la malgranda privata kurso ĉe S-ro Spantz. Ĉiuj ĉeestintoj, precipe la instruistoj, multe bedaŭris, ke lia metodo ne estas publikigita. Dume, la gesamideanoj multenombre kunvenis en la ejo de la Marienschule, al kiu fine alvenis S-ro Ĉe por fari la salutparoladon. La 5an antaŭtagmeze li vizitis, kun la delegito de UEA, la estron de la Komerca Ĉambro kaj la redakciojn de 3 gazetoj. Ĉie li vekis intereson por nia lingvo. Vespere okazis la publika parolado. La ĉambrego estis plenplena. Nia paroladisto en sia bela parolado sukcesis konvinki la skeptikulojn pri la vivpovo de Esperanto kaj de ĝiaj organizaĵoj. S-ro Läufer tradukis germane. S-ino Häuser el Wiesbaden kaj F-ino Rappenegger, per siaj kantoj kaj deklamoj arte enkadrigis la vesperon."

Ĉar en tiu parto de la vojirado ĝuste proksimiĝis la tempo de niaj Parizaj Konferencoj, S-ro Ĉe estis devigata lasi Germanion por iri rekte al la franca ĉefurbo. El *Parizo* nia nelaciĝebla samideano iris al la Sud-orienta Franclando, kien oni lin invitis jam delonge. En *Clermont-Ferrand, Lyon, Grenoble* kaj *Annecy* — tiuj estis la etapoj en tiu teritorio. Post tio li ree direktis sin al la nordo, nome al *Mulhouse* en Alsaco, de kie li devis rapidi al la Belga Kongreso en *Verviers.* Ni ricevis grandan belgan ĵurnalon kun la detala artikolo pri la Belga Kongreso, en kiu S-ro Ĉe plurfoje parolis kaj estis honorata de la oficialaj reprezentantoj esperantistaj kaj de la urbestraro; liа ĉeesto kaj liaj paroloj faris grandan impreson al la neesperantista parto de la kongresanoj, kiuj okulvideble konvinkiĝis, ke nia lingvo ne nur estas utila, sed ankaŭ vivanta.

El Belgujo S-ro Ĉe iris al *Saarbrücken*, kien li estis akceptita en la loka grupo, kiu cetere tre bone laboras. *Vallorbe* estis la unua svisa urbo, en kiu nia propagandisto tuŝis la svisan teron. En tiu ĉarma urbeto S-ro Ĉe rekontiĝis kun D-ro Privat ĵus veninta el Londono, kaj profitante tiun feliĉan cirkonstancon niaj eminentaj samideanoj, kun la lerta helpo de UEA-Del. F-ino Alice Noguet, aranĝis sukcesan propagandvesperon en la urbdomo, el kiu sekvis tuja fondo de la grupo. La Ĝenevaj samideanoj estis feliĉaj per telefono paroli kun niaj propagandistoj, kaj ekscii la baldaŭan revenon de niaj de longe atenditaj kunlaborantoj — al Genève.

## Esperantista Kongresa Dataro.

| | | |
|---|---|---|
| Julio | 8—12: | Nord-Amerika XVIII-a Kongreso en Cleveland |
| Julio | 9—12: | Bulgara XII-a Kongreso en Sofia |
| Julio | 10—12: | Rumana V-a Kongreso en Ploesti |
| Julio | 11—12: | Sveda Laborista Kongreso en Uddevalla |
| Julio | 31—7. VIII.: | Somera Universitato Internacia en Genève |
| Aŭgusto | 1: | Antaŭkongreso en Bern |
| Aŭgusto | 2—7: | Universala XVII-a Kongreso en Genève |
| Aŭgusto | 8—10: | Aŭstria V-a Kongreso en Salzburg |
| Aŭgusto | 11—15: | Sennacia V-a Kongreso en Wien |
| Aŭgusto | 13—16: | Katolika X-a Kongreso en Paris. |

## Movado en Ĉinlando.

Malgraŭ la intereso kiun havas ĉinaj kleruloj por nia lingvo, la movado ĝis nun ne sufiĉe bone antaŭeniris pro multaj kaŭzoj: politika interbatalo en la lando, manko de Esp.-lerniloj kaj instruantoj, maloftaj vizitoj de fremdaj samideanoj. Multe helpas al la propagando la rusaj esperantistoj, kiuj daŭre ekloĝis ĉi tie, nome pastro *Serišev* en Peking, *Stopani* en Shanghai, *Erošenko, Sofoklov, Tululejev* en Peking. Nun jam ekzistas Esperanto-ĉina vortaro eldonita en Ĥanĉou. Kursoj funkcias en jenaj urboj: Peking, Shanghai, Kantong, Cinan, Hankou, Wuhu, Putong, Vusono, Hangĉong, Ĉintan, Usio, Ĉan-ĉau, Nan-ĉou, Ĥanĉou, Junnan, Pinduo, Sooĉong, Anĉen, Ĉanŝa. Se eŭropaj samideanoj helpos al la ĉinaj presigi en granda kvanto bonajn lernilojn, tiam ni vidos en la „Ĉiela Imperio“ dekmilojn da novaj samideanoj, por kiu nia lingvo estos utila en la lando mem, kiel praktika interkomprenilo, ĉar la ĉinoj parolas pli ol 50 malsamajn lingvojn, reciproke nekompreneblajn. Tia monofero, por krei novajn Esperanto-regionojn en la Oriento, certe pli utilos ol monoferoj por ree propagandi nian lingvon en Meza Eŭropo, jam sata de la nurvorta propagando.

---

## Zamenhof-Monumento.
(Ora Libro kaj Kupon-kartoj).

Multaj samideanoj ankoraŭ posedas kupon-kartojn, siatempe senditajn al ili por vendo. Mi tre petas ilin, ke ili bonvolu, plej baldaŭ likvidi la aferon de tiuj kartoj, kaj sendi al mi la monon de la venditaj kuponoj kaj la nevenditajn restintajn kartojn.

Ne forgesu aldoni la nomojn de ĉiuj mondonacintoj. Kie tio ne estas detale konata, pro kolektiva donaco, bonvolu doni la nomon de la grupo aŭ rondo kie la kolekto estis farita. Ĉio eniros en la oran libron.

*J. D. Applebaum*
Hon. Sekr. de Internacia por-monumenta komitato
11 Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool.

---

## La Papo Pio XI. kuraĝigas Esperanton.

Pere de la Kardinalo Gaspari, en la Vatikano, Lia Sankteco Pio XI. bonvolis danki kaj kuraĝigi la katolikajn esperantistojn pri ilia klopodado disvastigi la Evangelion per la helpa lingvo. La dokumentoj pri tiu afero aperas en junia numero de la „Katolika Mondo“.



# LINGVAJ STUDOJ



## *Juro aŭ leĝoscienco.*

S-ro *F. Glaser*, doktoro de juro en Innsbruck'a Universitato, sendis al ni grandan artikolon kies esencon ni ĉi tie laŭpove resumas. Vorto „leĝoscienco“ ne estas konsilinda, ĉar ĝi estas konfuziga el la scienca vidpunkto; cetere ĝi ne signifas „juro“. Por la juristoj: la leĝoscienco estas la sistemordigita kono pri la normoj publikataj de la leĝdona konstitucia organo. Por la larĝa publiko: la leĝoscienco estas la sistemordigita scio de la tuta skribita juro de la lando. „Juro“ estas ofte uzata anstataŭ „jurscienco“. La jurscienco instruas ne nur la kodigitan juron de iu lando kaj la tekston de la leĝoj, ĝi ankaŭ havas la taskon komprenigi spiriton kaj evoluon de la juro en ĝia larga socia senco. Esprimoj „studento de leĝoscienco“, „doktoro de leĝoscienco“,.. estas malprecizaj, kaj pli bone oni diru „studento, doktoro,... de jurscienco“, aŭ eĉ simple „de juro“.

## *Nomoj de Greko-Latina Mitologio.*
(Fino).

| *Originaj nomoj:* | *Esperantaj nomoj:* | *Mita senco:* |
|---|---|---|
| Ĥronos | Ĥrono | tempestro, pratempo |
| Prometheys | Prometeo | prametio, fajrarto, elpensisto |
| Kyklops — Cyclops | Ciklopo | rondokula egulo |
| Gigantes | Gigantoj | prahomegoj |
| Titan | Titano | fajro, egulo, sunido |
| Kabeiroi — Cabiri | Kabiroj | subterfeoj, vulkanuloj |
| Kentayroi — Centauri | Kentaŭroj | Ĉevalhomoj, Rajdistoj |
| Glaykos — Glaucus | Glaŭko | marverda brilo, mardio |
| Hymen | Himeno | edziĝo, edza kuniĝo |
| — Ianus | Jano | pordo, pordofeo, dufaca dio |
| Priapos — Mutunus | Priapo, Mutuno | peniso, virilo, fertilo |
| Herakles — Hercules | Herkulo | heroulo, fortegulo |
| Nymphai — Nymphae | Nimfoj | akvofeinoj, ondinoj, arbofeinoj, fontinoj, montofeinoj, grotinoj |
| Ker — Fatum | Kero, Fatumo | fatalo, destino, sorto |
| Pallas — Bellona | Palada, Duelona | milita diino, duelino |
| Typhon | Tifono | mallumo, dezerto |
| Erebos — Tartarus | Erebo, Tartaro | subterujo, infero |
| Kerber Cerberus | Kerbero | infera hundo, gardisto |
| Mnemosyne - Memoria | Mnemosino, Memoria | memoro, pensogardistino |
| Harpyiai | Harpioj | rabobirdoj, rabulinoj |
| Gorgones | Gorgonoj | terurego, timegulinoj |
| Nemesis | Nemesida | venĝo, punjusta diino |
| — Manes, Lares | Maneoj, Lareoj | malvivuloj, animoj de mortaj parencoj |
| — Penates | Penatoj | hejmofeoj, prauloj |
| Asklepios — Aesculapius | Eskulapo | kuracestro, medicinisto |
| Elysion — Hesperidoi | Elisio, Vesperidoj | paradizo, okcidenta lando feliĉa kaj riĉa, Kanariaj insuloj |

* * *

## *Korektinda eraro.*
(heliko ne estas limako).

La *Universala Vortaro* difinas la vorton *limako* per jenaj naciaj tradukoj: limaçon, escargot; snail; Schnecke; ulitka. *Boirac* jam en la 1909 korektis tiun eraron, metinte en sia granda vortaro ĝustajn tradukojn: *heliko* escargot; *limako* limace. S-ro *Grosjean-Maupin* ankaŭ korekte donas: *heliko* limaçon, *limako* limace. Tamen la neatentemaj vortaristoj germanaj, rusaj, k. a., daŭrigas la eraran uzadon. Estas facile enmemorigi la ĝustan sencon de la du parencaj vortoj. *Heliko* estas molusko kun konko, *limako* — sen konko. *Heliko* etimologie signifas: spiralaĵo, ĉirkaŭvolvo; de la sama radiko estas vortoj: *helico* (turnebla movorgano de aeroplano, ŝipo), *helikono* (spiraltuba muzikilo), *helikoptero* (helica aviadilo). *Limako* etimologie signifas ŝlimo, koto, malsekaĵo. Ĝi havas latinan nomon *Limax*, la grekan *Leimax*, kaj tiu radiko ekzistas en la franca *limon* (ŝlimo), greka *leimon* (malsekaĵo), slava *ilmen, liman* (lago), svisfranca *Léman* (lago de Genève). S-ro *Millidge* tute prave tradukas: *heliko* snail (Helix), *limako* slug, shell-less snail (Limax). Do la rusa traduko devas esti: *heliko* ulitka, *limako* sliznjak. Sudrusa: *heliko* lavrik, *limako* goljak; la franca havas ankaŭ aliajn nomojn por la *heliko*: colimaçon, kaj por *limako*: loche, limas.



## INTER NI



# Al Marhorizontoj.

> Guto post guto, kaj ero post ero,
> iras la akvo al fonto . . .
> Fontoj, torentoj, en larĝa rivero,
> kuras al marhorizonto . . .

Abunda pluvo falas teren. La tero estas trakurata de milmil fluetoj, kiuj obeante misteran forton de l' altiro — serĉas sian vojon sur la surfaco, inter la terpartetoj, ĉirkaŭ la herbradikoj . . . Sed ili ne trovas komunan eliron. Multaj gutoj, trasorbiĝaj profunden, formas subterajn akvokuŝojn kaj plenigas putojn. La aliaj mortas sur la supraĵo mem, tute sindoninte por la koto. La pluaj senespere haltas sur la jam malseka supraĵo, kolektiĝas ĉi tie kaj tie — kiel izolaj starakvoj, lagetoj, marĉoj. La ceteraj, ne trovinte por si konvenan lokon, elvaporiĝas kaj reeniras la aeron.

Kiam ili ĉiuj vojaĝis el la ĉielo, ili, la pluvgutoj, estis animitaj en komuna entuziasma aspiro. La patrino-nubo ilin naskis, naskiĝigis ilin la fulmo ardega, kiu multfoje tralancis la nubon, kun la tondro. Dum la gutoj falkuris, potence tirataj al la tero, ili ĉiuj sentis la komunan ebrion de l' ĝojo, la antaŭguston de l' proksima gaja laboro. Sed, atinginte la teron promesitan, ili kontraŭvole disiĝis, diskuris malsamajn flankojn, aŭ male, ili sencele miksiĝis, pogrupe haltis. Anstataŭ kapturna flugado tra la viviga aero, anstataŭ sonora fluado sur la varma tero, ili nun sidas senmove. Nur kelkafoje la radio tuŝas kaj briligas ilian spegulantan surfacon, memorigante pri la ĉielo, kie ili naskiĝis hieraŭ, aŭ iufoje la vento sulkigas ilian supraĵon kaj por unu horo elvokas la kolerete disputantajn ondetojn, kiuj poste ree malaperas.

Tiu bildo estas bildo de nia ĝisnuna movado. Dekmiloj da homoj, altiritaj per la potenca ideo, alrapidis por la ĝoja komuna laboro kaj por la plihela vivo. Ilin animis la nova sento, kuranta tra la mondo, kiel elektra tremskuo. Sed, aliĝinte, ili malaperis en la ombro, enfalis izolajn grupojn, haltis en malsamaj provincoj de Esperantujo, aŭ reen foriris elreviĝaj. La plimulton subjugis senmovo, apatio, hezito. Nur de temp' al tempo, tie aŭ tie ĉi, la disputetoj iom ekscitas ilin por efemera agitado aŭ por persona ambicio.

Revenu ni al la plata ebenaĵo, kie la pluvo formas lagetojn kaj marĉojn. Tiu ebena lando restas en la sama, ŝajne senmova, stato de l' stagnacio. Pasas jarmiloj, sekundoj de l' kosma evoluo, kaj nenia surtera potenco povas aliigi tiun staton. Tamen interne, en la terprofundo, nevideblaj metamorfozoj okazas: rokoj puŝataj glitas, tavolegoj kavigas, ĝibiĝas. Ĉar ie, en la malproksima fundego, la interna fajro vibras, serĉas eliron. Sube bolegas la maso vulkaneca, supre tremetas la tersurfaco. Kaj jen la mirindaĵo — nur pro eta nivelŝanĝo, kelkcentimetre ĉi tie, kelkcole tie, la vasta ebenlando tute transformiĝas. La pluvakvo nun ne povas halti pro la tieaj deklivoj. Formiĝas torentoj, akvofaloj, kiuj trufosas la grundon, kreas la ravenojn. La torentoj kuniĝas, kaj centope enkuras la riveretojn, kiuj siavice rapidas porti sian ŝaŭmakvon al la rivero, ĉiam pli kaj pli larĝa. La rivero renkontas la alian, la trian, ili frate unuiĝas, kaj la jam potenca akvamaso majeste iras al la maro. Al la maro, senlima, mistera, plena je briloj, ondoj, abismoj kaj vivoj!

La dua bildo simbolas nian morgaŭan movadon. Ĉu la morgaŭa tagiĝo venos baldaŭ, ĉu ne, ĉiuokaze ni antaŭsentas ĝin, ni senhezite ĝin atendas, ĉar ni senhalte laboras, ĉiu laŭ sia povo. La ĉirkaŭa mondo aliiĝas kun krakado de l' kinofilmo . . . . Malnovaj idoloj falas, ŝprucante polvon de l' jarcentoj . . . . Nur internaj trezoroj restas netuŝataj de l' universala ruiniĝo. Ankaŭ ni ilin gardas en certa mezuro. Sed niaj trezoroj estas iom aliaj ol tiuj de l' unuaj esperantistoj, de l' fino de la XIX-a. Ankaŭ nia lingvo transformiĝas per la komuna uzado. En la universala kurado, ni, infanoj de nia tempo, kreas nian langaĵon, sukplenan junarbon, elkreskintan el pala arboĝermo de niaj patroj. Ĉar kurado de l' tempo postulas ĉiutagan vivadapton sub la minaco de l' socia morto. La dua bildo prezentas nian morgaŭon. La hodiaŭo estas penplena. Sed, kiel la radia tagiĝo de l' mateno ne estus tiom bela, se ne ekzistus antaŭa malhela nokto, tiel same nia morgaŭa movado estos des pli brila, ĝojvibranta kaj prospera, ju pli malhela estis sufero de la pioniroj kaj ju pli malvarma vento blovis kontraŭ ili.

Hodiaŭ izolaj, svarmantaj en la ombro, aŭ starantaj en la hezito, la amasoj de nia popolo morgaŭ moviĝos. Ilin animos la energio longe dorminta en la profundo, kaj unufoje elliberita, ĝi puŝos la Esperantan Popolon al pli gravaj akiroj, al pli vastaj kampoj, al pli larĝaj celoj, al marhorizontoj . . .

*Petro Stojan.*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 4, 10, 35; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 75, 150, 700; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 90; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35, **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 125; **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 2; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Jarlibro 1925.** — Pro teknikaj kaŭzoj la ekspedo nur efektiviĝis dum mezo de junio. Ĉiuj ekzempleroj estis senditaj rekte, escepte la germanaj, kiuj estas senditaj de la peranto *S-ro Fritz Rockmann en Magdeburg* ope al la Delegitoj. Anoj ne ricevintaj la jarlibron bonvolu tion komuniki al la Centra Oficejo de UEA.

**Enkasigo en Germanio.** — Ni informas la Membrojn (M) nepagintajn la kotizon ĝis 30 junio, ke ni enkasigas ĝin per la poŝto. Lasta dato de pago por la *partpagintoj* ankaŭ estas la 30 junio; post tiu dato ni sendos poŝtrepagon enkasigonte la ŝuldatan reston de la kotizo.

**Garantia Kapitalo.** —

*Dua serio:*

| | Frankoj svisaj |
|---|---|
| Antaŭa listo . . . . . . . . . | 6300.00 |
| 22. S-ro Donald E. Parrish, Buffalo, U. S. A., N. Y. | 300.00 |
| Sumo: | 6600.00 |

**Novaj Delegitoj.**

Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

**Amizmiz,** Afriko, Maroko. D: S-ro Pierre Carriere, Bureau des renseignements

**Berchtesgaden,** Germanio, Oberbayern. D: S-ro Franz Staudacher, ŝuisto, H. Kosian Poststr. 57.

**Bernsdorf b. Trautenau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Ernst Ulrich, komerca oficisto

**Bischofswerda,** Germanio, Sa. D: S-ro Heinz Domschke, lernanto, Süssmilchstr. 4, I

**Bjelovar,** Sudslavio, Kroatio. D: S-ro Dragutin Dosěk, razisto, Preradovicěva ulica 3.

**Bolzano,** Italio, Venezia. D: S-ro August Wiesbauer, industriisto, Vintlerstr. 6

**Bottrop,** Germanio, Westfalen. VD: D-ro Josef Heckmann, studkonsilisto. Sterkraderstr. 52

**Burriana,** Hispanio, Castellón. D: S-ro José Fenollosa-Perez, kuracisto, Calle Encarnacion 23

**Canon,** Franclando, Calvados. D: S-ro Jean Baptiste Robin, ĉefligna̧jisto, Ateliers de l' Etat

**Ceuta,** Afriko, Hispana Maroko. D: S-ro Pedro Garcia, telefonisto, Talleres de la Puntilla.

**Coburg,** Germanio, Bayern. D: S-ro Bernhard Petz, komercisto, Bahnhofstr. 33

**Coomassie,** Afriko, British West Africa. D: S-ro Mauricio Luciano Huber, komercisto, Box 198

**Drohobycz,** Pollando. D: S-ro Andreo Wojtuŝciszyn, oficisto, Kasa Chorych. VD: F-ino Levka Kondrativna, instruistino, Wojtowska Góra 26

**Ercegnovi,** Sudslavio, Dalmacija. D: S-ro Nikola Lepetič, studento.

**Essen-Borbeck,** Germanio, Rhld. D: S-ro Alfons Dreiskemper, bankisto, Weiskamp 85 VD: S-ro Aloysius Kruse, Weiskamp 78.

**Fresnes s. Escaut,** Franclando, Nord. D: S-ro Jules Aldebert, negocisto pri terkulturaj maŝinoj, Rue de Condé 90-92

**Gandia,** Hispanio, Valencia. D: S-ro Rafael Vizcaino Olcina, bankoficisto, Banco Hispano Americano

**Hainburg,** Aŭstrio. D: S-ro Karl Mätzel, muzikinstruisto, Leyergasse 7 VD: S-ino Jenny Löfler, muzikistino, Ungarstr. 9

**Hamadan,** Persio. D: S-ro Mohamed Labib, instruisto

**Hronský Svätý Beňadik,** Ceĥoslovakio. D: S-ro Rafael Bartal, romkatolika pastro

**Jogjakarto,** Nederl. Ind., Java. D: S-ro George Leopold Blot, instruisto, Djetis.

**Kalthof,** Danzig. D: S-ro Franz Kindler, urbestro

**Karlshafen,** Germanio, Bez. Kassel. D: S-ro Otto Vitt, instruisto.

**Kelvä,** Finnlando, Pielisjärvi. D: S-ro Antti Räty, instruisto

**Kingstown,** Brit. West Ind., St. Vincent insulo. D: S-ro Dom Wilfridus Broens, katolika pastro

**Konia,** Turka respubliko, Malgranda Azio. D: S-ro Hanĉerli Oglou Sidki, telegrafĉefoficisto VD: S-ro Sureya, instruisto, liceo

**Królewska Huta,** Pollando, Silezio. D: S-ro Emil Kolodziej, muntisto por malforta elektreco, ul. Ligota Górnicza 60 VD: S-ro Hubert Günzel, komercisto, ul. Wolnosci 90

**Lappeenranta,** Finnlando, Savo. D: S-ro Onni V. I. Salin, lernanto, Luukas.

**Langugest ap. Dux,** Ceĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Adolf Gruber, ministo, N-ro 52

**Lazy,** Ceĥoslovakio, Silezio. D: S-ro Jan Neděla, mineja oficisto, N-ro 280

**Metuchen,** Usono, New Jersey. D: S-ro Abraham S. Arnold, advokato, Box 36

**Mikulovice,** Ceĥoslovakio, Silezio. D: S-ro Miroslav Rumpel, fervoja oficisto

**Milwaukee,** Usono, Wisconsin. D: S-ro John H. Williams, fajrasekuristo, 1715 Clybourn Street

**Moravské Budějovice,** Ceĥoslovakio, Moravio. D: S-ro Antonín Veleba, ĉeflibrotenisto, c. o. Bratři Smrčkové

**Nedvězí u. Olomouce,** Ceĥoslovakio, Moravio. D: S-ro Vojtěch Jedlička, instruisto

**Nemestördemic,** Hungario, Zala megye. D: S-ro József Váry, ĝardenisto

**Neuilly s. Seine,** Franclando, Seine. D: S-ro Arnold Pravatiner, studento, 11 bis Rue d'Orléans.

**Neurode,** Germanio, Sa. D: S-ro Wilhelm Heimann, ministo, Schwarzbachgrund 7

**Newark N. J.,** Usono, Essex. D: S-ro D-ro William S. Benson, kuracisto, 20 Mercer Street

**Numazu,** Japanio. D: S-ro Joko Jamamoto, Radio-inĝeniero, Masagoĉo 7

**Önundarfjördur,** Islando. D: S-ro Olavo Kristjansson, farmisto, Kirkjuból Bjd.

**Osches,** Franclando, Meuse. D: S-ro Louis Hannus, instruisto, Osches par Souilly

**Ostroleka,** Pollando, Bialystok. D: S-ro Anatol Koch, termezuristo, Pocstowa Skrzynka 5

**Ostrów Mazowiecki,** Pollando, Bialystok. D: S-ro Antonio Jaworski, Stacja

**Padang,** Ned. Indie, Sumatra. D: S-ro M. Kruyt, bienmezuristo, kadasterkantoor

**Paris,** 1-a kvartalo. D: S-ro Henry Van Etten, 20 Av. Victoria.
3-a „ D: S-ro Joseph Estour, fabrikagento, 1 bis rue des Coutures St. Gervais
4-a „ D: S-ro Paul Pécheux, 16 rue Pavée.
7-a „ D: S-ro Raymond di Rienzi, advokato ĉe la Apelacia Kortumo, 225 Bd. St. Germain
10-a „ D: S-ro Charles Tiard, inĝeniero, 209 Fbrg. Saint Denis.
20-a „ D: S-ro Louis Planchenault, fabrikanto de bindiloj „Clion“, 12 Rue Victor Letalle

**Pareces,** Hungario, Borsod. D: S-ro Pál Heczke, instruisto, lp. Diósgyörvasgyar VD: S-ro Bertalan Illyés, pastro reformita, Glauzer u. 15, Diósgyörvasgyár

**Pirdop,** Bulgario, Sofia. D: S-ro Ivan H. Krestanoff, gimnazia instruisto

**Popovo,** Bulgario. S-ro Geórgi Hristov, bulgara ortodokskristana paroĥa pastro

**Port S-te Marie,** Franclando, Lot et Garonne. D: S-ro André Géraud, advokato

**Rabenstein,** Germanio, Sachsen. D: S-ro Georg Walther Barth, instruisto

**Rákospalota,** Hungario, Pest-Pilis-Solt-Kiskun. D: S-ro Béla Gondár, oficisto, Iskola u. 116

**Recitza,** Rumanio, Banato. D: S-ro Nicolae, Liviu Goantzà, profesoro.

**Rodas,** Santa Clara, Kubo. D: S-ro Antonio R. Rosado, juĝisto, Calle Liceo

**Romozantin,** Franclando, Loir et Cher. D: S-ro Daniel Moreau, industria oficisto, 32 Faubg. d'Orléans

**Roubaix,** Franclando, Nord. D: S-ro André Boulouis, makleristo pri kombitaj lanoj, 33 rue de l'Epeule.

**Salisbury,** Afriko, Southern Rhodesia. D: S-ino Mary Edith Berry, stenografistino, Department of Agriculture

**Schmalkalden,** Germanio, Thüringen. D: S-ro Otto Mandler, bankprokuristo, Brackstr. 6

**Sokal,** Pollando, Or. Galicio. D: S-ro Orest Karawaŭ, studento de filozofio, Zabuse, Belska 154

**Sóller,** Hispanio, Baleares. D: S-ro Miguel Arbona Oliver, teksaĵfaristo, Batach 34

**Stevenston,** Skotlando, Ayrshire. D: S-ro Robert Stevenson, ĥemiisto analiza, Seamore.

**St. Basile par Mougins,** Franclando, Alpes Maritimes. D: F-ino Georgina Wickham, Quartier du Devens

**St. Pölten,** Aŭstrio. D: S-ro Anton Goldman, oficisto, Rennbahnstr. 31
VD: S-ro Hans Lachmann, fervoja oficisto, Klostergasse 9

**Saint Saëns,** Franclando, Seine Inf. D: S-ro Ernest Morisset, notaroficisto, Rue Hendlé

**Terni,** Italio, Perugia. D: S-ro Renato de Rossi, litografisto, Via dell'Arringo 16

**Tiegenhof,** Danzig. D: S-ro Rudolf Čálek, dogana inspektoro, Bahnhofstr. 158

**Tilsit,** Germanio, Ostpreussen. D: S-ro Adalbert Bark, supera distrikta advokato, Jägerstr. 21, II
VD: S-ro Fritz Block, instruisto, Heinrichswalderstr. 15

**Torelló,** Hispanio, Barcelono. D: S-ro Rusinol Lorenzo, ornampentristo, Calle de Balmes 10-3-1

**Tornal'a,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D: S-ro Imrich Turanský, oficisto, Tornal'a ž. Podtatranská

**Tourcoing,** Franclando, Nord. D: S-ro Louis Vauthier, profesoro ĉe la liceo, 16 Rue de Belfort

**Utrera,** Hispanio, Sevilla. D: S-ro Manuel Fernandez Moreno, industriisto, Bailen 46
VD: S-ro Antonio Ortiz de la Rosa, panisto, Eduardo Dato 10

**Vác,** Hungario, Peŝt. D: S-ro Dezsö Lang, oficiro de hungara reĝa statfervojo, Sörház utca 5a

**Vallauris,** Franclando, Alpes Maritimes. D: S-ro Antonius Thevenet, artpotisto, 47 Av. du Golfe

**Volary,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Josef Tichawski, faka instruisto, N-ro 148

**Waldstatt,** Svislando, Appenzell. D: S-ro Jakob Frischknecht, bankoficisto, Kneuwies

**Wels,** Aŭstrio, Supra Aŭstrio. D: S-ro Karl Franz, kasisto de la urba ŝparkaso, Dr. Grossstr. 4

**Wien,** Aŭstrio, 2-a kaj 20-a kvartalo. D: S-ro Franz Braun, doganoficisto, Nordbahnhof, Zollgebäude

**Wolfen,** Germanio, Pr. D: S-ro Hermann Lummerzheim, ĥemiisto, Dr. phil. nat.

**Žamberk,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Antonín Vágner, razisto, c. o. Drtina
VD: S-ro Jan Bílek, lignoskulptisto, N-ro 33

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.**

### Delegitoj. — Ŝanĝoj.

**Aiud,** Rumanio, Trans. D: S-ro Didó Farnos, Piata Regele Ferdinand 14

**Altona,** Germanio, Schl. D: S-ro Karl Lind, instruisto, b. Frau Holsten, Holstentwiete 30, II
VD: S-ro Walter Meier, administra oficisto, Wielandstr. 10

**Annecy,** Franclando, Hte. Savoie. D: S-ro Charles Dannemuller, farmaciisto, 14 rue Royale
VD: S-ro Raymond Evrot, profesoro en la liceo, rue St. Maurice 2

**Baden,** Svislando, Aargau. D: S-ro Alfred Egg, komercisto, Postfach 14 Schartenstr., Wettingen

**Bandundu,** Belga Kongo, Kwango. S-ro Arthur De Boeuf, adjudant Chef

**Bielska,** Pollando, Silezio. D: S-ro D-ro Julius Haas, dentisto, Bahnstr.
VD: S-ro Siegmund Fränkel, fabrikisto, ul. Starobielska 1

**Brescia,** Italio, Lombardio. D: S-ro Facchi Gaetano, terposedanto, 64 Corso Vittorio Emanuele
VD: S-ro Rog. Ciro Menotti, sekretario ĉe maŝinfabriko, Via marsala 24

**Bristol,** Britlando, Gloucester. D: S-ro E. M. Preston, „The Rosery" Westbury-on-Trym
VD: S-ino J. A. Westmancote, 13 Wueensdale Crescent, Knowle Park

**Brüx,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Adolf Rudel, librotenisto, Mantlergasse 17

**Cluj,** Rumanio, Trans. D: F-ino Euĝenia Morariu, oficistino, Str. Sincai 2
VD: S-ro D-ro Ladislao Löcsey, oficisto, Str. Enescu 9

**Czéstochowa,** Pollando. D: S-ro A. Karmil, Nowy Rynek 5

**Eemnes,** Nederlando, Holando. D: S-ro Johannes van Hengel, eldonisto, Huize Gooiershove

**Eltville a. Rh.,** Germanio, Rheingau. D: S-ro Adam Zangmeister, laboristo, Taunusstr. 1
VD: F-ino Maria Klumm, oficistino, Holzstr. 32

**Gablonz a. d. Neisse,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Hermann Röhlich, komercisto, Wassergasse 7a
VD: S-ro D-ro Josef Pontz, notaria kandidato, Gebirgsstrasse 4

**Horrem bei Köln,** Germanio, Rhld. D: S-ro Theo Jung, presisto-eldonisto, Hindenburgstrasse

**Huskvarna,** Svedio, Småland. D: S-ro Svan Fransson, kontoristo, Berghem, Ebbes

**Ĥarbin,** Ĉinio, Manĝuria. D: S-ro Petr A. Pavlov, meteorologo, Meteorologia Stacio
VD: S-ro V. M. Vitoŝinskij, Manĝuria Esperanto-Societo, Railway Club

**Jičín,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro František Šádek, fervoja oficisto, Nové Město 52
VD: S-ino Emilie Najmanová, edzino de fervojisto, Fügnerova 227.

**Karhula,** Finnlando, Helilà. D: S-ro Edward Koivistoinen, kristalrafinisto

**Kaunas,** Litovio. S-ino Emilija Janiski, muzikprofesorino, Laisvés aleja 24
VD: S-ro Jozefo Joels, bibliotekisto, Viliamspolis. Jurbarko g. 19

**Kirdjali,** Bulgario. D: S-ro Vasil Tenĉev, tabak-eksporto, ĉe „Rudolf Halas"

**Košice,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D: S-ro Václav Haissinger, komandanto de ŝtata policistaro, Hlavná ul. 116
VD: S-ro David, Kremer, korespondisto, Kalvárská 15

**Kratzau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: D-ro Karl Alexowsky, kuracisto, Ludwig-Thielgasse 55.
VD: S-ro Ernst Pfohl, lignaĵisto, No. 97

**Laigle,** Franclando, Orne. D: S-ro Camille Martin, ekskampkulturisto, 20 Rue de la Madeleine.

**Landshut,** Germanio Nieder-Bayern. D: S-ro Aloys Hubauer, komercisto, Münchner Straße 20
VD: S-ro Anton Rohrbach, librovendejo, Jodoksgasse 591

**Litoměřice,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D: S-ro Josef Zimmer, poŝtkasisto
VD: S-ro D-ro Rudolf Hiekel, profesoro gimnazia, Mareschgasse 4

**Makó,** Hungario, Csanad megye. S-ro Erdös Ernö, librotenisto, Szent János tér 5
VD: S-ro Aleksandro Kenény, privatoficisto, Dessewffy tér 17

**Marseille,** Franclando, Bouches du Rhône. D: S-ro Henry Isnard, ŝtatoficisto en la maristaro, 38 rue Thomas.

**Milano,** Italio. D: S-ro Ippolito Piatti, instruisto, Corso Sempione 3-26
VD: S-ro Giovanni Tauzi, kontoscienculo, Bronzetti 38-33

**Palma de Mallorca,** Hispanio, Baleares. D: S-ro Nicasio Terassa Pou, studento, Piedad 20-2º
VD: S-ro Jose Salom Nadal, laboristo, Camino vecinal de Montaña 28, Pla de Ne Tera

**Petroŝeni,** Rumanio, Trans. D: S-ro A. Oliver, lignaĵisto, Str. N. Jorga 8, Butorgyar

**Riga,** Latvio. D: S-ro Talivaldo Indra, Doganoficisto, Krišjana Barona iela 104, posta kaste 475
VD: S-ro Edgaro Grot, ĵurnalisto, Elizabetes iela 9 dz. 33

**Roma,** Italio. D: S-ro Elio Migliorini, studento, Via Alessandro Poerio 29
VD: S-ro Ermanno Filippi, fervoja librotenisto, Via Tagliamento 76

**Shanghai,** Ĉinio. D: S-ro Ĉen Ĉaŭ Jin, komercisto, K. 7 Boone Road
VD: S-ro Iĉio Sun, telegrafisto, K. 7 Boone Road

**Sofia,** Bulgario. D: S-ro Dimitr. Simeonov, 6 Septemvri 1
VD: S-ro Kiril P. Georgiev, 6 Septemvri 1

**Sultanabad,** Persio. D: S-ro Reza Taheri
VD: S-ro Fazlola Ĥan Parvin, financisto
D por komercaj demandoj: V. Sarkisjan.

**St. Denis,** Franclando, Seine. D: S-ro Albert Germaine, instruisto, 9 Square Thiers

**Vratza,** Bulgario. D: S-ro Radoslav Kuzmanoff, distrikta inspektoro de labordonantoj, Ul. Knjeĵavska 76
VD: S-ro Georgi H. Georgiev, oficisto, Ul. Sofronij 10

**Warnsdorf,** Ĉeĥoslovakio. D: S-ro Franz Kaulich, oficisto, VII, 1904
VD: S-ro Josef Ernest Koch, ŝparkasa oficisto, III, 388

**Wichita,** Usono, Kansas. D: S-ro Warren G. Davis, lernanto, 611 South Hillside

**Wolverhampton,** Britlando, Staffordsh. D: S-ro Frederic William Hipsley, civila inĝeniero, Julita, Old Fallings Lane

**Zittau,** Germanio, Sachsen. D: S-ro Ali Akber Ehm, komercisto, Stephanstr. 11, I
VD: D-ro Richard Lindt, konstrukonsilisto, Moltkestr. 1

### En jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:

**Batavia,** Java; **Fohnsdorf bei Judenburg,** Aŭstrio: **Lulea,** Svedio; **Malang,** Java; **Marcigny,** Franclando; **Milton,** Usono; **Montceau les Mines,** Franclando; **Moravany,** Ĉeĥoslovakio; **Paris,** 17-a kvartalo, Franclando; **Punkaharju,** Finnlando, **Rebais,** Franc.; **Bad Reichenhall,** Germ.; **Roye,** Franc.; **Semur en Auxois,** Franclando; **Sévran,** Franclando; **Westhofen,** Germanio.

Genève, 10 Junio 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**F. de Casteljau,** inĝeniero, pioniro de nia movado en Avignon, prezidinto de tiea grupo, mortis 25. IV. post tre longa suferiga malsano.

**Felicidad Zamora de Garcia,** samideanino el Manila (Filipina insularo) forpasis en Barcelona 12. II. pro kruela cerba malsano, lasinte en funebra malĝojo sian filinon Renée, kaj du fratinojn Maria kaj Rosalia.

**Emilio Echepare** pereis dum aŭtomobila katastrofo en Telde, Kanariaj insuloj.

**Florence Stevens,** 68-jara, en Welwyn Garden City, ŝi estis varma subtenanto de nia movado, kaj patrino de S-ino E. Edmonds kaj F-ino Stevens.

**William Lewis,** la pioniro de Esperanto en Manchester, mortis 69-jara la 31 marto.

**Francisko Dan,** urba oficisto en Szombathely, mortis 14. III. pro malsano akirita en la milito. Li estis fondinto, sekretario kaj kasisto de la loka grupo.



# AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

Solvoj: 86 = Mar-maro. — 87 = Vino, ideo, neĝo, 0000. — 88 = Ru-bri-ko, ko-man-di, di-man-ĉe, ĉe-va-la, la-cer-to, to-ni-ka, ka-me-lo. — 89 = Vilaĝo - Pekino. — 90 = Lamuloj. — 91 = **Ŝanĝo de kapo.** | Facila, kiel tiu de la ĉapo | ne estas ja la ŝanĝo de la kapo.

92. **Geometria ludo.**

Jen regula sesangulo *A*, kaj du aliaj regulaj seslateroj *B*, *C*, kies ĉiu havas surfacon kvaroblan je tiu de *A*:

El ĉi tiuj 3 poligonoj faru nur unu regulan sesangulon.




93. **Sur Sankta Urbo.**




1 = Vorteto kun signif' nedifinita. | **2, 6** = Ruiniĝinta konstruaĵoresto. | **3, 7, 9, 10** = Astreto rondiranta ĉirkaŭ astro. | **10, 11, 12, 13** = De ul' facile permesanta ion | por si malplaĉa (kvankam povus ĝi | malhelpi tion) eco jen al vi. | **13** = De moto jen duono. | **14, 12, 15** = Preskinsulo*) azia. | **11** = De Leopol' en okcidento estas. | **10** = De konsonanto nomo. | **9** = Pronomon vidas vi. | **6, 7, 8** = Vestego de piedo. | **1, 2, 3, 4, 5** = De urbo nomo por kristanoj sankta.

*) „*Preskinsulo*": Se ĉi tiu laŭ mi proponinda vorto ŝajnas netaŭga, oni legu la samsignifan nomon „*duon-insulo*".

## ALUMETLUDOJ.

94. **Poet' antikva.**

AVE IO

Kvar el ĉi tiuj strekoj estas for | de sia loko por | prezenti nomon de | poet' antikva fama.

95. **Verkint' kaj verko.**

El deknaŭ alumetoj vi faru | nomon de superulo itala | superulon alian gvidanta | en la mond' pretermonda, kaj poste | el la sama aret' alumeta | aperigu la nomon de la | ĉefa verk' de l' poet' aludita.

96. **Verkint' kaj verk' ankoraŭ.**

La personnomon kaj la familian | de poet', romanisto, dramaturgo | fama de l' franca lando vi kunmetu | el tridek eroj nun; aldonu poste | tri erojn por la nomon aperigi | de plej konata lia sociala | romano homarama.

97. **Plenigota versaĵeto.**

*Bon** ' kaj mal****jo.*

Pri mal***** ' farita estu ***to | *e **ra p****: | pri b***** farita el *a k*** | for ** me****!

**Ĝustaj solvoj alvenintaj:**

67, 79 S-ro *Bemague* (Calais); 75, 77, 80, 82, 84, 85 *C. Willian* (Stettin); 63, 75, 77 *Risuke Tsuji* (Osaka, Japanio); 80, 82 *S. Franz* (Paris).

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 146.**
*J. Dobruský*
(České úlohy šachové 1887).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 147.**
*E. Palkoska*
(Tidskrift för Schack 1904).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 148.**
*F. Wardener*
(Bohemia 1903).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 149.**
*Fr. Hájek*
(Právo Lidu 1911).



Blanko matas per la 2-a movo.

El la kvar dumovaj problemoj estas n-ro 147 la plej valora laŭ idea vidpunkto, ĝi ricevis la unuan prezon en la konkuro de Tidskrift. Escepte 147, kiu estas minacproblemo, estas en la aliaj aplikita la blokado, do Blanko devas antaŭe atendi la nigran movon ol povi ekzistigi la decidantan baton.

Dumova problemo estas la plej simpla artaĵo, kiun povas la ŝakludo doni. Ĝi disponigas sole du movojn, per kiuj estas necese esprimi tion multe, kiom nur eble. Tiu malabundeco je konstruaj ŝancoj malebligis preskaŭ la pluan evoluadon de la dumova problemo Nur per tro streĉita peno estas ankoraŭ eble pliriĉigi ĉi tiun fakon per novaĵoj laŭ la ekstera formo, dum la interna enhavo de la problemo neniam plu povas fieri pri la individua originaleco. Nuntempe aperas malofte similaj dumovaj simplaĵoj, kiel estas la supre ekzempligitaj, vidiĝantaj kvazaŭ kiel kunfandita tutaĵo. La aŭtoro moderna devas penplene uzi ĉiun artifikecon kaj komplikadon por ricevi rezulton kun la neevitebla difektiĝo de la reguloj pri materiala ekonomiemo kaj pureco de la matoj.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 142:** 1. e4—e5, Ĉf5—g3, 2. f2—g3 m; Ĉf5—e3 +, 2. f2×e3 m; Ĉf5×g7, 2. f2—f4 m; Ĉf5 alie, f2—f3 m; Ĉg1—h3, 2. Ĉg5—f3 m; Ĉg1—e2, 2. De1—h1 m; laŭvole, 2. De1—e4 m.

**N-ro 143:** 1. Dc1—e1, Ra1—b2, 2. Tc3—c4 +, Rb2—b3, 3. De1—c3 m; Tf1×f6, 2. Tc3—c1, Ra1—b2, 3. De1—c3 m; Db1×c1, 3. De1×c1 m.

**N-ro 144:** 1. Kg2—f1, Rf4—e4, 2. Df6—d6, K movas, 3. Kf1—d3 m; Rf4—g4, 2. Df6—h6, K movas, 3. Kf1—h3 m.

**N-ro 145:** Pro la duasolvo estis necese korekti jene la problemon: Pe7 starigu en e6 kaj Dh8 metu sur h5, sekvas la solvo 1. Pe6—e7, Dc2×b3, 2. Tc7—c6 +, Rd6—d7, 3. e7—e8K +, Rd7×d8, 4. Tc6—d6 +, Rd8—c8, 5. Ke8—d7 +, Rc8—d8, 6. Kd7—c6 +, Rd8—c8, 7. Kc6—b7 + Db3×b7 m; 1. Dh8—h5, Dc2×d3 nun sekvas la sama manovro finanta per 7. Kc4—a6 +, Dd3×a6 mato

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

108, 130, 131 Bahmen Shidani, Teheran (Pers.); 134, 135, 136, 137 H. Steding, Bremen; 138 S. Frantz, Paris; 137 ĝis 141 G. Meyer, Wien.

*Korespondo:*

S-ro B. Shidani, Teheran. — La leteron enhavantan la rimarkoj pri la persa ŝako mi danke ricevis. N-ro 108 estis notita en la oktobra numero pasintjare.

Koran saluton *F. H.*

# REKLAMO

*M.ᒧLLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevit.ij petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Adresŝanĝo.** Nova adreso de la hispana societo „Nova Sento": str. Wats-Ras 195, Barcelona.

**Hungaraj poŝtmarkoj.** Mi volas vendi mian belan hungaran poŝtmarko-kolekton (850 diversajn) kaj 70·0 tre bonajn hungarajn poŝtmarkojn. Mi estas longajn jarojn pulmmalsana kaj ne povas labori, mi tre petas la esperantistojn kiu volas helpi mian familion kaj povas doni 50–60 dolarojn (aŭ samvaloron), skribu tuj al Jenö Görök, vicdelegito de UEA, Szombathely, Templomtér 5 (Hungario), kaj mi sendos tuj.

**Kromeŭropanoj!** Mi interŝanĝas poŝtmarkojn (bonajn) kaj poŝtkartojn ilustritajn el ĉiuj regionoj de mondo, vidu mian grandan reklamon. Jan Mikš, Praha-Nusle, urba ŝparkaso, Riegrovo nám. 612, Ĉeĥoslovakio.

**Malnovaj numeroj de „Esperanto".** Mankas al ni marto, majo, julio, aŭgusto de la 1921. Sendu al Centra Oficejo de UEA (kun krajonnoto: por P. Stojan) kaj skribu pri dezirata rekompeuco.

**Poŝtmarkkolektantoj!** Poŝtmarkojn ĉeĥoslovakajn kaj aliajn deziras interŝanĝadi Václav Stárek, Trutnov, Rosseggerova ul. 2, Ĉeĥoslovakio

**Puntoj.** S-ro A. Dupuis, teknikisto, 7, rue de Montenotte, Paris 17, deziras ricevi de eksterfrancaj samideanoj sciigojn pri puntoj, brodaĵoj kaj similaj laboroj de virinoj, uzataj en eksterlando. Aĉetus plezure specimenojn kaj modelojn de naciaj produktaĵoj.

**Ŝuo-mod-albumo.** Kiu povus sendi aŭ sciigi min pri tio, ke kie aperas ŝuo-modo-albumo? Tiun mi tre ŝatus posedi kaj ĉiam aĉeti post ĝia apero. Mi aŭdis, ke en Parizo aperas en ĉiu monato, sed mi ĝis nun ne povis akiri nek ĝin nek ĝian adreson. Mi volonte pagos ĉian lacigon. S-ro Antonio Khirer, faranto de ŝu-superpartoj kaj delegito de UEA, Nagykörös I ker. 47 a. Hungario (Pest. m.).

**Teknika instruado.** Mi deziras korespondi kun inĝenieroj aŭ konstrufakaj instruistoj pri la aranĝo de la teknika instruado ĉiugrada. D-ro Lindt, ŝtata instruisto, partoprenonto de la XVII-a, Zittau, Moltkestr. 1, Germanio.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Aŭstralio.

**East Perth.** S-ro Patrick Leahy, 36 Royal Street, West Australia, PI, L, kun ge-seriozuloj de tuta mondo.

### Aŭstrio.

**Eggenberg** bei Graz. S-ro Gottfried Schwarz, instruisto, Allee 46, PI, L kun okcidenta Usono, Nord-Afriko, Sudano.

### Belgio.

**Schaerbeck.** S-ro V. Lamberts, arkitekto, 55 Av. Hamoir, PK, PM nur neuzitaj, sendas uzitajn kaj neuzitajn poŝtmarkojn.

### Brazilio.

**Bahia.** S-ro Luis Rosado, ŝtatoficisto, fraŭlo 24-jara, Str. Sao Raymundo 60, PK, PI bfl kĉl. Korespondas kun gefraŭloj, precipe fraŭlinoj, pri geografio.

### Britlando.

**Mansfield Notts.** F-ino W. Beck, Princes Street, PI.

**Mansfield Notts.** F-ino N. Witham, 32 Murray Street, PI.

**Mansfield Notts.** S-ro Bernard Wass, 52 Woodhouse Road, pri bot-ŝu-fabrikado kaj ĝeneralaĵoj.

**Mansfield Notts.** S-ro John Bagnall, 51 Woodhouse Road, pri dentistaferoj kaj ĝeneralaĵoj.

### Ĉeĥoslovakio.

**Bernsdorf** bei Trautenau. S-ro Ernst Ulrich, komerca oficisto kaj delegito de UEA, L, PI kĉl.

**Brno.** S-ro Otmar Láska, studanto, Hutterův Rybník č. 3, PM.

**Cheb.** S-ro R. J. Klič loĝas nun en Cheb, Okružní třída 30, Dvorní stavení I.

**Dux.** S-ro Rudolf Weiss, Dux X. 549, PM.

**Jablonec n. Jiz.** S-ro Angelo Freund, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** S-ino Růžena Freundová, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** F-ino Jarča Kaprasová, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** F-ino Fanča Paloušová, poŝtoficistino, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** F-ino Elsa Stránská, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** S-ro Marie Šídová, PI, L kĉl krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** F-ino Marta Štefánová, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jablonec n. Jiz.** S-ro Bohumil Votoček, oficisto, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Jičín.** S-ro Petr Jaroslav, staba kapitano, PM kĉl.

**Jičín.** S-ro Kudrna František, str. de Hus 52, PK, L pri politiko, religio kĉl., ĉiam respondos.

**Jičín.** S-ro František Šádek, N. m. 52, PI bfl kĉl.

**Končiny.** poŝto Jablonec n. Jiz. F-ino Marie Kobrová, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Košice.** S-ro Stanislav Zimek, Racsányiho ul. 24, PI bfl, PM kĉl. krom Aŭstrio' Hungario, Germanio, Rumanio. Ne sendas unue, nepre respondas.

**Lysá n. L. 443.** S-ro Zdeněk Štětka, kursestro petas korespondadon kun liaj lernantoj.

**Nová Lhota** p. p. Velká u Veselí na Moravě. S-ro Adolf Kučera, paroĥestro, PI, L.

**Příbram III-41.** S-ro Ladislav Bartůněk, PI, PM, L pri dekoracio, precipe kun drapistaj helpantoj kĉl., ĉiam tuj respondas.

**Rokytnice n. Jiz. I.** F-ino Marie Gernetová, oficistino ĉe firmo Franz Haney, PI, L kĉl. krom landoj kun Ĉeĥoslovakio najbaraj.

**Slavkov u Brna.** S-ro Miloslav Němec, cukrovar, 24-jara oficisto de sukerfabrikejo, PI, L kun usonaj kaj svisaj samideanoj, ankaŭ kun samideaninoj.

### Finnlando.

**Otava, Saha.** F-ino Helmi Kämppi, 18-jara, L, PK, PI kĉl.

### Franclando.

**Duisburg a. R.** (Allemagne occupée). S-ro F. Moncousin, kapitano, 14e de ligne, 9 Cie, secteur postal 9, Armée belge, PI, L pri ĉiuj temoj kĉl., certe respondos.

### Germanio.

**Hochum.** S-ro Ernst Weiss, Mayerstr. 18, PK, PI bfl kĉl.

**Breslau 13.** S-ro Herbert P. Schöngart, 17-jara junulo, Neudorfstr. 116, L, PI kun gesamaĝuloj kĉl. Respondos al ĉiuj.

**Dresden-N. 23.** F-ino Johanna Böhmer, Trachenberger Str. 49, Eg., PI bfl kĉl.

**Gräben Nr.** 4 apud Striegau (Silezio). F-ino Editha Creutzmann, juna instruistino. PI, PM kcl. kun seriozaj kolektantoj. Ne sendas unue! Malakceptas bagatelojn.

**Kempten** (Allgäu). S-ro Walther Schrank, PI, L, preferas ekstereŭropanojn.

### Hispanio.

**Barcelona.** „Nova Sento", Esperanta-societo, strato Wat-Ras 195, petas korespondadon kun la kursanoj de la societo.

**Bilbao** (Vizcaya). S-ro J. R. Sautua, Fonda de la Estrella, calle de Donna Maria Munoz, deziras interŝanĝi lingvajn lecionojn kun francoj.

**Gerona.** F-ino Luisa Bargés, instruistino, Escolas Pias 2, nur kun seriozaj longedaŭremaj korespondantoj.

### Hungario.

**Budapest.** S-ro Nemethy Gyula, stud. fil., Ménesi u. 11|13, PI, L kun ekzotikaj esperantistoj pri agrogeologiaj demandoj (speciale pri salgrundoj).

**Budapest VI.** S-ro Dezsö Király, Vasváry Pál-utca 9. II. 18, gimnazia profesoro de gimnastiko, gvidanto de fako ĉe revuo „Ifjusági Testnevelés" (junulara korpeduko), L, fotoj sportinformojn junularajn.

**Budapest.** F-ino Julia Beer, VI, Nagy János-utca 6, II, korespondas france, germane kaj esperante, L, PI kĉl.

**Budapest.** S-ro J. Sturm, VIII, Madách-str. 42|5, malnovajn metalmonojn kĉl., korespondas numologio, numismatiko.

**Budapest.** S-ro P. Balkányi, VI, Hajós-u. 15, nur interŝanĝas esperantajn glumarkojn kaj afiŝojn, ne korespondas.

**Györ.** S-ro Ludoviko Marich, Czuczor-Gergelyutca 3, PI bfl krom Aŭstrio, Germanio, Bulgario, Polio, Ĉeĥoslovakio.

**Nagykörös.** S-ro Antonio Khirer, UEA-delegito, PM kaj monerojn el ĉiuj landoj. Mia nova adreso estas: Nagykörös I, ker. 47, Hungario (Pest. m.).

### Italio.

**Genova.** S-ro Bevegni, Via Manuzio n. 7, PM kĉl., sendas rekomendite kaj garantias

**Potenza.** S-ro G. Sambito, Piazza Trinità, PI, PM.

**Potenza.** S-ro I. Morlino, Piazza Prefettura 114, PI, L, PM el S. Marino kaj italaj kolonioj.

**Suzzara** (Mantova). F-inoj Dino Villani kaj Tebe Mignini, du italinoj, deziras korespondi pri ĉia temo kun Anglio, Latvio, Litovio, Belgio, Portugalo, Turkio, Rusio, kaj ekstereŭropaj samideanoj.

### Japanlando.

**Tanabe, Kii.** S-ro Seitaro Macuba, PI, L kĉl.

### Latvio.

**Riga.** F-ino M. Pirkst, M. Nometun 7 dz. 15, PI, L.

**Riga.** S-ro Janis Grinbergs, Augustinesiela 12 dz. 44, PI, L.

**Riga.** F-ino Arvida Reital, telegrafejo, PI, L, escepte Okcident-Eŭropo.

**Riga.** F-ino Hella Buivid, ĉefa poŝtejo, PI, L, escepte Okcident-Eŭropo.

**Riga.** S-ro Eduardo Karklins, ĉefa poŝtejo, PI, L, escepte Okcident-Eŭropo.

Esperanto-Presejo Magdeburg.